**Ĉefredaktoroj:**
***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***
**Redaktoroj:**
***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blossberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, B. V.**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



**Nia sekva numero aperos 1-an de januaro**

# GRAMATIKO KAJ LITERATURO

WALTER LIPPMANN, LEIPZIG



Ĉu mi preferu diri : LITERATURO KAJ GRAMATIKO ? Kiu de ambaŭ estas la pli frua aŭ la pli grava ?

Oni povas aserti, ke la homoj jam fondis literaturon, kiam ili ankoraŭ nenion sciis pri gramatiko. Sed ne malpli ĝusta estas la konstato, ke jam, antaŭ kiam ekzistis literoj aŭ literaturoj, la homoj havis lingvojn, kiuj obeis al certaj leĝoj ; kaj ĉi tiuj leĝoj formis la gramatikon. Ĉiu lingvo do havas gramatikon, kiom ajn primitiva ĝi estas kaj egale ĉu ĝiaj uzantoj havas ian konscion pri ĝiaj reguloj aŭ ne.

La romia[1] imperiestro Tiberius[2] iam uzis vorton nelatinan. Ateius Capito[3] flate diris, ke tiu vorto ja ne estas latina, sed de nun estos tia, ĉar la imperiestro ĝin uzis. Marcellus kontraŭdiris : »Imperiestro ! Al homoj vi povas doni la rajton de regnano, sed ne al vortoj.«

La germana imperiestro Sigismund[4] uzis dum la koncilio de Konstanz[5] la neŭtran substantivon *schisma* (= skismo) kiel viran. Pro tio riproĉite de la ĉefepiskopo Placentinus, li respondis : »Mi estas reĝo romia kaj super la gramatiko.« (Ego *sum rex Romanus et supra grammaticam*) Sed la historio malaprobis lian ambicion. Anstataŭ liaj vortoj ĝi konservis kiel oftan citaĵon la kontraŭajn : *Caesar non supra grammaticos*.[6] t. e. (eĉ) la imperiestro ne estas super la gramatikistoj. Kaj ankaŭ Molière[7] parolas en *Les Femmes savantes*[8] (La Virinoj Erudiciaj II, 6) pri »la fundamento de ĉiuj sciencoj, la gramatiko, kiu scias regi ĝis la reĝoj kaj igas ilin per forta mano obei al ĝiaj leĝoj«.

Tiuj anekdotoj kaj eldiroj montras la gravecon de la gramatiko, al kiu devas sin submeti eĉ imperiestroj kaj reĝoj.

Ĉu ankaŭ literaturistoj ? poetoj ?

Oni parolas pri la lingvokrea laboro de eminentaj verkistoj. Ne malofte oni trovas en la verkoj de poetoj novajn vortojn kaj »originalajn« esprimojn, kaj oni scias, kiel grandan influon havis sur la ĝeneralan lingvan evoluon la lingvo-uzo de aŭtoroj, kies verkoj estis legataj de tre multaj homoj.

Aliflanke la gramatikistoj ĉerpas sian materialon plejgrandaparte el la skribata, t. e. la literatura lingvo kaj ili oftege citas el la literaturo, por doni ekzemplojn kaj pruvojn al siaj tezoj.

Tamen la literaturo estas nepre kaj tute dependa de la gramatiko :

Kiu volas plaĉi, influi, emocii, instrui, entute iel sukcesi, tiu devas verki tiel, ke la legantoj lin komprenas, kaj tio estas ebla nur per uzo de la komuna lingvo, kies reguloj troviĝas en la gramatiko. Tial la supre menciita »lingvokreado« de la verkistoj alportas preskaŭ nur pliriĉigojn de la vortaro kaj nur tre malofte novaĵojn en la pure gramatika kampo.

La gramatika ĝusteco estas nepra postulo por ĉiu literaturaĵo en la naciaj lingvoj. Oni povas toleri strangaĵojn de la stilo, troan emon al formado de novaj vortoj aŭ uzado de neordinaraj malnovaj formoj, eĉ trovi en ili ian specialan ĉarmon, sed eraroj gramatikaj estas ĝenerale rigardataj kiel nepardoneblaj.

Ĉi tiu severeco estas tre utila. Sen ĝi malklero aŭ arbitro kaprica detruus la necesan unuecon kaj kompreneblecon de la lingvo.

Kio ĉi tiurilate validas por la naciaj lingvoj, devas validi ankaŭ por Esperanto, »vivanta lingvo de vivanta popolo«.

Sed la aparta historio de Esperanto kaŭzis iujn diferencojn :

La naciaj literaturaĵoj estas verkitaj preskaŭ nur de homoj, kiuj uzas sian gepatran aŭ hejmlandan lingvon aŭ kiuj almenaŭ longe restadis en la lando, kies lingvon ili uzas. Ties parolado do estas sub la konstanta kontrolo de samlingva ĉirkaŭularo. Ili verkas en lingvo ĉiutage aŭdata kaj legata.

Kontraŭe la Esperanto-verkistoj uzas lingvon, kiun ili lernis kiel fremdan, ofte ne antaŭ matura aĝo, kiun ili nur malofte aplikas parole kaj kies regulojn ili elprenis ĉefe el instrulibroj plimalpli neperfektaj aŭ nekompletaj.

Plue la facileco de Esperanto kaj la entuziasmigo de l' esperantismo logas multajn al verkado kaj tradukado, kiuj neniam farus tion per sia nacia lingvo.

La sekvo estas, ke relative multaj Esperanto-literaturaĵoj estas malbonaj aŭ almenaŭ nekontentigaj de gramatika vidpunkto.

Estas mirige, ke la esperantistaro tion toleras. La kaŭzo de tio en la pasinta tempo estis eble, ke oni tiom ĝojis pri ĉiu pliriĉigo de la juna literaturo kvazaŭ pri nova sukceso de la tuta movado, ke oni ne volis dubatigi ĉi tiun sukceson per kritikoj. Krome oni ne riskis senkuraĝigi oferemajn bravulojn aŭ ĉagreni diligentajn eminentulojn. Do la recenzoj laŭdadis kaj aprobadis malgraŭ evidentaj lingvaj mankoj. La justeco postulas mencii, ke ekzistis esceptoj, sed — ili restis esceptoj.

Tiu samideana indulgemo faciligis eĉ al kelkaj spertaj, famaj esperantistoj montri strangan lingvan senzorgecon, ne nur en gazetartikoloj kaj poemoj, sed ankaŭ en prozaj libroj, kie nek poeta libereco, nek rapideco de verkado povas esti pretekstoj. Kelkfoje tiu malatento al iuj lingvoreguloj devenas ne tiom de nescio aŭ neglekto, kiom de originalemo, de la deziro

[1] Laŭ konsilo de Zamenhof (Lingva Respondo 47 Pl. Kol. p. 36/37) : *Alĝero* (urbo) — *Alĝerio* (lando) same : *Tuniso* — *Tunisio*, *Meksiko* — *Meksikio*, do ankaŭ : *Romo* (urbo) — *Romio* (lando, imperio). — Prononcu : [2] *tibérius*, [3] *atejus kápito*, [4] *zigismunt*, [5] *konŝtanc*, [6] *kezar non supra gramátikos*, [7] *moljèr*, [8] *lè fam savánt*.

montri novan specialan personan stilon. Certe ĉiu havas la rajton esprimi siajn pensojn tiel, kiel plaĉas al li, aŭ kiel li kredas, ke plaĉos al aliaj, kaj la granda klareco, formriĉeco kaj malrigideco de nia juna lingvo eĉ tre faciligas la trovadon de novaj esprim-ebloj. Tial diris ankaŭ Zamenhof (Lingv. Resp. 22 Pl. Kol. p. 55), ke »en Esperanto la nekutimeco ne prezentas gravan kaŭzon por neuzado«. Sed neniu forgesu, ke la »stilo« estas nur maniero de lingvo-uzo en la kadro de la ĝeneralaj lingvoleĝoj, t. e. de la gramatiko.

Alian kaŭzon por kontraŭgramatikaĵoj en libro de tre eminenta esperantisto montras detala recenzo de D-ro Corret :

»(La verkinto) estas oratoro, kaj oni scias, ke oratoroj, kiuj celas antaŭ ĉio la favoron de l' publiko, ĉefe estas ordinare gvidataj de la efekto, kiun ili faros al ĝi. Tre malmulte ili zorgas pri la ĝusta senco de prepozicio aŭ pri gramatika korekteco de vortoj kaj frazoj, se nur »ĝi bone sonas« kaj la publiko estos »kaptata«. Ofte stenografio de elokventa parolado, kiu tre forte efikis al la publiko, estas apenaŭ legebla, kiam ĝi estas presita sen multaj korektoj kaj rearanĝoj. En tio ĉi oratoroj iom similas versistojn, kiuj multon oferas al muzika harmonio. Ĉu ankaŭ en ordinara prozo oni devas, kiel en versoj, oferi klarecon kaj gramatikan korektecon al harmoniemaj postuloj? Tio ĉi estas demando de literatura gusto, kiun ni ne volas ektuŝi.«

Malpli reteniĝema ol D-ro Corret mi klare neigas tiun demandon, supozante ke la plimulto de la esperantistaro samopinias.

Pri tio, kio estas gramatike korekta, ne ĉiam regas absoluta certeco. Ekzistas ankaŭ diversaj gradoj de lingva boneco. Kelka esprimo estas ne klasika, sed tamen tre bona, alia estas ne rekomendinda, sed ankaŭ ne tute malĝusta.

Kelkaj esperantistoj postulas stilon pure zamenhofan. (Richard Sharpe nomis ilin ŝerce, sed aprobe »ĝisostuloj«). Ili kondamnas ĉiujn formojn, kiuj ne estas uzitaj de Zamenhof aŭ kiujn Zamenhof pli frue uzis, sed poste forlasis. Kiom ajn modela estas la stilo de la »Majstro«, tamen signifus tro grandan katenadon de talentaj verkistoj, se ili devus vidi literaturan idealon en sklava imitado, se ili ne rajtus libere elekti inter diversaj nuancoj, kiujn la multkorda instrumento de nia lingvo prezentas. Aliflanke la granda aŭtoritato de Zamenhof rezultigas, ke nenio, kion li aprobis, povas esti rigardata kiel malĝusta, eĉ se la lingva scienco rekomendas alian formon (ekz. *spite de io, spite al io* aŭ *spite ion* anstataŭ zamenhofa *spite io*).

Kelkaj novaĵoj nezamenhofaj, sed tamen aprobindaj estas ekzemple :

Uzo de *po* en sia ĉefa signifo kiel de adverbo (*Li donis al la infanoj po tri pomojn*) anstataŭ kiel de prepozicio (*... po tri pomoj*);

*ekde* anstataŭ *de* aŭ *de post* ;

*ek* ! (ne *ek'*) kiel interjekcio kun la signifo de (*ni* aŭ *vi*) *komencu, ekstaru, ekiru, eksaltu* k. s. ;

*fare de* anstataŭ metafora *flanke de* ;

*sen* kun infinitivo (ekz. *ŝi preteriris sen vidi min*); *al oni, onin, onia* ; *ajna* ;

nur *sin-* anstataŭ *mem-* en vortoj montrantaj refleksivajn agojn, ekz. *sinmortigo, sintrotakso, sinamo, sinkono* ;

*antaŭ kiam* (latine *antequam*) analoge al *post kiam* (latine *postquam*) anstataŭ aŭ krom *antaŭ ol* ;

*iĝi* anstataŭ *fariĝi*, precipe kiam mankas faro ;

evito de *plue* kaj *pluen*, kiam ili ne havas alian signifon ol la simpla *plu* ;

akuzativo post *kontraŭ*, kiam ĝi ne esprimas lokon (= *malamike al*) ;

*paŝon post paŝo* (anstataŭ *paŝo post paŝo*), same *manon en mano, brakon en brako* k. s. ;

laŭebla evito de pseŭdoafiksoj (ekz. *rezult(at)o, citaĵo* anstataŭ *citato, civiliz(aci)o* ; *organiz(aci)o, administranto* anstataŭ *administratoro, abstin(enc)ulo* ; *senkreditigi* anstataŭ *diskreditigi*) ;

ŝpara uzo (anstataŭ *ŝparema uzado*) de afiksoj, precipe de *-ad-, -aĵ-, -ec-*(post adjektivaj radikoj) laŭ principoj de neceso kaj sufiĉo ;

*devi ne* anstataŭ la nelogika *ne devi* en la signifo de *ne havi la eblon, permeson* aŭ *rajton* (= *ne durfi* aŭ *ne lici*) ;

evito de *ne ankoraŭ* en la signifo de *ankoraŭ ne, ne jam* ;

*kelkiu, kelkiam, pluriam* ;

*etulo, etburĝo, etanima* ; *ulo, ulego, ulaĉo* ; *aĉulo; ineto* ;

*-i* en la signifo de *esti, troviĝi, havi la -on, fari la laboron de -o, plenumi la oficon de -o* k. s. precipe post radikoj adjektivaj, prepoziciaj kaj substantivaj, ekz. *necesi, antaŭi, estri, tajlori*.

Mi intence donis multajn ekzemplojn, inter ili ankaŭ proprajn elpensaĵojn, por montri, ke mi tute ne estas kontraŭprogresa, nek predikas troan severecon aŭ pedantecon. Sed mi protestas, kiam iuj (eĉ eminentaj) aŭtoroj ekzemple uzas *ol* anstataŭ *kiel* post *sama*, la nominativon anstataŭ la akuzativo en la rekta komplemento (objekto) post *kiel, daŭri* anstataŭ *daŭrigi, fini* anstataŭ *finiĝi, glati* anstataŭ *glatigi, sin honti* anstataŭ *honti*, »*fugu ĝis ne malfrue*« anstataŭ *fugu antaŭ tro-malfruo* aŭ *antaŭ ol estas tro malfrue*, misuzas la refleksivan pronomon (ekz. *li falis kiel multaj el siaj kamaradoj* ; *la virinon surprizis sia kuraĝo*), ellasas pronomon ripetendan (ekz. *ŝi, kiun li tiom amas, ke por ŝi lernis rezigni* ; *li turmentas ŝin, por ke humiligu ŝin poste* ; *vidi li devas tion, kion delonge scias*) k. s. Tiaj ŝanĝoj estas, se ne simplaj malkorektaĵoj, certe neniom preferindaj al la kutimaj esprimoj. Kelkaj aliaj plimalpli novaj ideoj, kvankam iel pravigeblaj, apenaŭ havas ŝancon esti akceptataj de la esperantistaro, ekz. formoj kiaj *amatas, amitis, amintus* ; *as, is, os, us* kiel memstaraj vortoj kun la signifo de *estas, estis* k. t. p. ; vortoj kiaj *almene, anke, ankore, apene, balde, hodie, preske* (malgraŭ oficiala permeso).

La apero de literaturaĵoj neperfektaj de gramatika vidpunkto estus evitata pli facile, se la aŭtoroj ankoraŭ pli ol ĝis nun kontroligus siajn manuskriptojn de spertaj alinaciaj esperantistoj. Ultan laboron sur ĉi tiu kampo iam faris la Esperantista Literatura Asocio. Sed laŭŝajne ĝi tute malaktiviĝis. Kontraŭe la raportoj de la Lingva Komisiono de la Sovetrespublikara Esperantista Unio montras viglan agadon en la trarigardado de novaj manuskriptoj, sed evidente preskaŭ nur inter rusoj-samlingvanoj, kio malpligrandigas la valoron de tia laboro. Estas dezirinde, ke oni baldaŭ fondu vere internacian centron de literatura kontrolado.

Tia kontrolo iĝos superflua, kiam Esperanto ankoraŭ pli ol nun estos la natura lingvo de ĉiuj verkantaj esperantistoj apud la gepatra, kies reguloj estas por ili natura firma posedaĵo. Sed jam nun ni havas — tio estu konstatata kun sincera ĝojo — konsiderindan nombron de aŭtoroj, kies verkoj, poeziaj aŭ prozaj, originalaj aŭ tradukaj, montras modelan lingvan belecon kaj purecon : plenan harmonion de *literaturo kaj gramatiko*.

# LA PAFO

**Ruzena Svobodová**



Ofte li rememoris, kiam tio komenciĝis. Unue longa silento, lacaj jaroj, tagoj senenhavaj, monaĥoj senokazaj, pasia sopiro je vivo, je okazaĵoj. Iu tiel komencas vivon, sed tiel ĝin ankaŭ finas.

Sed li devis havi alian destinon.

Venis tago kun stranga aventuro, kaj postsekvis la pli strangaj.

Tiutempe tio komenciĝis. Dum antaŭprintempa tago. Ĉiuj ripozitaj fortoj estis preparitaj elŝpruci, ekburĝoni; la tero estis malfermiĝinta kaj post la pluvoj de la lastaj tagoj ekverdiĝis la herbejoj per plej juna pala verdaĵo.

Estis dimanĉo kaj ĉasisto Martin renkontis sur la deklivo super la ĉasdomo la frenezulon Jurek. Li malsuprenmarŝis de ie el la montoj. Li estis nomata Jurek Pohrabáč (Jurek-Fajrohoko) kaj estis parolanta kun infanoj, revenintaj el la lernejo.

Ili diris al li: »Bonvenon, Jurek!«

Li respondis: »Mi dankas«.

Ili demandis lin:

»Ĉu vi serĉas brasikon por leporoj?«

»Mi ne volas brasikon, mi ne volas brasikon«, ektremis timeme Jurek kaj aldonis:

»Mi serĉas maŝetojn, oni plektas tie ĉi maŝetojn!«

Jurek havis en sia freneza cerbo klarajn sentojn.

Li ĉiam elsentis, kie oni ŝtelas, kiu faris fajron, li ĉiam elsentis la kulpulon per ia delikata senso, pliakriĝinta malfavore al la ceteraj.

Ĉasisto Martin komprenis, ke Jurek sentas ŝtelĉasistojn.

Estis dimanĉe matene; lia ĉasdistriktestro forveturis la urbon kaj ordonis al li, ke li maldormu, ĉar la dimanĉoj estas taŭgaj tagoj por la ŝtelĉasistoj por misagi. Ĉasisto Martin estis ambicia kaj diligenta en devo, li ĉiam batalis kun ŝtelĉasistoj, li estis kontraŭ ili senindulga kaj malamata de ili, sed ankoraŭ ne okazis grandaj interbatadoj. Ili ne *sidigis lin en formikejon,* kaj li neniun vundis.

El ĉiuj ŝtelĉasistoj li pleje embuskis pri Flandera, pri trankvila ŝtelĉasisto, kiu rigardis la arbaron sia posedaĵo kaj la punojn ega maljusto. Se lia kulpo estis pruvita kaj li estis kondamnita al kelkmonata puno, li ekĝemetis kaj diris:

»Kiel helpi? mi fendos al la sinjoro juĝisto lignon por vintro, tralegos la biblion kaj iros hejmen!«

Li revenis kaj ŝtelĉasis kaj ŝtelis lignon plu.

Ĉasisto Martin ĉiam diris al li, kiam li renkontis lin:

»Vi havas la kolon tute kurba, kvazaŭ vi rigardus pinojn«.

Se oni serĉis Flandera'n en la arbaro, li ĉasis fiŝojn sur la rivero, traveturis ĉiujn kluzojn kaj havis la boaton plena.

Se oni serĉis Flandera'n sur la rivero, li pafis en la arbaro tri veturilojn da leporoj.

La princo mem renkontis lin iam en la stacidomo, kiam li ĝuste forsendis vagonon da ŝtelitaj leporoj, kaj demandis ironie:

»Ĉu almenaŭ la duonon de tiuj bestoj vi mem pafis?«

»Moŝto, la duonon manĝis juĝistoj, mi pafis duoble pli!«, respondis respektplene Flandera.

Martin koleris je tiu ironia ŝtelĉasisto kaj volis jam delonge pafstigmi lin.

Li ĝojis, ke li renkontiĝis kun Jurek.

Fine li sukcesos kripligi la ironian Flandera.

Li supren marŝis silente la montojn, de kiuj antaŭ momento malsupreniris Jurek, la frenezulo.

Maldensaj nuboj pendis malalte super la arbaro kaj la aero estis densa pro la printempaj odoroj.

La juneco de l' tero ebriigis la ĉasiston, varmigis lian sangon.

Li volis vivi kaj agi.

Ĉiuj viroj volas agojn kaj farojn.

Ĉasisto Martin volis pafi molan homkorpon, li volis dolorigi, puni.

»Atendu nur!«, li diris al si tradente.

Li sentis, kiel li jam neniigis lin, forkurantan ĉiam mirakle.

Li eliris sur vojon, kiu ringe ĉirkaŭvolvis la monton.

Li tenis pafilon en la mano kaj marŝis spione, kliniĝinte al la tero, por ke li povu elesplori, inter la maldensaj branĉoj de piceoj, agon de ŝtelĉasisto.

Subite io ekbrilis senbrue en densaĵo.

Tio estis manoj, du fortaj, lertaj viraj manoj, kiuj plektis maŝkaptilojn.

Fine!

Li alcelis tiujn manojn kaj ekpafis.

»Jesu' Maria«! ekkriis mirigita, turmentita homvoĉo.

Ĉasisto Martin saltis en la densaĵon kaj trapenetris ĝin.

La branĉoj vipobatis lin, pene li marŝis.

Li venis al la loko, kie estis fiksita la maŝkaptilo. Li efektive trovis sangigitan muskon, strion de sango, kiu subite ĉesis sen pluaj postsignoj.

Li traserĉis la densaĵon ĉiudirekte, sed neniun li trovis.

Malpacienca, tedita, malkontenta li restis dum la tuta posttagmezo en la arbaro.

Tagmeze, proksimume kvincent paŝojn de la loko, kien li pafis, li trovis marĉeton da sango.

Li estis pli kaj pli malkontenta.

Li ne povis klarigi al si, kial.

Li volis pafi homon, vundi lin, kripligi. Li tremis de tiu sopiro la tutan matenon. Apenaŭ li povis ĝisatendi la pafon. Li pafis homon, kiu perdis tiom da sango, ke li devis ie en densaĵo elspiri. Lia sopiro, neniigi kaj mortigi, estis plenumita. Kaj tamen li dentklakis kaj fartis pli kaj pli malagrable. Je la brusto li ekdoloris. Li forĵetis la pafilon en la muskon, ekspiris, ektremis, reprenis ĝin kaj plumarŝis.

Li estis grandulo, preskaŭ grandegulo. Li havis malhelan, malgrandan kapon, iom malklarajn okulojn kaj distran konduton. Kion ajn li estis farinta, li ĉiam bedaŭris, ke li perdis la alian eblaĵon, la ĝustan malon de lia faro.

Li ne iris tagmanĝi en la ĉasistan domon, li iris malsupren en la vilaĝon. Li sciis, ke li tie renkontos kamaradon ĉasiston el la dua ĉasdistrikto. Li bezonis interparoli kaj bezonis posttrinki la interparolon.

Kiam li estis eniranta la vilaĝon, apud la unua kabano li renkontiĝis kun la ŝtelĉasisto Flandera.

Tiu ĉi estis tute sana kaj komplimentis lin kun la konata ironio de nekapteblulo. Li afable ridis mokeme, kun la respekto de riĉa kamparulo, kiu komplimentas bienulon dronantan en ŝuldoj.

Ĉasisto Martin ne ekfartis pli bone.

»Fi !« li diris al si ekskuiĝante, kiam li estis irinta preter Flandera.

Li iris gastejon en Dubri.

La kamarado, nigra ĉasisto, sidis en la gastejo sola ĉe tablo.

Mem la gastejmastro ne estis en tiu ĉi momento tie.

Ĉasisto Martin ĵetis sin en la angulo sur benkon apud ĉasiston Arnoŝt.

»Mi mortigis homon !« li diris kaj frapis per la kapo kontraŭ la tablo.

2.

La tutan posttagmezon serĉis ili ambaŭ la mortan ŝtelĉasiston. Nenion ili trovis. La sango malvarmiĝis sur la musko. Nenie ili aŭdis ekĝemon. Estis silente kvazaŭ en tombejo.

Martin rampis tra la densaĵo surgenue.

Arnoŝt devis lin forkonduki kaj trankviligi, por ke neniu ion eksciu.

Estis mallumo kaj la serĉado estis vana.

Ĉasisto Martin meditis. Li volis koncepti, kio okazis antaŭ la pafo. Kiamaniere en li ordiĝis la eksentoj ? Ĉu li devis pafi ? Ĉu li devis mortigi ? Se li estus ne renkontiĝinta kun Jurek !

Li ekkoleris kontraŭ la flarema frenezulo. Li mortpafus lin en tiu ĉi momento. Li forlavus la mortigon per mortigo. Li kuŝigus Jurek'on en la koaglintan, sekiĝintan sangon de la ŝtelĉasisto, por ke li sciu, kien li kondukis lin per sia ĉiovida balbutaĵo, por ke li elsuĉu tiun sangon el la musko, por ke ĝi sorbiĝu en lin, kvazaŭ en spongon.



B. van Heijningen : *Templo*

Li malbone dormis. Li ekdormiĝis vespere, sed li estis terurata en sonĝo. Iu piedpremis lian koron, tarompis la bruston. Li penis distingi, kio dolorigas lin. Kaj li rekonis : sur lia brusto staris ligna stablo, sur ĝi kuŝis lignotabulo, sur la du finoj de la tabulo sidis la frenezulo Jurek kaj homo senkapa. Sango ŝprucis sur lian jakon. Ili balancis ambaŭ, ili volis superi unu la alian. Kaj ĝuste sur lian bruston ili starigis la balancilon.

Jurek vokis :

»Brasikon, brasikon por leporoj !« kaj ridaĉis per malforta, ĉioscia, tromatura ridaĉo.

La ĉasisto komprenis, ke ĉion inside preparis Jurek, ĉar li estas ĉioscia kaj antaŭscia, ke li ĉion detalege sciis, ĉiujn sentojn, kiel ili brulos en lia koro.

Ĉasisto Martin vekiĝis kaj ne ekdormis plu ĝismatene.

»Jes, mi mortigis homon !« sonis en lia konscienco, kiam ajn li volis ekdormeti. Li turniĝis sur la koksoj, la lito bruligis lin, li leviĝis nefreŝa, neripozinta, pli laca ol vespere.

Matene venis la arbargardisto Kolar, malgranda, muskoloza homo kun ŝultroj, sur kiuj li povus porti centjarajn kverkojn, rustiĝinta kun vila plenbarbo, kun vizaĝo superŝutita de lentugoj, kun ruzaj palaj okuloj. Li estis iama ŝtelĉasisto : oni akceptis lin nur por liberigi sin de lia malutileco. Lia vizaĝo estis netrankvila, ruza kaj sulkigita.

Li diris al ĉasisto Martin malice :

»Sinjoro, la maljuna edzino de Novák aĉetis por unu krono feĉon. La maljuna Novák fartas malbone. Tiaj mizeruloj neniam konsumas tiom da feĉo !«

»Kio okazis al li ?« demandis embarase la ĉasisto.

Novák estis konata ŝtelĉasisto.

»Mi ne scias. Nenion mi diras. Sed kiam aĉetas ŝtelĉasisto feĉon ? Nur por vundoj !« respondis la gardisto-rustulo.

Martin iris por trovi la kamaradon.

»Mi mortigis homon kaj tiu homo mortas. Estas la maljuna Novák el Zbozi. Diru al mi, kial mi faris tion ? Mi pripensis tion dum la tuta nokto. Diru al mi, kial ?«

»Vi estas frenezulo« respondis la kamarado. »Vi devas ŝajnigi vin gaja. Neniu ekkonu ion. Posttagmeze ni iros al Zbozi, ni sidiĝos en la gastejo, interparolos, trinkos. Ni ekscios, kiel fartas Novák kaj al neniu venos ideo suspekti vin, precipe se oni vidos, ke vi kuraĝas iri en la vilaĝon.«

Martin iris.

La tutan vojon li tamen parolis duonlaŭte :

»Diru do, kial mi grandigis en mi tiun sopiron, pafmortigi Flanderan ? Kvazaŭ kapitalon mi ŝparis ĝin, kronon al krono. Mi devis pafi, mi ne rezistis mian deziregon kaj nun tio doloras. Kiom mi volus kompreni tion !«

Ĉasisto Arnoŝt diris :

»Mi ne komprenas, kia malsaĝulo vi estas ! Kia diferenco inter cervo kaj ŝtelĉasisto ? Prefere mi bedaŭrus cervon ol ŝtelĉasiston. Cervo estas reĝo kaj kio estas ŝtelĉasisto ? Malutila besto, fia malutila besto. Ni havis en la ĉasdistrikto tutan familion de ŝtelĉasistoj. Ili vivis en disaj kabanoj kaj neniu povis ilin kapti. Antaŭ la juĝistaro ili valoris pli ol arbargardisto. La juĝisto diris al ili :

»Sidiĝu, sinjoro Jánsky ! La arbargardisto povas stari !«

Fine ni devis voki ĝendarmojn, ni ĉirkaŭfermis

la kabanon, nenie estis Jánsky. Ni tie staris ĝismatene. Matene figuro rampis malsupren sur ŝtupetaro.

Mi ekpafis.

Jánsky silentis kaj forkuris arbaron.

Ni ĉasis lin kvazaŭ leporon. Ni trovis lin apud fiŝlageto. li kuŝis kvazaŭ besto. Li saniĝis, oni arestis lin por du monatoj, li revenis kaj la komedio ripetiĝis.

Ni interkonsiliĝis, ke ni devas ekzekuti lin.

Kaj li subite malaperis!

La arbargardistoj al ĉiu diradis, ke Jánsky estas nek en akvo, nek sur tero, nek en aero.

Kaj ili malice ridaĉis.

Lia edzino havis malgrandan ŝarhundeton, ŝi serĉis kun ĝi la edzon tage nokte kaj nenie ŝi trovis lin.

Ili venis fine al la rando de la arbaro, ili trovis brulejon. La hundeto restis staranta kaj ne movis sin.

Jánsky estis nek en akvo, nek sur tero, nek en aero kaj la hundeto tamen trovis lin.

Tamen, kion pruvos atesto de hundeto?

Kaj estu gaja; vi pafmortigis vulpon kaj neniu povas ion pruvi kontraŭ vi!«

Martin ne ekgajiĝis per tiu ĉi ekzemplo.

Tutan lian estajon penetris malestimo al homo, kiu mortigas homon.

»Fibesto,« li diris tradente, »fibesto estas la homo.«

Ili venis al la vilaĝo.

Sur la alnaj branĉoj ekburĝonis junaj burĝonoj. Kaj la arboj, kvazaŭ ili ne povus satiĝi de sia beleco, rigardis sin en la verda rivero, sur kiu naĝis anasinoj ebriiĝintaj de la printempa mildo.

Infanoj ĝojkriis ie dum printempludoj.

Kaj en tiun ĉi junan molan printempan silenton eksonoris akraj, rompitaj, nefortaj, sed naŭzaj sonoj de sonorilo.

»Funebra sonorilo!« ektremis kaj kaŭretis ĉasisto Martin, kvazaŭ li atendus, ĝis super li transflugos la malafabla ondo.

Sed la funebra sonorilo sonis krake kvazaŭ ĝi batus per najlo malnovan poton, kaj ĉasisto Martin rememoris sian sonĝon.

La nekonata mortinto kaj Jurek Pohrabaĉ balanciĝadas sur lia koro kaj vokas per malagrabla voĉo:

»Bim bam, bim bam.«

Ĉasisto Arnoŝt riproĉis Martinon:

»Gajiĝu, por ke en la gastejo oni nenion ekkonu!« li finis.

En la vilaĝo antaŭ la gastejo ili renkontis la rustulon. Li ridetis komprene, malice kaj li ankoraŭ pli malvasta kuntiris sian per lentugoj superŝutitan vizaĝon, fermetis unu okulon, levis la dekstran angulon de siaj lipoj, pligrandiĝintaj de fumado.

»Juna homo!« li ekbalancis al li la fingron antaŭ la okuloj, kaj lia tuta esenco de plej pleba inter diabloj, de unu el la kanajlaro diabla, aperis en liaj rikanantaj vortoj: »Juna homo, ne por la maljuna Novák sonoras la funebra sonorilo, Háta Látalová mortis.

Kiom da ironio, moko kaj konscio de superrego estis en tiuj ĉi vortoj! Kiom sonis en ili la estinteco de la rustulo! Tiu tuta singarda, danĝera, eĉ por momento ne trankvila vivo de ŝtelĉasisto, kiu ĉiutage venkas, ĉiutage pli kaj pli mokas la persekutantojn.

»Kiom ja koncernas min, kiu mortis, mi ne konas Háta'n Látalová,« respondis ĉasisto Martin kaj eniris la gastejon. Li alportigis du glasojn da biero

## La lumgardanto

*Ludoviko Totsche*

Dediĉata al *K. Kalocsay.*

La viglanto
Tra l' mallumo stumble vadas.
La viglanto
Pri tremanta flam' gardadas.

Pelerinon vastan ŝire
Taŭzas la impeta vent',
En ĝi krioj, en ĝi veoj,
En ĝi klak' de dent'.

Glaciiĝas cerb' kaj koro
Sub la ventatak',
Nokt' estingas terajn lumojn
Per skeleta brak'.

Sur la tero de sufero
En tenebra frost'
Ekbatalas abomene
Osto kun la ost'.

Mortas penso, mortas sento,
Mortas Bel' kaj Am',
Kiu zorgus dum la lukto
Pri l' freneza flam'?

Frataj flamoj laste flagras
Kiel mortsignal',
Supre steloj ridas froste,
Ridas, sen rival'!

La viglanto
Vadas tra hurlo kaj kverelo,
La viglanto
Gardas pri l' lastaspira Belo.

Pelerinon vastan ŝire
Taŭzas la tempesta blov',
La flameto klinas kapon
Fume kaj sen pov',

Lum' serena, lumo svena,
Laca lumlibel'
Mortangore rememoras
Pri l' pasinta Bel',

Por atakoj novaj blovas
La tempesta korn',
Murdos tuj la etan flamon
Malespera morn',

Kaj la frosto kovros ĉion
Per glacia krust',
Sed la viglanto ŝirmas la flamon
Per la haŭto, viva haŭto de la brust'!

Kaj nun, jen la meĉo flame
Ardas en la sin'.
La viglant' pasintajn Belojn
Gardas en la sin'!

kaj trinkis el ambaŭ. Al malgranda infano li donacis dek helerojn.

Li proponis, ke ili ekkantu.

Ili kantis kun Arnošt duvoĉajn kantojn :

»Sub tilio, super tilio, la fulmeto !«

»Sur kajo kuras blanka ĉevaleto...«

La arbargardisto-rustulo venis la gastejon, eksidis apud la pordo trankviliĝinte kvazaŭ laŭdita reĝisoro.

Ĉasisto Martin alportigis brandon, tiom, kiom li eltrinkos.

La arbargardisto trinkis, gluton post gluto prudente, gastronome.

La gastejmastro iris tra la drinkejo ; li ne kuraĝis sidiĝi apud sinjoroj, li sidiĝis apud la gardisto:

»Kiel fartas Novák ?« demandis lin la gardisto, atingante per la akcento de tiu ĉi frazo ĉasiston Martin, sed li ne rigardis entute tiun flankon, kie Martin sidis.

La ĉasisto ektremis kaj forpuŝis la glason kun iom konfuza grimaco.

La gastejmastro respondis :

»Oni vizitis lin kun la lasta sakramento, sed eble li saniĝos !«

Ĉasisto Martin malgajiĝis.

Li sentis, ke li pli bone fartis antaŭ momento, kvazaŭ la maljuna Háta Látalová estus entute preninta la morton anstataŭ Novák kaj kvazaŭ tiu ĉi estus pro tio liberigita de ĝi ; kvazaŭ li pro tio, ke Háta mortis, ne estus sopirinta pafi Flandera'n, ne estus volinta mortigi homon. Kaj la vana malĝojo, kiu pelis lin en la vilaĝon, akompanis lin ĉiujn ceterajn tagojn, vekis lin el dormo ĉiam per la sama alarmo : »Vi mortigis homon.«

Ĉiuj rakontoj de la kamarado pri ŝtelĉasistoj, per kolbo mortigitaj kaj bruligitaj, ne gajigis lin.



Kropholler: *urbdomo de Noondwijkersout*

### 3.

Pasis tri semajnoj. Martin suferis. La arbargardisto-rustulo silentis firme. Kelkfoje li ekrigardis estimplene per mokemaj okuloj, kvazaŭ li volus ekspliki pluajn ĉapitrojn de romano, sed li alprenis mienon, kvazaŭ li ŝanĝus sian opinion, kaj silentis.

»Ĉu vi volis ion diri al mi ?« demandis Martin sufokvoĉe.

»Ĉu mi ? Ne ! Kion mi povus rakonti al juna homo ?« li respondis kun vulpa mirigiteco.

Martin mem iris en Zbozin.

Li eniris la gastejon kaj salutis.

En angulo sidis gasto kaj li rekonis, ke en la angulo sidas la resaniĝinta ŝtelĉasisto Novák.

Martin sentis, kie li ekkreskis en tiu momento, kiel la streĉitaj turmentoj mildiĝis kaj dissaltis kvazaŭ ringegoj de sorĉisto. Kaj sub ili aperis libera, aroganta, estrema, malhumiliĝinta homo.

»Kial vi ne salutas ?« li ekkriis al Novák. Li ekĝojis pri sia laŭta libera voĉo.

Li ne mortigis homon. Li nenion devis ŝanĝi en sia vivo.

Novák respondis al li froste kaj dolore :

»Vi ja scias, kial mi ne danksalutis vin«.

La ĉasisto ekmensogis :

»Mi ne scias. Mi nenion faris al vi !«

»Mi kuŝis« diris Novák, »hodiaŭ je la unua fojo mi estas en la gastejo. Mia piedo neniam resaniĝos. Niaklasulo ne iras en malsanulejon kaj al doktoroj. Vi frakasis mian oston, vi kripligis min ĝismorte, ĉar malriĉulo volis ion dividi kun riĉulo. Mi ja amas la arbarojn same kiel vi !«

Li leviĝis kaj iris tra la ejo al la pordo. La vinditan piedon li tiris post si. Li daŭrigis :

»Mi ne restos kun vi en la sama ejo. Mi ne garantias pri mi. Mi pensas, ke ni ankoraŭ kvitiĝos kune. Vi ne devis pafi min ! Vi ne devis kripligi min !«

Kaj li eliris el la ĉambro.

### 4.

Neniu aŭdis tiun interparolon krom Martin. Kaj en lia animo ĝi resonis konstante. Li ne povis gajiĝi. De tempo al tempo li forgesetis, sed li ne povis tute forgesi, kvazaŭ li havus grandan ŝuldon, pri kiu li estos iam rememorigita. Li ĉiam atendis la venĝon de la ŝtelĉasisto, sed li ne iĝis pli singardema kaj li ĉiam eliris sola. Li timis nenion. Ia sindonemo, justo dissolvis lian animon en dolĉeco kaj muta decidiĝo kaj liaj manoj malleviĝis ĉe la penso, ke iam en soleco, vizaĝo kontraŭ vizaĝo, li renkontiĝos kun Novák kaj diros al li :

»Mi ne defendas min, pafu !«

Li volis kvitiĝi kun li, li volis, ke malaperu ĉiuj postsignoj en lia animo, elfositaj de la dolora voĉo de l' ŝtelĉasisto : »Vi ne devis ekpafi min, vi ne devis kripligi min !«

Kelkfoje io ekvarmigis lian animon, kvazaŭ ĝi degelus en printempa suno.

Kaj kiam li rigardis en ĝin, li komprenis, ke tie vekiĝis denove tiu milda, muta sopiro, ke li jam staru vidalvide al la homo, kiun li ege vundis, por ke li povu sin fordoni al li ; kaj li sentis, ke li ĝoje atendas tiun teruran liberigan renkontiĝon kaj ke tiu sopiro beligas lian vivon kaj faras feste nobla, ke, se oni forprenus ĝin de li, oni senigus lin de la plej karaj kaj plej dolĉaj sentoj kaj lia vivo perdus sian tutan sencon.

# Du poemoj

**Francisko Szilágyi**

## La Tasko

Severe sidis sur katedro
Mi, morna, dorna profesor'
Kaj staris antaŭ la Katedro
Junulo kun timema kor'.

Lernant' ruĝeta, milda, blonda,
Knabet' modesta — sen kuraĝ'.
Sur mia frunt' : konscio tondra
De l' forta hom', de l' plena aĝ'.

Potenco plena, hommajesto :
Ĉe mi la libro : nigra list' :
Kalkulo-libro kaj atesto
Pri la potenc' de l' instruist'.

Sed for la revo, jen la knabo
Jen kreto granda kaj tabul',
Viktimo blonda, trema knabo
Atente staras la junul'.

Mi sidas, ridas : tem' terura
Al milda knab', al tima blond'
Jen — knab' — tabulo nigra, pura
Kaj interesa tem' : la Mond'.

Ne timu knab' ĉi temon grandan
Do prenu kreton, jen tabul'
Nu, skribu mondon sur la grandan
Tabulon (aŭ al noktnebul' !)

II.

Unue kreis li ĉielon,
Aperis la ĉiela bril'
Kaj kreis li la nokton, helon,
Aperis alte steloj mil.

Kaj venis poste floro, besto
Finfine venis mem la hom',
Sufero sekvis, krima festo,
Stertoro kaj blasfemo-vom'.

Mizero venis, ĝemo fia
La sango venis kun milit',
(La mondon skribis nun la pia
Laktvanga, blonda instruit'.)

Malsat' ribelas, flam' odoras,
Diboĉas la tuberkuloz'
Forvelkas belo, homo ploras,
Forvelkas lace juna roz'.

Kadavroj sekvas, griza koto
Sub kreto de la milda knab'.
(Ho savu, savu min narkoto !)
Freneze dancas murdo, rab'.

Kaos' sistema, moro fia,
Malica leĝo, stulta bru'
Knabeto, halt' ! Ordono mia :
Ne skribu, ne desegnu plu !

La taskon vi nun aĉe faris,
Vi eta, laca, klaĉa blond'
Kaj via kreto aĉe knaris,
Kaj via mondo : fia mond'.

Hej, viŝu, viŝu for rapide,
Ne restu signo, eĉ makul'
Postulas viŝon mi avide,
Nur viŝu ĝis la noktnebul'.

III.

Pro viŝo ĉio neniiĝas,
Kaj ĉesas pri la mond' afiŝi,
La knabo viŝas !
Knabeto, haltu !
Ĉu volas vi eĉ min forviŝi ?

## Pluvo

La hom' nur estas polvo —
(De fore : tondra ton').
Nur estas cindro-polvo,
Aŭ kot' en pluv' — la hom'.

Ho pluvas ; grizan pluvon
Vadadas granda bot'.
Malmilda pluv'. La teron
Sufokas nigra kot'.

---

5.

Venis aŭtuno post tiu mirinda, al intima interna vivo dediĉita somero.

Alveturis la princo, alveturis la junaj princinetoj, ili ĉasis tutajn tagojn. La nobelaro kunveturis vespere en la ĉasistan domon, ĉasistoj trinkis en la gastejo. Martin senĉese estis en kompanio, en lian animon ĵetis homoj siajn vortojn, insultojn, ridojn eĉ kantojn, malnobligis ĉion, kio estis en ĝi dolĉa kaj justa. Li sentis dolore la foreston de sia soleco, li domaĝis ke li devis oferi al la homoj ion el sia silento, el sia nutrata sopiro je kvitiĝo.

Estis oktobra tago, vualita de delikata, varme griza nebulo, kies perle grizluma maro kuŝis sur la pejzaĝo, la suno ne povis penetri en ĝian fundon. Nur kelkfoje ĝi lumigis fenestretojn en la vilaĝo : ili ekbrilis kiel krudaj pecoj de diamantoj.

Vespere la nebulo sangiĝis kaj en ĝi vadis la kvaronluno, klinante sian kvazaŭ elmorditan vizaĝon super la sangiĝintan rapidiran riveron.

Estis la oka de oktobro. Ĉasisto Martin venis dum ĉaskaptado en solecan lokon. Li eble ĝin priesploris iomete kun ia instinkta duonsento, kun nekonscia sopiro, kun volo pli forta ol ĉiu racia volo. Nek voko de ĉasantoj, nek batoj al arboj estis aŭdeblaj, nur pafoj de pafiloj.

Martin trairis arbarvojon. Flanke de ĝi kreskis tuta kampo de grandfoliaj tusilagoj, kvazaŭ kun blankaj silkaj subŝtofoj.

Vento flugis tra ili kaj la folioj obstine balanciĝis, kvazaŭ ili volus elradikiĝi la koletojn, kvazaŭ iu persvadus ilin kaj ili dirus kun preskaŭ antipatia persisto : »Ne, ne, ne !«

Martin haltis kaj ekrigardis ilin.

»Dio scias, kial eknestis tiu ĉi familio ĝuste tie ĉi !« li murmuris.

Du leporoj trakuris la vojon. Li ne pafis. Tio ne interesis lin. Sed li mekanike turnis sin post ili. Li turniĝis kaj lia rigardo fiksiĝis en lokon, kien malaperis la leporoj.

En la brusto io saltetis pro surprizo.

Iu postrampis lin. Tio estis neniu ĉasanto aŭ alpelisto. Ne. Tio estis vizaĝo, konata el vivo, konata el sonĝoj. Li vidis ĝin multe pli ofte ol ke ĝi ĝojigus lin. Tio estis la pala vizaĝo de Novák.

La piedon la ŝtelĉasisto ĝis nun ankoraŭ havis envolvita en ĉifonoj, ĝi ne saniĝis : kaj li tute malgrasiĝis kaj malfortiĝis pro la malsano.

Li postrampis lin ; en la mano li havis nenian pafilon.

Ĉu li rampis tie ĉi eble pro amo al arbaroj, pro amo al ĉasado ? Aŭ ĉu li serĉis la ĉasiston ? Martin volis kvitiĝi kun li per la kvitiĝo, kiun li petis de la destino.

»Novák, kion vi faras ĉi tie ?« li demandis lin per frata kaj pentema voĉo.

Novák ne respondis.

Martin iris al li pli proksimen. Li portis la pafilon en la mano.

Novák rigardis lin per lacaj, indiferentaj kaj malestimaj okuloj.

»Mi ŝuldas ion al vi« diris al li Martin, »kaj vi rajtas pagi al mi per sama mono. Vidu, neniun oni aŭdas, neniu vidas nin nek aŭdas. Vi estas sen batalilo. Jen mia pafilo ! Pafu, se tio plaĉas al vi !«

Li metis la pafilon sur la teron al la piedoj de la ŝtelĉasisto, li foriris je kelke da paŝoj, li apogis sin al arbo kaj atendis.

Novák staris, lia vizaĝo koloriĝis iom, la okuloj ekbrilis per estingiĝanta, malhela brilo.

Li malrapide kliniĝis kaj eklevis la pafilon. Li tenis ĝin en la mano, li lulis ĝin rabeme kaj ruze kaj la okulojn li ne deturnis de Martin.

Martin sentis, ke fine venis tio, kion li tiom sopiris, ke venis la simpla, memkomprenebla justeco. Li kripligis homon, li volis mortigi. Nun tio estos refarita al li. Li postulis de la destino tiun gracon dekfoje ĉiutage.

Novák balancis la pafilon sur la manplato, sed li ne alcelis. Nur lia mentono ekbalanciĝis kaj liaj teruraj, malplenaj, plendaj okuloj fiksiĝis al la vizaĝo de la ĉasisto, serĉis en ĝi, divenadis pensojn el ĝiaj lumoj kaj ombroj.

»Pafu, diablon !« ekkriis Martin. Liaj dentoj iom klakis de febro. Li ne povis ĝisatendi la pafon, je kiu li sopiris, kaj li ne volis de la ŝtelĉasisto mokon kiun li ne imagis antaŭe.

»Ĉu vi pensas, ĉasisto Martin, ke mi estos nobla kaj ke mi ne pafos ? Nu, sed se mi pafos ? Se mi celos ĝuste en la mezon de via malamata frunto ? Kaj se mi ekpafos ? Adiaŭ, mondo ! vi povas ekĝemi. Mi postrampis vin.. Mi trovis vin. Ke mi estas sen pafarmilo ? Mi ekfajfos kaj la kamaradoj tuj venos. Kaj estos sufiĉe da armiloj. Kion signifas hodiaŭ pafo ? Oni pafas centfoje. La kulpo ne estos mia. Kiu ajn el la ĉasistoj povis vin trafi. Eble la princo mem bonvolis ekspedi la pafon en vian estimatan frunton. Kiu divenos, ke tio mi estis ? Vi bonvolis min kripligi. Vi estas prava, hodiaŭ estas mia vico !«

Novák levis malrapide la pafilon.

La vizaĝo de Martin maldolĉiĝis. Glaciiĝinta trajto pentriĝis ĉirkaŭ liaj tremantaj buŝoj. Laca kaj trompita esprimo kuŝis sur lia tuta vizaĝo. Ĉio, kion parolis Novák, lin tedis. Li volis purecon de sentoj, renaskiĝon de tuta animo eĉ en la momento de morto kaj Novák parolis al li pri malnoblajoj.

Lia partnero trompis lin. Sed la ŝtelĉasisto per viglaj okuloj kaj pliakrigita percepto rimarkis, kiamaniere malleviĝas la buŝanguloj de la ĉasisto, li komprenis, ke tiu ne atendis de li animnoblecon, li eksentis, ke tiu malestimas lin, ke tiu malestimas lin en tiu momento pli kaj pli, ke tiu bedaŭras, ke li ne ŝparis siajn sentojn por iu pli nobla kaj inda je ili.

Li klinis la kapon sur la bruston kaj ankaŭ en lia brusto degelis kaj io dimanĉe festa varmigis lin en la koro kaj levis lin alten.

Li diris :

»Pardonu al mi, pro Dio,« kaj mallevis la pafilon en la kampon de balanciĝantaj tusilagoj, kvazaŭ dirantaj insiste kaj obstine : »Ne, ne, ne !« sen ke oni povus ekscii kial.

Ĉasisto Martin rekonis el la flagrantaj, novan ekkonon englutantaj okuloj de la ŝtelĉasisto, el lia humile klinita kapo, el voĉo, plene dronanta en dolĉaj sindonemaj sentoj, ke la ŝtelĉasisto ekkomprenis.

Li diris :

»Pardonu ankaŭ al mi, pro Dio !«

Li etendis al li brakon.

Ankaŭ la ŝtelĉasisto ekmarŝis antaŭen.

Ili premis reciproke la manojn, malmole kaj firme.

Ankaŭ la larmojn, kiujn ili plorus, ankaŭ la amon, kiun ili esprimus al si reciproke per ĉirkaŭpreno : ĉion ili kaŝis en tiu ĉi manpremo.

»Ĉu vi pardonis al mi ?« demandis Martin la ŝtelĉasiston kun liberiĝinta voĉo.

»Mi pardonis al vi !«

Ili premis ree la manojn kaj disiris.

La ŝtelĉasisto malaperis inter arbustoj.

Ĉasisto Martin ekspiris kaj revenis el ia fremda sfero sur la teron, sur la amatan, ekĝojantan teron.

Li ekmemoris, ke li estas ĉasanta, ke li malfruiĝis, ke oni sentos lian mankon.

Li eklevis la pafilon kaj ekmarŝis tra malvasta vojeto inter arbustoj.

Kote moliĝinta argilo estis gluanta al liaj ŝuoj.

Densaj muroj de rustaj karpenoj, alnoj, jasmenoj kaj viburnoj ombris la ĉirkaŭvidon en la pejzaĝo.

Ĉasisto Martin ne rigardis la pejzaĝon, li rigardis al la milda luma ĉielo.

La suno trapenetris la karpenaron, metis palajn lumetojn al la piedoj de la ĉasisto, ektuŝis lian varmiĝintan vizaĝon.

Li varmiĝis kaj ekĝojis kaj li surprizis sin ĉe tio, ke li ekkantas nedifinitan, ĝojan kanton, kiu depost printempo ne eksonis el lia gorĝo. Li kantis, kvankam li sentis, ke lia brusto ankoraŭ doloras pro la pasintaj turmentoj.

El la ĉeha : *Ant. Jandik.*

*Ruzena Svobodová* naskiĝis en la jaro 1868 en Mikulovice (Moravujo) kaj mortis en la jaro 1920. Ŝi apartenas al plej bonaj modernaj ĉehaj verkistinoj. Ŝi estas verkistino realista, kiu ĝoje interesiĝas pri la vivo kaj ĝia elementa esprimo. Ŝiaj plej bonaj verkoj, romanoj kaj noveloj, estas : »Sur sabla tero«, »Amatinoj«, »Sankta printempo«, »Heroa kaj senhelpa infanaĝo« kaj multaj aliaj. Al ŝiaj plej bonaj verkoj apartenas »Nigraj ĉasistoj«, kolekto de noveloj, el kiu estas ankaŭ la supra novelo.

# N. Hohlov: La Tajdo.

**Ludoviko Totsche, Budapest**

»De la musique avant toute chose...« — jen la moto de la poemlibro de Hohlov. Ĉu prave? Ĉu vere oni trovas en ĝi »muzikon antaŭ ĉio« sentimentojn apenaŭ ilustreblajn per vortoj, korespondojn nemotiveblajn, eternan muzikon de efemere forglitantaj momentoj? Ĉu la aŭtoro estas disĉiplo de Verlaine?

Mi devas kontraŭdiri. Certe, multfoje nin kaptas dolĉe muzikaj sonoroj en ĉi tiuj versoj, sed la muziko en ili ne estas »antaŭ ĉio«. Ĝi estas sole subpentro de tre klare esprimitaj sentoj, tre akre konturitaj pensoj. Kaj kelkfoje la poeto ekbatas la kordojn krude, por akordoj laŭtaj kaj akraj, kvazaŭ alarmo aŭ veokrio.

»La lirikon mi ne kreas, min *obsedas* la liriko..«

diras la poeto pri si mem. Kaj la unua vorto, kiu venas sub mian plumon parolante pri li, estas la vorto *obsedo*. Nun mi ekmemoras, ke ankaŭ Kalocsay skribas en sia rondelo pri li:

»La himnon karnan kun pasio
*Obsede* kantis al ĉiel'...«

Ia obseda sopiro pulsas en ĉi tiuj poemoj. Sopiro je amo ĉasta kaj fidela, je amo flagra kaj volupta, je la rompiĝinta pasinto, je la marmore perfekta, neatingebla belo, je la grandaj homaj idealoj. Kaj ankaŭ ia obseda melankolio sidas sur tiu ĉi spita animo. Kaj la *tajdo* de lia poezio alfluas kaj refluas inter sopiro kaj rezigno, idealo kaj karno:

Mi levas mian kapon en ĉielon,
Sed per piedoj staras sur la ter',
Nur idealojn vidas kiel celon,
Sed nutras min la krudreala ver'.

Sur montoj kreskas mia sorĉa floro,
Sed en la valoj kreskas mia pan',
Altiras la animon ĉiu foro,
Sed ankre tenas ĝin la karna man'.

Kaj ĉi tiu tajdo, kiel li mem priskribas ĝin en la unua poemo, per senĉesaj ondobatoj sieĝas la rokon de lia animo. Kaj la ŝaŭmbolon de la batalaj ondoj akompanas »karmanjola fajfo de l' siroko kaj demoneca rido de l' siren'«.

Delikata, sed intensa erotiko vibras en la liriko de Hohlov. Ĝi estas tiu universala inundo de l' seksa sorĉo, en kiu forviŝiĝas la limoj inter karna sopiro kaj estete plezuro, en kiu korpo kaj animo sin lasas porti senreziste per la potenca vivrivero — fluanta en la morton. Eble plej klare oni sentas ĉi tion en la Luna Ebrio,** kie la sorĉo simbolas la lunatikecon de la eterna amtento:

Jen — ĝi brilas, mia luno,
Virgomaska amlucerno,
Nuda mamo el latuno,
Iritilo de l' eterno...

Jen — ĝi trenas, pala torĉo,
Tra l' cipresoj ombran langon —
Kaj la tero sub la sorĉo
Paroksisme verŝas sangon.

Jen — ĝi tiklas kaj sufokas,
Estingante ĉiun honton,
Jen — ĝi vokas, laŭte vokas:
Serĉu, kaptu kunĝuonton.

Vivajn korojn ligas pare
La magia lunsonato
Por oferi suraltare
Al Eroso kaj Hekato.

Alifoje la sopiro je esprimo, kvazaŭ la erotiko de vortoj, la ebrio de meminterpreto diktas al li versojn, kiuj frapas niajn vangojn kvazaŭ spirego de ekstazo:

Miaj strofoj volus vindi sveltajn formojn de Venuso,
La plastikon de statuoj de l' antikva kulta bel',
Bronzan nudon de la landoj, simbolitaj per lotuso,
Fantazian eldoradon de la ravo kaj fabel'.
Mian himnon al la karno, al patrino de l' spirito,
Kantas ĥore la plej lumaj anguletoj de l' anim...

Alifoje la rezignacio pri la unua amo, pri ĉi tiu »unika floro«, diktas al li amaran spiton, vipajn vortojn kontraŭ si mem: ridinda Ahasvero, kiu vane serĉos la dolĉan animekvilibron de la unua feliĉo, vane pelos ĝin tra venenaj kisoj, delogitaj viktimoj, kalikoj vinaj kaj absintaj, »vizaĝoj kaj vizaĝoj kaj ciferoj«:

Baraktu sur la sablo de l' areno
Kaj kapturniĝu kun kvikanta kri',
Maljuna, kompatinda arlekeno,
De la pasinto sklavo kaj pari'.

Ĉi tiuj »vizaĝoj, vizaĝoj kaj ciferoj« tamen eksonigas kordon tie kaj tie ĉi sur lia liro. Kaj, malgraŭ la iom kurblipa admiro al ĉi tiuj pasemaj idealoj, momentaj ekplaĉoj, lia fantazio vestanta ĉion per belo, ĉiam trovas pri ili kelkajn frapantajn, kelkfoje ĉarme petolajn versojn. Eĉ du neforgeseblajn poemojn. La unu estas la Karnavala Romanco, kie tra la triviala jazbanda tumulto de dancantoj pasas fiera belulino, kvazaŭ vizio de marmorbela greka diino, kiun li

sekvis rigarde, sen dezir', sen espero,
Kun la mano rigida ĉe l' kor'.

Kaj la alia — la Vintra Fabelo, ĉi tiu hela, sonoriltinta idilio sub la frostblua vintra ĉielo en la sledo, svelta sledo, post amuza kabaredo, kie

....(li) veturas, aventuras, la ĉevaloj fluge kuras
Sub la stela miriad'.
En sereno de l' ebeno malaperas la fadeno
De la glata vintra voj',
Mia Nita, am' subita, de la frost' ebriigita
Alpremiĝas en la ĝoj'...

... kaj tiel plu, ĉiam kresĉende, ĉiam pli vigle, pli freŝe, pli muzike, ĝis la fino:

* Eldonis: Heroldo de Esperanto.

** La poemon mi citas ĉi tie nur fragmente. Laŭ mia sento: ankaŭ tiel ĝi estas perfekta peco, eĉ, eble pli perfekta, ol en sia kompleta formo. La lastajn du strofojn mi sentas nepre superfluaj.

Unu sono, unu juno, la unua febra kuno
Kaj magia stelpoem'...
Mia Nita, am' subita, de la frosto rozkisita
Ĉion kronas per alprem'!

Kaj tamen, — li sentas sin ekzilita en la mondo de la natura ĝojo de knabino; li vivas ermite en sia propra mondo, al kiu ŝin ne povas gvidi vojo. En ĉi tiu transcenda mondo li eble ĉiam ankoraŭ provas larmverŝe revivigi tiun »unikan floron« velkintan, kaj, (en la koro — amara obsedo, en la haroj — tro frua arĝent') li demandas sin:

Kial longe li sidas vespere
Super iu malnova portret',
Kaj, statue-senmova ekstere,
Perdas larmon en peza kviet', ?

Kial nokte marŝadas sur strato,
Kun kolumo levita, sen cel',
Per la paŝoj de hom-aŭtomato,
Sub albrove tirita ĉapel'?...

Sed subite kia pugnobato sur la kordojn! Jen, »el nekonataj, ŝlimaj abismoj de l' animo« kantas la bardo en nia epoko. La tempo ne favoras la poezion. Baraktas la mondo! Kaj la poeto, kies liro estis agordita por milda, mola muziko de jen melankoliaj, jen petolaj sonoj de la sentema memliriko, nun estas obsedita de la komuna mizero, kaj antaŭ liaj febraj okuloj fantomaj vizioj galopas for: sangaj standardoj, falintaj gilotinoj; lin inkubas grincado de dentoj, metalo de fanfaroj, stertoroj, veoj, lamento de ploristinoj:

Analojn postlasitajn de gentoj kaj prauloj
Mi sentas en angoro tra tempoj kaj nebuloj,
Antikvaj krimoj pete al ni etendas manojn
Kaj forgesitaj lingvoj malbenas la tiranojn...

La tuta, senĉesa sinsekvo de krimoj, kiun oni nomas mondhistorio, inkubas en la tondraj strofoj de poemo *Eŭropo*. Kaj montrante per fingro al la nuda »krimulin' Eŭropo« li elkrias, fandante ĉiujn malproksimojn en profeta ekstazo:

Aŭskultu do, Azio, mamnutristino nia,
Afriko sfinkse muta, tribar' Oceania,
Gemela kontinento de ambaŭ Amerikoj,
Kunfratoj de l' estonto kaj dumaj malamikoj
Aŭskultu kaj konfidu la jam proksiman horon...



*Brinkman kaj van der Vlugt: Fabriko*

Ĉi tiu grandioza poemtrombono estas unu el la plej potencaj Esperantaj poemoj!

*

Granda promeso kaj multa plenumiĝo estas tiu ĉi volumeto. La aŭtoro sentas la lingvon en la pulso, perfekte estras la formon, liaj ritmoj estas freŝaj kaj sane pulsantaj, liaj rimoj estas novaj kaj ofte surprizaj. Li havas freŝajn ekpensojn, plaĉajn metaforojn. Kiu ne sentus agrablan eksciton, kiam li parolas pri »mentodora kaj karese dolĉa vento«, kiam en sia belega poemfresko »Duelo« li malkovras en la skermanta virino »mikson el tigro kaj mimoz'«, kiam li pasas tra la valo al la »lazura, sonvelura pastoral'«, kie lin ĉarmas:

Fragoj, framboj, ciklamenoj,
Mentoj, kvastoj malvaj,
Inter alnoj kaj fraksenoj
Grizaj rokoj kalvaj,
Fringoj, fringeloj,
Pepaj kvereloj,
Zumeta bruo —
Paruo!

Aŭ kiam li vizias por si la mortintan Sappho:

...Algoj ornamas la harojn, konkoj surŝutis la bruston,
Kaj sur la liro rigida fingroj graciaj ripozas...

Aŭ kiam kun poeta fiero li diras pri siaj versoj:

Semo hodiaŭ jetita arbiĝos, proklamos la vivon,
Super la koro kaptita formante ensorĉan ogivon...

Multon tian mi povus ankoraŭ citi, vortojn kaj versojn daŭre restantajn en memoro. Tamen mi devas ne prisilenti, ke ĉi tiuj belaj versoj ofte sidas en mal-pli bona poemo. Ĉi tiu volumo estas la unua volumo de la aŭtoro, kaj li ankoraŭ ne tute lernis *fari* la poemojn. Kie lia inspiro sufiĉis nur por sola ekpenso, aŭ por nuda temo, tie ne ĉiam li povis krei al ĝi la tute egalvaloran kadron. Tia manko de kompleta prilaboro restigis ekzemple en la Luna Ebrio la superfluajn strofojn, malpliigis la ĉarmon de la Roza Ordeno, Maltrafa Pafo, Blua Kiso, Responde. Sed kie li ne bezonis garnajon, ĉar la potenca inspiro sufiĉis por la tuta poemo, trenante kun si la poeton nekontraŭstareble, tie la poemoj estas vere neforgeseblaj travivaĵoj de la esperanta versleganto. Mi citu el ĉi tiu perloj: Chante-claire, Sur la Slijeme, K. de Kalocsay, Dies irae, Al Julio Baghy, Duelo, Mia vojo, Karnavala Romanco, Vintra Fabelo, Eŭropo.

*

Konturojn de interesa kaj profundsenta poeto rivelas ĉi tiu volumeto. Ĉi tiujn konturojn, kvazaŭ trabaron de granda kaj bela konstruaĵo, sekvantaj volumoj devus plenigi per brikoj, statuoj kaj freskoj. Ĉu ni ricevos ilin?

La poeto silentas. Li elkriis sian saluton al la heroldo matena:

Poeto kaj koko anoncu alvenon de ĉiu aŭroro!

Estas mallume en la tuta mondo. Plumba dormo ŝtopas la orelojn ĉie. »Tro frue, tro frue vi krias, ankoraŭ forestas la lumo, eĉ unu radio ne strias!«

»Egale!« Li kriis tiam al la »gaŭlo orpluma«.

Kaj nun?

Ĉu falis la trulo el lia mano? Ĉu, kiun tiel verve li komencis, eterne stumpa restos lia

»Monumento postlasita sur la vojo el Eden'«?

# Arto poezia

C. E. R. Bumy

I. ĉapitro

Jen, post Horac', Boileau, Gautier, Verlaine,
Nun ankaŭ mi, tre profesormiene,
Didaktan liron en la manon kaptas,
Kaj ĝin por nia lingvo mi adaptas.
Aŭskultu!... ho, sed kiu ja aŭskultas?
Se eble kelkaj nun ankoraŭ kultas
La poezion skribe — kiu lege?
Jes, la poemoj elmodiĝis ege!
Vendiĝas la romanoj, kvazaŭ pano,
Sur versojn — kraĉas la samideano.
Enhavon oni volas kaj ne formon,
La Belo taŭgas nur por trudi dormon.
La dolĉajn Muzojn kiu volus festi?
Ja manĝi oni volas kaj digesti.
Al la poeto oni fermas pordojn,
Rekordojn oni volas kaj ne kordojn.
Kiu bezonus la kristalajn frazojn?
Okazojn oni volas, nur okazojn.
Do, kara, se vi plaĉi havas emon,
Al la legantoj donu grasan temon.
Tumulton kaj sekreton kaj implikon,
Revolverpafon, aŭ ponardo-pikon,
Kaj ankaŭ pri la amo, sur la sceno
Okazu multa kuro, movo, peno.
Se vi, je l' fino, eble plej naive,
La grandan Nodon solvos detektive,
Kaj eĉ, krom tio ankaŭ Li Ŝin havos,
Mi estas certa, ke vi ĉiujn ravos.
Sed, se l' viando estus tre maldika,
Do, garnu ĝin per saŭco politika.
Sed gardu vin de l' arta mondsintezo,
La ĉefklopodo estu — la malpezo,
Jes, certe, oni ian novan Dante
Nun malsatmorti lasus, malŝatante,
Ne celu do al Novo malhumile,
Remaĉi — jen plej simple kaj facile.
Rekantu la »principojn«, kvazaŭ gurdo,
Ja oni flugos sur ĝin, kiel burdo
Sur la mielon. La sampartianoj
Elŝiros viajn librojn el la manoj.
Ne pensu, ke la hom' el viv' sufera
Rifuĝon serĉas en la art' etera,
Kaj sin baninte en la pura Belo
Refortiĝinte marŝas plu al celo.
Ne, se en vivo fartas li malbone,
Dum lego, same, volas sidi drone
En peĉo. Do, se vi lin ensidigas,
Sed per faden' esperi lin instigas,
Ke li elrampos el la peĉa mezo:
Ja certas al vi gloro — kaj enspezo.
Kaj, se en vivo li tro bone fartas,
Ne kredu ke li artajn belojn vartas,
Por li la arto estas tre senspica,
Li kuras post freneza ĝoj' kaprica,
Perdinte ĉian altan sentkapablon,
Li volas sole tiklon kaj agrablon:
Vulgaran farson, sensacion »skuan«,
Por distri sian ĝojon, jam enuan.
En libroj sian vivon serĉas ĉiu.
La vera kaj sentempa arto, sciu,
Postulas lernon kaj komprenan senton,
Sindonon, paciencon kaj atenton,
Do — por la pleb' ĝi estas troa dozo.
Por mens' malriĉa taŭgas nur almozo.

Kaj — ĉion diru plate, glate, rekte,
Nur nepre ne simbole kaj konjekte:
Danĝera estas tiu aĉa arto,
Ĝi la leganton ĝenas en bonfarto,
Ĉar lin devigas senti, pensi, peni,
Anstataŭ nur digesti, eĉ diveni.
Do, se vi volas la leganton plaĉi,
Vi devas al li ĉion antaŭmaĉi.
Ĉar revi kaj diveni nun la mondo
Ne havas tempon! La freneza ondo
De l' aktiveco tra la ter' sin rulas.
Kaj ĉiu agas, ruzas kaj spekulas,
Kuradas, penas, febre, en zigzagoj.
Jen la epoko de l' sencelaj agoj!
Jen la epoko de l' praktik' reala,
Racia tempo, kiu kun brutala
Potenco pruvis al ni novan veron:
Ke la abundo naskas la mizeron.
Inventoj ĉie, je miraklo pretaj
Sole la homoj estas etaj, etaj.
Kiel mil tigroj, hurlas megafono,
Sed ne valoras la enhav' de l' sono
Eĉ grilo ĉirpon. Fam' elektra kuras,
Sed nur malbonon novan ĝi aŭguras.
La tero ŝrumpis sub la flugmaŝino
En pilkon, sed ja restas la destino,
Ke, eĉ se l' astrojn mem la hom' trapontas,
Ĉe l' fluga fino — nur sin mem renkontas,
Kaj se malplena estis la animo,
Malplenon portos li tra l' mondsenlimo.

Sed — mia temo! Kie mi ĝin lasis?
Jes, se verkistajn laŭrojn vi ekĉasis,
Kaj volas al la laŭroj eĉ terpomon,
Ne kuru stulte post la bel-fantomon.
Pendigu vian liron sur la muron,
Kaj batu laŭtan politiktamburon,
Aŭ ektrumpetu sensaciojn bleke,
Aŭ flugmaŝine, trajne kaj ferdeke
Dispelu paron en la mondon vastan,
Kaj donu je la fin' la benon pastran,
Aŭ, se vin tedas tia arto »pura«,
Retiru vin al via tur' ebura,
Kaj dum la ventron tordos la malsato,
Konsolu vin la alvenonta ŝato,
La larmoj, kiuj vian tombon rosos,
Se viajn verkojn postepok' elfosos,
Kaj estos viaj versoj artornamaj
Ja nelegataj, sed almenaŭ famaj.

Kaj se afliktas vin ĉi perspektivo,
Ja restas al vi io en la vivo:
La Bel' sentempa, kiu trans mizero,
Malpura lukto, aĉa efemero
Konsole super via kapo ŝvebos,
Kaj vin allevos, se vi al ĝi strebos.
Kaj eble — havos vi kunulojn kelkajn.
La mondo — ĝuu sensaciojn velkajn,
Romanon interesan, filmspektaklon.
Vi — vartu en la koro la miraklon,
Ke povas la sonet' dekkvarlinia
Pli diri, ol volumo milfolia.

Redaktas:
Jean Forge-Fethke



## ĈU LA TEKNIKO VENKOS ESPERANTON?

Kiam la parolanta filmo el Ameriko invadis Eŭropon, kiam Al Jolson ekkantis sian faman »Sonny Boy«, kiam la orkestroj malaperis el la kinoteatroj, ekzistis multaj skeptikuloj, kiuj asertis, ke la parolanta filmo neniam sukcesos pro sia fremdlingveco. La problemo de la lingvo fariĝis tiam treege aktuala, ĉiuj fakaj filmgazetoj skribis pri tio, la plimulto menciis Esperanton kiel solvon, sed neniu el la filmpotenculoj riskis produkti la unuan pli grandan Esperantlingvan filmon. La publiko, al kiu oni prezentis nekompreneblajn filmojn, ofte protestis kaj fariĝis malamika al la sonfilmo. La situacio en malgrandaj landoj, precipe la slavaj, estas ankoraŭ hodiaŭ katastrofa. Bonajn filmojn oni produktas nuntempe nur en la angla, germana kaj franca lingvoj.



Nagy Kató

Tiam la Paramount kiel unua komencis fabriki en la laborejoj de Joinville apud Paris la diverslingvajn variantojn, dungante teknikan kaj aktoran stabojn el la diversaj landoj. La dekoracioj staris, la manuskripto tradukita en dek lingvojn estis la sama, la diverslingvaj trupoj kun siaj reĝisoroj sinsekve eniris la dekoraciojn kaj rapide turnis la koncernan scenon, dum alilingva trupo atendis jam sian vicon. Tia rapida amasa produktado ne sukcesis, la filmoj estis malbonaj, kaj la rezulto estas, ke Paramount en tiu ĉi jaro ne plu produktos variantojn.



Alfred Abel

Tamen la filmistoj de la grandaj filmproduktantaj landoj ne volas rezigni pri siaj profitdonaj najbaroj-klientoj, kiuj postulas pli kaj pli sialingvajn filmojn. Per eltranĉado de la dialogaj partoj, kiuj ofte estas la plej gravaj momentoj en la agado de la filmo, aŭ per surkopiado de mizeraj klarigaj tekstoj sur la bildon la problemo ne estas solvita. La teknikistoj-sorĉistoj senĉese cerbumas pri la forigo de la lingvaj malfacilaĵoj.

Nun fondiĝis nova societo *Topoly* (Tobis-Polyphon) en Berlin, kiu speciale okupos sin pri la sinkronigaj sistemoj. Oni diferencigu du specojn de l' produktprocedo. La unua tuj de komenco antaŭvidas plurajn variantojn.



Harry Liedtke

Ĉe tiu unua filmspeco oni pli kaj pli sekvas jenan praktikon: ke la samaj ĉefaj aktoroj parolas la diverslingvajn tekstojn, kiujn ili lernis parkere (ofte ne sciante perfekte la lingvojn), kaj ke oni fotografas nur iliajn lipomovojn. Poste en specialaj laborejoj oni sinkronigas tiujn mutajn parolantojn, oni submetas al iliaj lipomovoj la koncernajn vortojn, kiujn nun refoje parolas perfekta reprezentanto (-ino) de la koncerna lingvo. Tiu ĉi optika muta varianto, poste sinkronigata, pli kaj pli estas uzata dum lasta tempo. Jes, ĝi havas ofte eĉ kuriozan sekvon! Evidentiĝis jam, ke tiu aŭ tiu ĉi aktorino havas voĉon, kiu ne respondas al ŝia eksteraĵo. La malharmonio inter la korpo kaj la voĉo sentiĝas akre. La optika sinkroniga sistemo ebligas krei la novan artefaritan filmhomon, kies vizaĝon oni prenas de unu kaj kies voĉon oni prenas de alia. Estas sendube, ke oni tiamaniere povas plialtigi la artistan efikon kaj ke bela aktorino kun malbela voĉo denove havas ŝancojn por filmi.

Pli malfacila estas kompreneble la dua speco de la produktprocedo: filmo nur unulingva, kiun oni volas pro ĝia granda sukceso poste transponi en aliajn lingvojn. Sed ankaŭ tie ĉi la rezultoj ĝisnunaj estas jam surprize bonaj. La sistemo de kalkulado de silaboj, de pli- aŭ malplilongigo de la movo dum la kopiado kaj la el tio rezultanta ŝanĝo de la lipmovoj, la adaptado de la tekstoj poste redaktitaj laŭ precizega kalkulo, ĉio montras en lasta tempo grandan evoluon kaj progreson.

Ĉu estas mirige, ke la teknikistoj solvante pli kaj pli praktike la problemon de la multlingveco, komencas forgesi pri Esperanto? Ĉu en tiu ĉi kazo la tekniko fakte ne venkas Esperanton? Se iam ajn frapis la okulojn kaj la cerbojn la neceseco de internacia lingvo — tio estas sur la kampo de la sonanta kaj parolanta filmo. *Jen prezentiĝas por Esperanto ŝanco, kiu ne revenos duan fojon tiel baldaŭ.* Malgraŭ la forta tendenco redukti la dialogon al minimumo, la vorto restas kaj restos en la filmo.

Kio rezultas el tiu optika sinkroniga sistemo por Esperanto? Estas verŝajne, ke la fabrikado de la diverslingvaj variantoj iom post iom malkariĝos. La risko (legu: la kostoj) de Esperantlingva varianto malpligrandiĝos, la perspektivoj fariĝos por ni pli bonaj. Ni ne timu, ke la teknikistoj per tia pure teknika solvo de la lingva problemo forigos samtempe la necesecon de Esperanto kiel filmlingvo. Ĉio ja troviĝas ankoraŭ en eksperimenta stadio. Eble foje la Esperantaj organizaĵoj mem povos mendi tian Esperantlingvan varianton de granda filmo kaj pagi la plikostojn.

La filmo estas evoluanta daŭre, akceptanta novajn formojn, batalanta konstante kontraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, kiuj baras la vojon al internacia signifo, kian ĝi havis sendube dum sia muta periodo. Kaj ĉu ne estas nun plej urĝa tempo por ni, direkti nian tutan forton, nian plej sisteman propagandon al tiu ĉi nova ĝis nun apenaŭ tuŝita de ni kampo de la filmo?



Holanda aktorino: Lien Deyers

Ĉu vere vi kredas, ke la filmpotenculoj venos mem al ni? Neniam —! Ĉar ili ja nenion scias pri ni, *ili ja ne havas imagon pri la granda disvastiĝo de Esperanto!*

Sed kiam ni montrus al ili nian pri-Esperantan propagandofilmon (kiun ni proponis en antaŭa numero), kiam iliaj okuloj kredantaj blinde nur al la sorĉa ekrano vidus la Esperantistajn amasojn, niajn kongresojn, la disvastiĝon de Esperanto tra ĉiuj lokoj de la terglobo, tiam povus okazi, ke unu el tiuj potenculoj dirus: »De mia venonta grandfilmo mi riskos turni ankaŭ unu kompletan Esperantlingvan varianton!« *jf.*

# *FILMOBSERVO*

## PIERRE COLOMBIER-PUJOL: LE ROI DES RESQUILLEURS.

Filmo tiel gaja kaj sprita, ke oni devas ridi senĉese. Kaj atentinda filmo pro tio, ke ĝia efekto ne rezultas el la vort-spritaĵoj, sed el la bonegaj humoraj bildsituacioj, el veraj filmspritaĵoj. La reĝo de la *resquilleurs,* la aktoro *Georges Milton* en la rolo de »eterna kombinisto« Bouboule entuziasmigas ĉies koron, kiam li ekkantas sian ritman kanton »J ai ma combine...« Li estas la komika heroo, kiu neniam kaj nenie pagas, sed ĉiam kaj ĉie partoprenas la ĝojojn kaj ĝuojn, kiajn prezentas la vivo kaj por kiuj oni ĉiam kaj ĉie devas pagi... Li scias sprite trompi la biletkontrolistojn, la kelnerojn, la policistojn, por partopreni ses-tagan biciklo-vetkuradon. Li trovas sian »kombinon« en plej danĝera situacio kaj elturniĝas, kaj ĉar li faras ĉion pro amo kaj kun tiaj delikataj serenaj eleganteco kaj sprito — la publiko tuj ekamas lian *monsieur Bouboule.*

La filmo montras la gajan Parizan sportvivon, boksejon, banejon, la kriegantajn popolamasojn, bonegajn tipojn de sportentuziasmuloj, la entuziasmon, manklakadon, fajfadon, kriadon en la salonego de la bicikla vetkuro — ĉion kun plej perfekta sontekniko! La aŭtoroj kaj reĝisoroj *Pierre Colombier, Pujol* kreas atmosferon de senĉesa serena komikeco, evitante tute sentimentalaĵojn aŭ seriozaĵojn, kaj tamen ili restas malproksimaj de la ofte ŝablona amerika humoro. La franca spirito kaj sprito triumfas en tiu ĉi filmo!

*Étienne.*

## ERIC CHARELL: LA KONGRESO DANCAS.



Eric Charell

Tiu ĉi filmo estas — unu grandega pompa revuo! Revuego de brilaj kostumoj, de belaj virinoj kaj viroj, revuo de moviĝantaj homamasoj, rekvizitoj, pejzaĝoj, kiuj fluas, ŝvebas, turniĝas, vivas sur la arĝenta ekrano! La brila glora pasinteco de Vieno ĉirkaŭ la jaroj 1814/15 reviviĝas en bildaro, kian krei kapablas nur genia cerbo de fantazia pentristo-sorĉisto. Kaj tiu sorĉisto-reĝisoro nomiĝas Eric Charell.

Sceno ĉasas scenon, la atmosfero de la tiama petola Vieno estas majstre kreata, kiam el la melodio de la *Heurigen-kanto,* el la violonaj karesaj voĉoj kaj knabina rido, el ebriaj ĝojkrioj, el balancaj ravaj muzikaj tonoj kreskas la moviĝo, kiam la granda kongresa balo komenciĝas kaj ekprenas la rigardanton, kunŝiras lin en sian valsan ritmon, kiam la tuta urbo ŝajnas kanti, ridi, babili, leviĝante per la flugiloj de la vin- kaj danc-kanto...

Lilian Harvey kaj Willy Fritsch estas la aktora paro, kiu ludas en tiu ĉi fabelo, apud ili tuta aro de plej prominentaj geaktoroj, inter kiuj mi citas Conradt Veidt kaj Lil Dagover. Lilian Harvey aminda ĉarma knabino, malriĉa Viena knabino, estas la enkorpiĝo de revo-figuro, al kiu flugos milionoj da koroj. Neforgesebla, eble kulminacia punkto de reĝisora majstreco fariĝas ŝia kaleŝa veturo tra la belega pejzaĝo al la rava vilao, kiun al ŝi donacis la caro Aleksandro. Teknika miraklo, muzika sorĉaĵo.

La UFA per tiu ĉi filmo, kies produktado kostis fantazian sumon, brile montras, ke la sonfilmo povas doni efektojn, povas enhavi artistajn efikojn kaj ĝuojn, kiajn neniam donis la muta filmo, kiajn neniam povas doni la hodiaŭa teatro! *S. C. H.*



# SUR LA MARĜENON DE „SINJORO TADEO“

LIDJA ZAMENHOF, WARSZAWA

Kiam la pordo de ekzilo brufermis sin post la granda pola poeto, Adam Mickiewicz, kiam li troviĝis sur fremda tero, inter fremdaj homoj, tiam kiel homo, proksima al morto, li komencis vivi — almenaŭ por certa tempo — por rememoroj.

Kvazaŭ vizio, elvokita per potenca ordono de sorĉisto, reaperis antaŭ la poeto la hejmlando, la feliĉa lando de infaneco, kaj ĝi staris antaŭ liaj okuloj, kaj estis transdonita al aliaj, ĉarmanta, ravanta, adorata.

Sed tiom pli sangis la koro de Mickiewicz. Ĉar li sciis, ke nun tie funebro okupis la lokon de sereneco, ke silentas najtingaloj, dum rondflugas super ili akcipitroj. Li ja mem estis najtingalo, kaj kiel najtingalo, eĉ en plej granda malfeliĉo, sentis urĝon al kanto.

Li neniam vidis sian patrujon feliĉa. Li venis en la mondon, kiam en Polujo jam regis la nokto de sklaveco. Sed en tiu nokto ekfulmis foje brilo de espero. Ĝi estis en la napoleonaj tempoj, kiam tiu

*. . . . . . . di' milita*
*En regimentoj-nuboj, milkanon'- armita*
*Aglojn orajn, arĝentajn, al batala ĉaro*
*Junginte, de libia dezert' ĝis Alparo*
*Flugis kaj tondre-ĵetis li fulmon post fulmo*
*Ĉe Piramidoj, Tabor, Marengo, ĉe Ulmo.*
*Aŭsterlic. Post kaj antaŭ li kuris Konkiroj*
*Kaj Venko.*

Kion sentis la tuta pola nacio, kiam en 1812 Napoleono direktis siajn paŝojn kontraŭ Moskvo, kiam la liberiĝo de Polujo ŝajnis tiel certa, kiel leviĝo de suno post nokto, neniu iam esprimis pli inspire, ol jarojn poste Mickiewicz en la XI-a Libro de Sinjoro Tadeo :

*Jaro, kiu vin vidis sur litva kamparo !*
*Ĝis nun popol' vin nomas bonrikolta jaro,*
*Kaj soldatoj — milita ; ĝis nun la maljunaj*
*Pri vi babilas ; kantoj vin gloras eĉ nunaj.*
*Delonge vi mirakle estis anoncita*
*Inter popol', de fluga amo antaŭita.*
*Printempa suno naskis en litvana koro*
*Mir-antaŭsenton, kvazaŭ de mondfina horo;*
*Ĉiuj atendis ion sopire kaj ĝoje.*
*Printempo ! kiu vid's vin sur la kamparo !*
*Memorinda printempo de l' milita jaro !*
*Printempo, kiu vidis vin tiel florantan*
*Per la grenoj kaj herboj, per homoj brilantan,*
*Event-plenan, gravedan de l' esper' ĉiela !*
*Mi vin ankoraŭ vidas, sonĝ-vidaĵo bela !...*
*Mi, naskita sub jugo, vindita en fero,*
*Havis nur unu tian printempon sur tero.*

En tiu tempo de atendoj kaj esperoj vivas, amas, malpacas kaj ĉasas la herooj de Sinjoro Tadeo. Ne pli malfrue. Ĉar baldaŭ la printempo de nacioj ŝanĝos sin en la teruran vintron de 1812. Eble Zonjo vane atendos la revenon de Tadeo. Eble li restos tie for, sub neĝo, eble funebro kovros la blankan soplicovan domon — sed dume ankoraŭ vivas esperoj. Dume ankoraŭ vivas esperoj. Dume ankoraŭ ludu, maljuna Jankjel, vian cimbalan koncerton super koncertoj, agordu ĝoj-triumfe vian instrumenton, ke ĝi sonigu la marŝon de Dombrowsky, ke ĝi elsorĉu la vizion de venko, triumfo kaj libereco.

El inter la muroj de Parizo, per la potenco de sopiro kaj amo, la animo de la poeto transportiĝis en la malproksiman, tiel amatan, kaj neniam plu revidotan Litvon. Ĝi flugis

*Al monteloj arbaraj, herbejoj verdantaj,*
*Larĝe apud lazura Njemen tiriĝantaj,*
*Al la kampoj, per greno diversa pentritaj..*

kaj konstruis tie nobelan domon, plenigis ĝin per personoj junaj kaj maljunaj, prudentaj kaj malpacemaj, fidelaj al la malnovpolaj tradicioj kaj sekvantaj novajn, francajn modojn, inspiris ilin per ĉiuj homaj pasioj, vestis kelkajn per ridindaj ecoj, kaj kreis la senmortan epopeon »Sinjoro Tadeo, aŭ la lasta armita posedopreno en Litvo.«

Se vi volas ekkoni la polajn tipojn el la komenco de la 19 jarcento — legu Sinjoron Tadeon. Se vi volas scii, kion amis tiuj homoj, kiel sin amuzis, kiajn gustojn havis — legu Sinjoron Tadeon. Se vi volas scii, kio ilin ĝojigis, kio ilin premis — legu Sinjoron Tadeon.

Jen ĉasista pasio ekscitas ilin — rigardu la bildon : ĉe la tablo jen ĉiam pli vigla diskuto — kiu hundo unue ekkaptis leporon : ĉu Falko, aŭ Stumpulo.

La diskuto ne ĉiujn egale ekscitas. Malnovajn tempojn kaj maljunajn ĉasistojn rememoras Vojski. Li mem, malnovdatulo, leporojn ne postkuras :

*Mi nomiĝas Hreĉeĥa : ekde reĝo Leĥo*
*Post la leporoj kuris neniu Hreĉeĥo.*

Sed ankaŭ pli seriozajn ĉasojn vidis la litvaj praarbaroj. Litvaj arbaroj !

*Kiu vin tutesploris, abisma profundo*
*De litvaj praarbaroj, ĝis mezo, ĝis fundo ?*
*Fiŝisto borde sondas la fundon de l'maro ;*
*Ĉasist' rondiras cirkaŭ litva praarbaro :*
*Li konas nur supraĵe la formon, eksteron,*
*Sed neniel internan de l' koro misteron.*
*Kio en ĝi okazas ? Scias nur fabeloj...*

Sed jen el la densejo, el la sovaĝejo, aperis urso. Ĉaso ! ! !

Kaj kiam la peza, sanga kadavro de la besto jam kuŝas sur la tero, ŝirata de hundoj, laŭ malnova ĉasista kutimo Vojsky ekludas kornon. Per triumfa himno li anoncas la venkon, sonbildante la ĉason :

*Ĝem' post ĝemo hurletas : jen hundoj-ludado,*
*Iam tono pli akra tondras : jen pafado.*

Kaj eĉ, kiam li ĉesis

*...pensis aŭdantaro,*
*Ke li ludis — sed ludis — eĥo tra l' arbaro.*
*Kiom da arboj, tiom da kornoj sin trovis,*
*Kaj kiel ĥoroj eĥe la kanton reblovis.*
*Sonis muziko ĉiam pli vasta, pli hela,*
*Kaj ĉiam pli mallaŭta, pli pura, pli bela,*
*Ĝis ie, sur la sojlo ĉiela, ĝi svenis !*

Kaj dume jam bigoso varmiĝas en kaldrono : la granda ĉaso finas sin per ĉasista festeno.

Ankaŭ amindumado kaj amo ludas nemalgrandan rolon en la epopeo.

Jen Telimeno, ridinda pro sia france-petersburga eleganteco, koketas jen Tadeon, jen la Grafon, jen ilin ambaŭ kune, preta eĉ en la fianĉiĝa tago ŝanĝi la edziniĝajn planojn. Jen la amo de Tadeo kaj Zonjo — dolĉa, idilia amo, kreskanta kun kampaj floroj kaj ĉarma per iliaj aromoj. Jen la Grafo-romantikulo, heroo de ia kavalira aventuro ie for ĉe Birbante-roko, per romantikaj okuloj rigardas la mondon kaj per romantike-pompaj vortoj salutas nimfon kiu paŝtas anserojn. Sed super ĉiuj kaj super ĉio, kiel resonoj

de pasinta fulmotondro, eĥas rememoroj de dramo, okazinta antaŭ jaroj en malnova, nun duone ruinigita kastelo, de amo ne kampare idilia, sed vualita per tragika ombro, riĉa je sango, naskanta malamon, rompanta, detruanta. Ni ŝteliru post Gervazo kaj la Grafo inter la malgajajn murojn de la kastelo, ni pasu tra la solecaj galerioj, por aŭskulti la sangan historion, kiun al la lasta el Horeŝkoj rakontas la lasta horeŝka Ŝlosisto :

*Mia sinjor'. Tablestro, alt-familiano,*
*Riĉule, estis patro de unu infano,*
*Filin' anĝele bela : pri fraŭlin' tiela*
*Svatiĝis grandsinjoroj' kaj aro nobela,*
*Inter nobeloj estis brulkapulo granda,*
*Jacek Soplica, ŝerce Vojevodo landa*
*Nomata.*

La magnato favoris Soplicon, ĉar li estis idolo de la distriktaj nobeloj : li havis post si ĉiujn iliajn sabrojn kaj voĉojn. Sed la amon de Soplica la Tablestro malfavoris : tradician nigran supon oni donis al la svatiĝanto signe de rifuzo. Kun doloro kaj venĝemo en la koro Jacek foriĝis.

Tio estis dum milita tempo. Rusoj ekatakis la kastelon, sed post tutnokta atakado, venkitaj, ili malorde forpaŝis. Ĝoja de venko, la Tablestro de la balkono rigardis la batalkampon, kiam

*Jus pafo el pordego... Tablestr' ekbalbutis,*
*Li ruĝiĝis, paliĝis, songokraĉe sputis :*
*Mi vidas : jen trafita brust' ! Ŝanceliĝante*
*Falis sinjor', per fingro pordegon montrante ;*
*Mi rekonis ĉi tiun friponon ! Soplica !*
*Laŭ kresko kaj lipharoj ! Lia paf' malica*
*Mortigis estron...*

Malglore la mortiginto forlasis la landon. Tempo pasadis famo pri li eksilentis. Li mortis, laŭkrede. Venis novaj tagoj, novoj homoj. Inter ili — monaĥo, pastro Vermo.

*...Monaĥ, laŭfigure*
*Perf'd's, ke ne ĉiam en kapuĉo sia*
*Li iris, nek en servo maljuniĝis dia.*

Fakte li estis sendito, kiu venis la patrujon, por tie helpe al Napoleono estigi leviĝon de la nacio kontraŭ rusoj. Sed privatuloj alikoloris liajn parolojn. La fervoron al publikaj aferoj la Ŝlosisto misdirektis (ho, malnova pola malvirto) al privataj celoj. Anstataŭ unuanima leviĝo de la nacio, unu parto de la nobelaro levis sin kontraŭ la alia kaj »Hejse je Soplico !« milvoĉe eksonis...

En batalo kuglo trafis pastron Vermon. Nun, sur la mortlito, la monaĥo malkovris sian longtenatan sekreton : li estis Jacek Soplica !

Monatojn poste venis Soplicovon la polaj legioj kaj sur lian modestan tombon metis la krucon de l' honor-legio ; por heroaj agoj en servo de l' patrujo Jacek Soplica estis rehonorigita. Forviŝita estis la makulo de la soplica familio. Samtage ankaŭ la du malamikaj familioj ligis sin per amikaj ligoj : Soplicovo festis la fianĉiĝon de Tadeo, la filo de Jacek, kun Zonjo, la nepino de la Tablestro. Kion iam malamo ruinigis, tion nun amo restarigis.

*Jes, jes, Protaĉjo, diris Ŝlosisto Gervazo,*
*Jes, jes, Gervaĉjo, diris Vokisto Protazo,*

kaj la du nepacigeblaj servistoj de la du malamikaj familioj unuafoje de multaj jaroj pace ektrinkis malnovan polan mielvinon.

La dramo de Jacek estas kvazaŭ kanvaso de la epopeo. Sed sur tiu kanvaso kiom da brodaĵoj ! Kiom da koloroj kaj tonoj !

Apud la nuba historio de Jacek — bonhumoro facila kaj eleganta. Post danĝera urso-ĉaso — ĉaso je formikoj, providencaj en malpaceto inter Telimeno kaj Tadeo. Ĉar kiam Telimenon, sidiĝintan sur formikeja vojeto, ekatakis la insektoj, kiam ŝi devis forkuri, ilin forskuadi, fine sur herb' sidiĝi kaj insektojn ĉasi —

*Ne povis ja Tadeo sen helpo ŝin lasi.*
*Purigante robeton, li teren kliniĝis,*
*Al ŝia frunt' okaze per buŝ' proksimiĝis..*

Aŭ, ĉu ni povas ne ridi pro la disreviĝo de la romantika Grafo, kiam responde al la kavalira deklaro, farita al nekonatino :

*Al gesto via de ĉi horo*
*Obeas mia brako, kiel mia koro —*

ŝi petas lin nur — repeli en la grenon la diskurintan birdaron ?

Kiam oni legas Sinjoron Tadeon, oni sentas, kvazaŭ ĝi estus verkita de pentristo, tiel brila ĝi estas per formoj kaj koloroj, tiel natursimilaj estas la pejzaĝoj. Por granda artisto ne ekzistas malgrandaj temoj. Eĉ la nubema pola ĉielo malkaŝas al li trezorojn de iluzioj.

*Kiom da vidaĵoj,*
*Kiom da scenoj, bildoj ludas la nubaĵoj !*
*Ĉiu nubo — alia : aŭtuna ĉi tie*
*Pluve-graveda rampas, laŭ maldiligenta*
*Testudo, kaj delasas ĝis ter', longastric,*
*Malplektitajn harligojn da pluvo torenta ;*
*Vento pelas hajl-nubon, al balon' similan,*
*Rondan, malhele-bluan, meze flave-brilan ;*
*Granda bruo ĉirkaŭe ; vidu, eĉ en niaj*
*Ĉiutagaj nubetoj ŝanĝoj estas kiaj !*
*Komence anseraro, blankaj cignoj velas,*
*Dorse vent', kiel falko, ilin kune pelas :*
*Ili premiĝas, kreskas — nova mirindaĵo !*
*Ricevas kurbajn nukojn, dislasas kolharon,*
*Elŝovante piedojn, sur ĉiel-arkaĵo,*
*Kiel ĉeval-tabuno trakuras steparon ;*
*Ĉiuj, arĝente blankaj, miksiĝis : subite*
*El koloj kreskas mastoj, el kolharo — veloj :*
*Tabun', en grandiozan ŝipon transformite,*
*Naĝas sen bru' sur blua eben' de ĉieloj !*

Per linioj pli plastikaj, per tonoj pli fortaj Mickiewicz pentras la tiutempan polan nobelaron. Lia verko estas kvazaŭ spegulo, en kiu bildiĝas la tipoj, kvazaŭ fotografa aparato, kiu fiksas ilin kaj konservas la bildojn por la postaj generacioj. Multe oni povus skribi pri la iame-pola nobelaro, pri ĝia flamiĝemo, ekscitiĝemo, senbrideco — neniuj priskriboj estus tamen pli elokventaj, ol tiuj sur la paĝoj de Sinjoro Tadeo.

Sceno en drinkejo. Pastro Vermo rakontas pri proksima milito, ĵetas fajrerojn de espero pri baldaŭa liberiĝo de Polujo. Ekflamas la koroj — kaj subite iu ĵetas flankvorton, kaj komenciĝas varma diskutado pri blazonoj kaj rangoj, poste — pri diversaj fasonoj de ĉapoj, »ĉamarkoj« kaj »taratatkoj« !

Aŭ la interkonsilado en la Dobĵina nobeletejo ! Tiaj, tiaj samaj estis la iamaj sejmoj, tia sama estis la ĝenerala nobela kriemo kaj la rapideco, per kiu, forgesante la publikan bonon aŭ maskante sin per ĝi, oni ekscitadis la publikan opinion kontraŭ ies privataj malamikoj ! Tiel same blinde tiu nobelaro, nepacigebla dum interkonsilado, sekvadis tiujn, kiuj sciis vortlogi ĝin, kaj ĝi emis, ekscitite, verŝi sangon

eĉ de fratoj-najbaroj. Ĉiuj tiuj malvirtoj, tiel vive prezentitaj de Mickiewicz, estis, grandskale, polaj naciaj malvirtoj, la malvirtoj, kiuj, post la interna putro de l' nacio, rezultis fine la terurajn batojn, la dispartigojn de Polujo. Ho, kiel pravaj estis la maldolĉaj riproĉoj de Macjek :

*Ho stultaj ! ho stultaj !*
*Vi stultaj ! Kulpa estos unu, pentos multaj !*
*Dum Poluj-revivigon. koncernis konsilo*
*Kaj publik-bonon, bruis malpaca babilo :*
*Ne estis eblo, stultaj, opinion diri,*
*Nek, por elekti super vi ĉefestron, ordo.*
*Tamen, stultaj ! se iu volas vin inspiri*
*Per personaj rankoroj, stultaj ! tuj konkordo !*

Ĉiuj naciaj malvirtoj ne sukcesis tamen en la pola animo estingi unu virton — amon al la patrujo.

*Polo, kiu pro tio ĉe popoloj famas,*
*Ke pli ol vivon, sian hejmlandon li amas,*
*Ĉiam pretas forlasi ĝin, sur fremda tero*
*Travivi longajn jarojn en vaga mizero,*
*Batali homojn, sorton, dum en tondr-vetero*
*Lumas al li pri servo al Patruj' espero.*

Kaj tie, trans Njemeno, jam atendas samlandanaj legioj, jam pretiĝas por iri Rusujon, jam preparas sin al granda milito, milito por Polujo.

Monatojn poste, enmarŝe al Moskvo, ili haltas denove en Soplicovo, kaj tiam estas en Soplicovo granda festo : oni tute forgesos ĉiujn privatajn kolerojn kaj malpacojn, ĉiuj tiuj personaj sentoj, unuiĝos, kiel torentoj, en la riverego de la nacia sento, tondre kaj majeste eksonos la Marŝo de Dombrowski kun glorsalutoj al la revivigota Patrujo...

*Ho, se iam ĝisvivus mi konsol-momenton,*
*Ke tiuj libroj migru sub pajlo-tegmenton —*

sopiris Mickiewicz en la epilogo de sia granda epopeo.

Hodiaŭ Sinjoro Tadeo estas unu el la plej popularaj verkoj en Polujo. Ĉu en granda biblioteko, ĉu sur modesta libro-breto de laboristo, aŭ en tirkesto de lernejano — ĉie trovas sin Sinjoro Tadeo.

Sed ankoraŭ plie plenumiĝis la revo de la poeto. La talento de *Antoni Grabowski* ebligis *al la tuta mondo* admiri la senkomparan verkon de Mickiewicz : ĝi parolas al esperantistoj en inda traduko, belsona, facilritma.

Legu ĝin, samideanoj !

---

# LA NOVA TAO

*(Daŭrigo)* PAN LOTI, SYDNEY

— Kaj jen, malproksime en la sensanĝa oriento, ekbrileto de Scio sur marego de mallumo ŝancelis la ĉielon, kaj la Ĉiela Imperio fariĝis senĉiela Respubliko. Kiel en la eŭropa, tiel ankaŭ en la ĉina menso troviĝis nur ĥaoso anstataŭ la antaŭa singratulado pro imagita perfekteco. Al Eŭropo : Militego, al Ĉinujo : Revolucio kun serio de civilaj militiroj. Al Eŭropo : plorinda periodo de malamo, senfina intergenta dividado de samrasaj popoloj, sed al Ĉinujo : kunfandiĝo de kvarcentmiliona popolo tute konforme al la daŭranta spirito de malnova civilizado. Kiel tia mirindaĵo okazis ? Ni lasas, ke *T'ang* klarigu.

»La ĉinaj inteligentuloj post la revolucio (1911) sub la estreco de Kanceliero *Ts'ai Yüan-P'ei*, ekkomprenis ke la rekonstruado devos veni pere de io pli, ol nur ŝanĝo de registaro. Ili celis renaski la malnovan ĉinan civilizadon per la eltrovo de la fundamentoj de l'okcidenta forteco, kies esencon ili volas ensorbi.

»...Al la ĉina infano estis donita libro de konfuciana filozofio — li devis ĝin parkere lerni signon post signo, sonon post sono, antaŭ ol la lernejestro klarigis la signifon... Nur la intelektaj gigantuloj povis sukcesi...«

»Kanceliero *Ts-ai Yüan P'ei* faris dekreton, ke la ĉinaj klasikaĵoj skribitaj en la arkaika lingvo de *Konfucius*, estu aboliciitaj el la komencaj lernejoj kaj lokigitaj nur ĉe la universitatoj kie ili taŭgos«.

»En la jaro 1920. la edukestraro ordonis, ke ek de tiam nur la nacia »*Pai Hua*« — la lingvo de la popolo jam parolita de pli ol 300 milionoj de ĉinoj — estu instruita en la ŝtataj lernejoj. La lingva baro kontraŭ la kreado de edukita populara demokratio kaj samtempe unu el la ĉefaj kaŭzoj de la malrapidigo de la socia kaj politika progreso de Ĉinujo, estis tiel formetita.«

Jen ĉi supre ni ja havas ekzemplon ! Ni bone scias ke lingvo faras nacion. En Eŭropo de Irlando, ĝis Nigra Maro kaj Laplando, ĉiu eta gento volas sian propran lingvon por kanti sian gloron kaj sian malamon al aliaj — kiel sanktan rajton. En oriento kunfandiĝas kvar cent milionoj en unu lando kun unulingva popolo. Eŭropo retroiras al estinta barbarismo. Ĉinujo antaŭenmarŝas al nova vojo, al Nova Tao, por serĉi rimedon ordigi, kompreni kaj plibonigi sian popolon.

Eĉ la malnova ĉina fatalismo jam falis. Ne plu niaj sentimentalaj poetoj-tradukantoj povos prezenti al ni aŭ ebrian aŭ malespereman poemeton de *Khong-Fu-Tse* (551—478 a. Kr.), *Li-Tai-Po* (702—763) k. t. p. sub eŭropanigita titolo, kun la aserto, ke jen estas la spirito de la sensanĝa oriento. Tute nova literaturo elfluos el Ĉinujo, eble por recivilizi la okcidenton. *T'ang Leang-Li* klarigas kiel Doktoro *Sun Yat Sen* detruis la lastan restaĵon de la ĉina fatalismo.

»...»scii estas facile, sed agi estas male«...

Tiel diris *Fu Yüeh*, fama ministro sub imperiestro *Wu Ting* de la *Yin*-dinastio (1324—1265 a. Kr.) ĉirkaŭ 3,200 jarojn poste, Doktoro *Sun Yat Sen*, kreanto de la moderna ĉina respubliko, estis ĉiam kritikita pro tio ke, kvankam liaj idealoj estas altaj kaj liaj planoj profundaj, »agi estas ĉiam malfacile, scii ĉiam facile«. Ĉi tiu pensmaniero estas ankaŭ logika konsekvenco de la konfuciana doktrino de determinismo. Doktoro *Sun Yat Sen* decidigis sin unue detrui ĉi tiun sufokan fatalismon dirante :

»La teorio de *Fu Yüeh* estas mia malamiko, milfoje pli forta ol la Manĝu-dinastio. La povo de la Manĝu-oj povis mortigi niajn korpojn, sed ne povis forigi niajn volojn. Menso estas la komenco de ĉio, kio okazas. La venko kontraŭ la imperio fariĝis pere de menso« (la menso de *Sun Yat Sen*) »la rekonstruado de la respubliko estas malhelpata de menso« (la menso de *Fu Yüeh*).

Tial *Sun Yat Sen*, sur la bazo de la doktrino de la unueco inter agado kaj sciado, elfaris malan teorion :

»Kompreni estas malfacile, sed efektivigi estas facile.«

Post la morto de la eta Doktoro, ĉi tiu diraĵo fariĝis kvazaŭ la nacia devizo de Ĉinujo, ĉizita sur milionoj de fidelaj koroj. Simpla kaj profunda estis la penso de *Sun Yat Sen*. Oni povas diri, ekzemple, »Antaŭ ol ni lernis Esperanton, estis al ni malfacile interkomunikiĝi kun alilandanoj sed nun, ke ni ĝin komprenas, estas facile tion fari.«

*T'ang Leang-Li* kredas ke Ĉinujo ne kristaniĝos. La kristanaj preĝejoj povos danki al la nekristana politiko kaj barbaraĵoj faritaj de la kristanaj Grandpovoj kontraŭ la Ĉinoj, ke la kristanismo jam antaŭ la Militego (1914—18.) preskaŭ tute perdis sian prestiĝon en orientaj landoj. Misiistoj ne erarigu sin, nek nin. La nomo de la religio asociita kun la Princo de Paco estas

ĉinaj aferoj estas finita.

La ĉefaj laboroj antaŭ la Kuo Min Tang estas la konstruado de fervojoj kaj makadamaj vojoj por aŭtotransporto, modernigado de agrikulturo kaj industrio ne fordonante la popolon al la ekspluatado de alilandaj kapitalistoj, kaj liberigi la grundon de la grandaj terposedantoj. En Rusujo la komunistoj likvidis la kulak-ojn, kaj en Ĉinujo okazis multaj agoj de perforta deprenado kontraŭ la terposedantoj. Tamen tia politiko ne daŭros en Ĉinujo. Dum jarmiloj la terposedantoj de Ĉinujo pagis preskaŭ ĉiujn impostojn de la regno, kaj la intenco de la Kuo Min Tang estas: modernigi la sistemon per kiu la terimposto estos pagita. Ĉinujo starigos sistemon kiu tre similas al la »solimposto« de *Henry George*. Fakte estas, laŭ T'ang Leang-Li, ke *de Quesney*, franca filozofo kaj politikisto) gajnis sian ideon pri la »Impôt Unique« de Ĉinujo, kaj ke Henry George ricevis la ideon de la franca filozofo.

Ĉinujo donis al la mondo la presarton, la kompason, la silkon kaj la pulvon. La mondo nun repagas al Ĉinujo per scienca metodo, per kiu la Ĉinoj mem daŭrigos sian serĉadon pri la Nova Tao. Sed la TAO estas la Vero, kiun ni neniam malkovras. Ni trovas verajon de tempo al tempo, sed neniam la tutan Veron. La ĉiama serĉado ja estas Vivo, la Vivo kiu instigas, ke ni elportu la Ekziston. Politiko, progreso kaj la plej granda parto de filozofio nur rilatas al la Ekzistado, aferoj de la ventro. Sed homa ekzistado estas necesa ke Menso estu manifestita.

Eble en Ĉinujo estos granda renaskiĝo de Menso sur la tero. Ĝi, sola inter la nacioj, liberiĝis de fatalismo, de arkaikaj institucioj kaj ĝi sola posedas ion pli, ol nuran sciencan metodon por trovi la Lumon.




fifamigita de hipokrituloj. Plue la ĉinaj inteligentuloj jam vidis, ke la kristana dogmaro aliformiĝas sub la kritiko de scienca malkovro. La nova Ĉinujo elserĉos el la ruinajoj de sia propra konfucianismo kaj kunulaj filozofioj, novajn vojojn, je kiuj la eŭropa modernismo sendube havos fortan influon. Restas al la ĉinoj tiu interna forteco de individua karaktero, je kiu baziĝis ilia sistemo de filozofio.

»*Mo Ti* (ĉirkaŭ 500—420 a. Kr.) fondis novan skolon de filozofio, *mohismo*, kiu multe akordiĝas je Utilitarismo kaj Pragmatismo. Laŭ Mo Ti, la homaj institucioj celas praktikajn rezultojn kaj estas kreitaj por realigi ilin. Li malakceptis la konfucianan doktrinon de la determinismo (fatalismo). Li asertis, ke la savado de la individuo dependas de lia propra penado... La mohismo konkuradis kun la konfucianismo, sed de longe persekutite unue de la militistoj kaj poste de la konfucianoj, ĝi ne reviviĝis ĝis la fino de la dekoka centjaro... Nuntempe, la *neomohismo* verŝajne regajnos la lokon inter la ĉinaj intelektuloj, ĉar ĝi estas la sola skolo de ĉina pensado, kiu sin okupas pri la scienca elstudado. Ĝi daŭrigis la pragmatikan kaj empirian tradicion de *Mo Ti*. En la *Mo Tze* (libroj XXXII—XXXVII) ekzemple troviĝas atestajoj pri eksperimentoj per konkavaj kaj konveksaj vitroj, kaj multaj formuloj pri optiko kaj mekaniko. La mohismo disvolvis progresintan logikon per indukta kaj dedukta metodoj, kaj teorion de psiko-analizo« (Freud, jam antaŭita de la ĉinoj kvin centjarojn a. Kr.)

La mohismo enhavis la idealon de paco kaj amo, sed en la periodo de militismo en Ĉinujo (200 a. Kr. ĝis 200 p. Kr.) tiaj doktrinoj ne povis vivadi. Fakte, ili preskaŭ ne povas vivadi en la nuna, »klarvida, klera kaj tolerema« epoko, kiu pace regas Eŭropon.

La *Kuo Min Tang*, aŭ Ĉina Nacia Partio, de post 1928 regas la tutan landon, kaj eĉ Manĝurio (kies militestron longe subtenis japana kaj kredeble alia alilanda kapitalo) nun akceptas la aŭtoritaton de Nanking. Oni povas deklari, ke la periodo de eŭropa 'intervenado' en

## *Nokta monologo*

*Ne parolu, amiko!*

*Belaj vortoj similas ŝanĝbrilajn vitropecojn. Vitropecoj brilblindigas tagmeze kaj malsaĝuloj pro ili kurbigas la dorsojn. Sed la krepusko, la nokto malkaŝas la vantecon de l' vitropecoj.*

*Mi sopiras krepuskon, mi sopiregas nokton.*

*Amiko, ne parolu! Silentu, vi aliaj!*

*Mi intencas min subtrempi en forgeson, kvazaŭ silikŝtoneto, kiun knabo ludante ĵetas en blankajn akvojn. Ili plorĝemas, ringiĝas, iĝas ree trankvile-trankvilaj kiel antaŭe...*

*Pro tio estimu mian peton kaj silentu! Vi alie rompus la dolĉekvietan melodion de l' soleco...*

*Aĥ, mi malamas viajn voĉojn. Ili sonas aĉe de impulsa trorapido...*

*Ho, aŭskultu! Kiom laŭte la silento sonas! Ĝi sonu forgeson! Ĝi kantu! Ĝi kantu tiun kvietan trankvilon, kiu mirakle lacigas, kiu faras humila kaj sendezira.*

*Kiom estas blua, kiom malvarma la nokto! Blankaj steloj floras super mi. Mi intencas kuŝigi mian kapon en vin, kompatemaj steloj.*

*Mi sopiras trankvilecon, kvieton...*

*Mi sopiregas dormon...*

*Vi, kiuj min trovos, estimu la majeston de l' dormo. Ĝi tronos en mia tempio sub la triumfaj arkoj de ronda vundeto.*

*Vi, kiuj vin nomas amikoj de mi, silentu ĉe mia tombo!*

*Belaj vortoj similas ŝanĝbrilajn vitropecojn.*

*Ne ĵetu vitropecojn en mian tombon!!!...*

**Alfred Schaububer, Wien**

# La komerca cirkulero

K. R. C. Sturmer, London

Estis post la kunveno de la grupo en Wesport, marbordurbo de Anglujo. Jus finiĝis la kantado de »La Espero«. En tiu minuto, en la Amerika Ŝtato Nicaragua mortis angore kelkcent patroj pro revolucia batalo, en Japanujo pluraj milionoj de homoj laboris en sklavaj cirkonstancoj en la fabrikejoj estiĝintaj pro la influo de l'Eŭropa civilizo, en Polujo ses karbministoj invalidiĝis pro eksplodo en iu minejo, en la popolparko Velkokestaurae de Praha, Ĉeĥoslovakujo, junuloj liniis flanke de la vojo por rigardi la preterpasantajn knabinojn... kaj tiel plu. Tamen, estu ripetate, estis post la kunveno de la grupo en Westport, marbordurbo de Granda Britujo, kaj ĵus finiĝis la kantado de »La Espero«.

La filo de la prezidanto, junulo dudekkelkjara, atendis apud la pordo, kaj ridete manpremis kelkajn forirantojn. Poste venis la knabino, kiun li atendis, samaĝa, kun blonda paĝia hararo kaj svelta figuro, kies beleco elstaris en la morna lerneja ĉambro, kie kunvenis ĉiusemajne la adeptoj de la internacia lingvo.

»Nu ?«, li demandis, iom necerte pri la respondo. »Se vi volas.« Ŝi tiretis la ŝultrojn. Finfine, kial ne, anstataŭ tuj hejmeniri ?

Silente ili marŝis al la kutima loko, al la restoracio, kiun solan el tiuj nefermitaj post la deka horo povas viziti loĝantoj de la urbo, kiuj devas atenti la konvenaĵojn. Envenante, ŝi mem elektis la sidlokon, sidiĝis, rigardis en la speguleton de sia saketo, kaj poste alrigardis la menuon, kvazaŭ ĝi interesus ŝin, kvazaŭ ŝi malsatus, kvazaŭ ŝi intencus manĝi.

Li mendis la kafojn kaj proponis al ŝi cigaredojn. Ŝi prenis unu, kaj mem ekbruligis per propra alumeto, ne atendante ke li proponu fajron aŭ ekbruligu sian propran.

»Nu« li komencis, »kia kunveno hodiaŭ ! Tiu sinjoro Weness, kiom li tedas ! Kaj la patro... !

»Vidu« ŝi diris »kies patro li estas !« Tuj ŝi mordetis la lipojn, ke tiel ŝi malkaŝis sin. Feliĉe, li ŝajnis ne rimarki tion, sed jam ekparoladis.

»Mirinde, iu skribis en »Literatura Mondo« ke nia originala literaturo ne povas havi intereson, ĉar mankas propra vivo al la esperantistoj, kiuj finfine ne estas nacio, ne havas komunan vivon. Nu, eĉ se tio estus vera... sed ĝi ne estas vera. Kvankam mi hodiaŭ havis bonegan ideon por noveltemo. Aŭskultu!«

Li glutis el sia kafo, antaŭ ol komenci denove. Ŝi rigardis lian hararon, kaj mense kombis ĝin per siaj fingroj kiel en antaŭa tempo. Tiam tirante sin al si, ŝi rigardis siajn fingropintojn, kaj elblovis fumon el la buŝo al murbildo reklamanta iun markon de kafo per desegnaĵo de gaje vestita ciganino.

»Aŭskultu« li reprenis »hodiaŭ en nia oficejo oni devis ripari la akvotubojn, kaj mi okaze havis interparolon kun unu el la metiistoj. Li rakontis, ke lia bofrato senlaboras, kaj tamen atendas kelktagan laboron en granda magazeno de Londono kiel — nu, divenu — kiel pakisto de reklamoj, de komercaj reklamoj pri vestaĵoj kaj mebloj, kiajn ni ricevas ĉiusemajne per la poŝto, sen iam pensi pri la homoj kiuj faldas ilin kaj metas ilin en la kovertojn !«

Liaj okuloj ardis, li ŝajnis ne atenti, ĉu ŝi aŭskultas, nek rimarki, kiel ŝi fiksis la okulojn sur la kontraŭan muron kaj la reklamajn tekstojn por loka varieteo, kie oni prezentas en tiu semajno homsimilan simion, du akrobatojn, kaj mondfaman dancistinon ĵus revenintan el vojaĝo al Germanujo.

»Li rakontis, ke la homoj, kiuj enfaldas la cirkulerojn en la kovertojn, ricevas du ŝilingojn kaj sespencojn por mil pakitaj kovertoj, tio estas, oni pagas ilin laŭ ilia laboro. Ĉiu laboranto havas antaŭ si amason da kovertoj, kaj amason da cirkuleroj, kaj per rapidega maniero li devas preni la cirkulerojn, faldi ilin kaj meti en koverton. Tri diversajn cirkulerojn en unu koverton ! Kaj por ĉiuj mil kovertoj donitaj al iu kontrolisto, oni ricevas paperslipon, kaj fine de la tago oni donas siajn slipojn, kaj ricevas por ĉiu el ili du ŝilingojn kaj ses pencojn. Kiom granda laboro por tia mizera pago ! Kaj neniam mi pensis pri tiaj laborantoj, kiam mi senatente malfermis koverton de tiaj cirkuleroj, kaj senatente disŝiris ilin. Jes, tio povas esti bonega fono por novelo : imagu, ke oni prezentas iun el tiuj laborantoj, kune kun lia pensaro kaj privata vivo, kaj poste prezentas riĉan ricevanton de tia koverto, kiu, kun menso plena de la propraj aferoj, en sia luksa apartamento, senrigarde forĵetas tian koverton kaj ĝian enhavon, sen la plej eta penso pri tiu, kiu tiel zorge kaj tamen rapidege faldis tiujn bele presitajn cirkulerojn kaj metis ilin en la koverton, mem vivante en granda ekonomia mizero kaj tamen, eble tiom feliĉa en sia stato, kiom la riĉulo...«

Li fine rimarkis, kiom da neintereso lia kunulino montras pri liaj vortoj. Momenton li rigardis ŝin, ŝian hararon, ŝian nazon, ŝiajn lipojn. Tiam, kvazaŭ por alvoki ŝin, li reprenis la antaŭan temon.

»Sed pri ni, ke ni Esperantistoj ne havas komunan vivon. Nu, pensu nur al nia propra grupo. Al la klopodoj de Hearn, aŭ al la afero de la proponitaj vagadoj. Kaj pli malproksimen pensu. Al la kongresoj. Ekzemple en Budapest. Memoru tiun apud la Danubo, ekzemple...«

Pli longe ŝi ne eltenis.

»Kaj se vi ja verkus, anstataŭ konstante nur parolaĉi pri la verkado, povus rezulti ia juvelo por la literaturo de Esperanto.«

Ŝi parolis tiom pike, kiom ŝi povis, kaj ĝojis vidi la konsternon sur lia vizaĝo. Vere, ĝis tiu aludo al la Danubo ŝi ne sciis, kiom ŝi malamas lin, kaj kiom ŝi malestimas sin. Io varmegis en ŝia gorĝo, kaj brulis malantaŭ la okuloj. Por reteni sin, ŝi prenis



J. Duiker : *Plenaera lernejo*

sian cigaredujon el la saketo. Instinkte ŝi ne proponis al li, sed elektis por si cigaredon, kaj klakfermis la ujon. Ŝi afektis ne rimarki la esprimon de vundiĝo sur lia vizaĝo, sed trankvile akceptis lian proponon pri fajro.

Finfine, ŝi trovis, vundinte lin, ke ŝi malpli malamas lin : eble malpli, ol sin mem.

Ĉe la angulo de la strato ili manpremis, kun amikaj vortoj, kaj ŝi turnis sin vizaĝe al sia hejmo. Preter la arbustaj heĝoj, la lumoj el la domaj fenestroj lumis tra diverskoloraj kurtenoj.

La lumo brulis oranĝe el la ĉielo, kaj la steloj palpebrumis el sia malproksima universaro. Marŝante iom pli rapide ol kutime, kun saketo tenata sub la maldekstra brako, ŝi jam nun mense paŝis trans la propra sojlo. Kredeble la patro estos jam hejme, komforte en sia brakseĝo, aŭskultante la radion. Verŝajne li estos kaptinta tiun germanstacion. »Achtung, Achtung, hier ist West Deutscher Rundfunk.« Eĉ povus esti, ke li kaptis tiun esperantan disaŭdigon el Polujo.

Alveninte sur la sojlo de sia hejmpordo, ŝi kliniĝis por preni koverton, falintan de la poŝtista mano sur la maton. Zorge ŝi tiris el ĝia koverto grandan komercan cirkuleron, kun du bele falditaj aldonaĵoj, senditan de granda magazeno en Londono. Tenante ilin en la mano, ŝi pensis dum momento al tiu, kiu tiel bele faldis kaj enpakis la enhavon de la koverto. Estas interese. Nur dum momento ŝi pensis pri tio, tamen dum tuta momento.

Ĉar finfine ŝi estis iom neordinara knabino, kaj havis intereson pri pli ol unu afero en la vivo.

---

# De la maro

**Gh. Braescu**

Mi malsupreniris la sablan vojeton, kiu ŝtelire serpentumis inter la herbaĵoj, al la maro. Etaj formikoj nigraj diligente laboradis, kurante en mallongaj etapoj kaj haltante subite, kiel ludaĵoj tirataj, kies tirŝnuro neatendite ŝiriĝas. Mi nek plilongigis, nek etigis la paŝojn, tamen eĉ unu ne kuris sub miajn piedojn. Guste je la fino, trovis sian morton unu formiko pli granda, flugilhava, iom malfacile movanta sin. Nenia vekrio, nenia signo de l' doloro, nek ia malkvietiĝo en mi aŭ en mia ĉirkaŭaĵo.

Mortis unu formiko.

Mi demandis min mem, kiu ŝirmas la mondon de la malgranduloj, kontraŭ la pezeco de nia paŝo, aŭ kiu direktas ilin, por trovi sian morton sub ĝi. Kiu donis al ili forton forlasi senmurmure la lumon kaj varmon de l' suno, la kamparon, etenditan antaŭ ili kvazaŭ tablo, plena de bonaĵoj !

Kaj malsuprenirante tiel, malrapide al la maro, subite kolektiĝas je unu loko ĉiu homo de sur la strando amasiĝante kvazaŭ sur la bulevardo Victoriei, se falas kaleŝĉevalo. De ĉiu loko alkuris la virinoj, grandbuŝe kriegante, kun vizaĝoj konvulsiaj pro l' teruro.

— Nini !

— Lola !

— Petriŝor, Dorel !

La patrinoj senespere kuradante vokis siajn infanojn, ekzaltite, ekkaptante brutale, kiam ili retrovis la etajn pekulojn, kiuj forte ektimigis ilin, ludante post iliaj dorsoj, dum ili strandbanadis, pli ĝuste : interparoladis unu kun la alia, pri io kaj iu, kaj pri ĉio.

— Rigardu tiun kun la flava kostumo... Kvazaŭ diablo...

Sed nun, sekvante la vokon de l' respondeco, ili iĝis severaj.

— Ne iru for de mi, ĉar mi mortigos vin.

La sciigo disvastiĝis fulmrapide, kiel ĉiu malbona famo. En la urbeto oni aŭdis, ke infano dronis en la akvo marranda. Patrinoj, turmentitaj de malbonaj antaŭsentoj, venis kun siaj petolemaj infanoj, por plidensigi la homamason.

— Kio okazis ?

— Dronis infano.

— Ve al mi ! Sciu, ke li estas la mia, Jonetooo!..

En la larĝa malproksimo, ondoj kun arĝentitaj krestoj lulis la infanon, kovrante kaj malkovrante per brilverda silko, kvazaŭ ĉe l' bapto.

Unu sinjoro, bele kombita, vestita per eleganta kostumo organizis fervore la savadon :

— La boaton !... Kie estas la boato ?... Kio, ĉu eĉ boato ne estas ? Kiu scias naĝi ?... Ĉu vi ne scias naĝi ?.. Kiel, fratoj, neniu scias naĝi inter vi ?

La homoj kvietiĝis. Ili nun trankvile rigardadas, kvazaŭ en kinoteatro, atendante la solviĝon de la dramo.

Kaj la maro saltjetas la infanon, kvazaŭ vagantan navigsignalon...

Unu sola virino, impona brunulino kun brilanta okulparo, grandigita pro l' angoro, tordas siajn manojn dolore, kiel madono :

— Puiu !... Ah, kie estas Puiu ? Sciu, ke Puiu dronis !...

— Ne eble...

— Maleble !... Puiu ! Puiuuu !...

— Vidu, li ne respondas... Ho Dio, Dio, kial mi lasis, ke li iru for de mi !...

— Irraa ! Ne ploru, fraŭlineto... Kiel vi povas supozi, ke ĝuste via bubeto dronis ?...

— Sed ĉu vi ne vidas, ke la aliaj staras trankvile; jen signo, ke ili retrovis siajn infanojn... Sole la mia, Puiŝor mankas...

— Nu, do restu ĉi tie, kaj mi iras serĉi lin... Sed, mi ne konas. Ĉu li estas granda, aŭ eta ?

— Haltu !... Trankviliĝu... Estas ja nenio, anoncas triumfe sinjoro, venanta de malproksime, fendante la homamason... Jen, vidu, Puiu.

— Puiu, mia kara, ekkriegas la bruna belulino, alpremante sian karuleton, kaj lasante liberan vojon por la larmomaro...

— Al kiu apartenas la droninta infano, demandas la scivolema popolamaso.

— Al iu virino. Ŝi foriris al la laboro kaj lasis ĉe najbarino ke ŝi zorgu pri la infano.

— Feliĉe, ke ne dronis iu infano el la niaj, ekkrias altranga sinjorino al la aliaj, rapide konsolitaj, ke rompiĝis ordinara glaso, kaj ne unu el la pli bonaj.

Returnante min al la hejmo, kun klinita kapo mi meditis, kiu gardas aŭ direktas al la morto la mondon de la malgranduloj ?...

El la rumana : *Eugenia Morariu.*

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

INTERVJUO AL S-INO ISBRÜCKER

Neelĉerpebla fonto de energio por agadi en la intereso de nia komuna afero, komprenemo kaj takta cedemo al la diversaj gustoj kaj fine delikata bonkoreco, jen la karakterizaj trajtoj, laŭ kiuj desegniĝas ŝia portreto en mia animo. Jam antaŭ jaroj, ne konante ŝin persone, mi sentis al ŝi grandan simpation, la persona interkonatiĝo altigis mian respekton ĝis admiro. Ne unufoje mi nomis ŝin la »animo de la Nederlanda esp. movado« kaj . . . Pardonu, kara leganto, mi ne daŭrigas tiel ! El du kaŭzoj. Unue, mi konas ŝian modestecon kaj due, mi mem ne volas ŝajni flatemulo, kvankam ĉiu vorto venas sincere el mia animo. Krome, mi pensas, ke vi estas multe pli scivolaj pri ŝiaj vortoj ol pri la miaj. La intervjuanto demandas kaj en la respondoj de la intervjuatino certe vi povos ekvidi la rebrilon de animo, plena de noblaj aspiroj kaj malegoista aktiveco.

Krakovo. Ni promenas sur la vojo de la »Plantoj«. En mia animo : ĥaoso de impresoj pri la hodiaŭaj kunsidoj. Mi konfesas, ke mi vidas la verdan horizonton iom malhela kaj por havigi al mi konsolon, mi decidas turni min per demandoj al tia persono, kies komprenemo estas eksterduba. Kaj sinjorino Isbrücker ridete babilas, parolas, klopodas peli for la nubajn pensojn de mi. En nia interparolado kaŝiĝas iom el la emocia intimeco de gefratoj, batalantaj sur la sama agadkampo. Sed nun la fratino estas multe pli forta. El ŝia profunda optimismo radias sugesta forto, admono, instigo kaj . . . kaj la nuboj jam estas for. El nia konversacio fariĝis la jena intervjuo.

*Mi :* Sinjorino, kio estas la ĉefa motivo, liganta vin al Esperanto ?

Ŝi : Kvankam tio ŝajnas tre stranga nun eĉ al mi mem, mi devas konfesi, ke mi forte kontraŭstaris la lernadon de artefarita lingvo, ĉar mi treege ŝatas la naciajn lingvojn. Jam la vortoj »artefarita lingvo« estis por mi kvazaŭ sakrilegio. Tamen, laŭ tre insista instigo de mia fratino, nun s-ino Roskes, kiu estis fervora esperantistino, mi komencis lerni Esperanton dum libertempo en 1909. Tuj kiam mi serioze rigardis la gramatikon, mi entuziasmiĝis pri la konstruo de la lingvo kaj diligente daŭrigis. Samtempe mi konsciiĝis pri la grandiozaj perspektivoj, kiujn havas internacia komunikilo, precipe el pacifista vidpunkto. De tiu tempo mi neniam plu povis forlasi la laboron por nia movado. Mi simple faris, kion mi ne povis lasi, same kiel vi kaj multaj aliaj esperantistoj.

*Mi :* Jes, mi sentas, ke ni estas neforŝireble alligitaj al la movado. Sed, sinjorino, kiel vi scias, mi havas revojn pri la kreiĝo de propra literaturo. Kiel vi opinias pri ĝia signifo ?




2.
B. Blau
Titolbildo




1.
I. Bartha
Titolbildo

*Ŝi :* La fakto, ke kreiĝas propra literaturo estas jam nerefutebla kaj treege grava argumento kontraŭ la diro, ke Esperanto estas ŝtona lingvo, ĉar ĝuste tio montras plej klare, ke nia lingvo vivas kiel ĉiuj aliaj. Per la originala literaturo povas naskiĝi nova kulturo de supernacieco, kio nuntempe estas la plej urĝa bezono. En tio kuŝas la granda tasko de la esperantistaj verkistoj.

*Mi :* Kiel mi vidas, niaj opinioj estas parencaj. Kaj en ili tre multaj el niaj samcelanoj retrovas sian revon, sed, ni konfesu, ne ĉiuj. Ĉu vi ne trovas diferencon inter la antaŭmilita kaj nuntempa movadoj ?

Ŝi : Ŝajnas al mi, ke la antaŭmilita movado estis portata de pli grandaj idealistoj kun pli granda entuziasmo. La milito mortigis en multaj homoj la senton por idealoj.

*Mi :* En multaj homoj jes, sed feliĉe ne en ĉiuj, kvankam mi konfesas, ke mi spertas certagradan stagnadon. Ĉu ankaŭ vi ?

*Ŝi :* Jes, bedaŭrinde mi vidas stagnadon en la tutmonda movado. La kaŭzon mi trovas en tio, ke nia movado ne donas al la publiko tion, kion ĝi atendas de internacia lingvo : la praktikan uzadon kaj utilon. Tio ja estas la celo de U. E. A. Ni devas montri, ke Esperanto ne estas nur agrabla tempo-pasigo, sed bezonaĵo de la mondo. La propaganda periodo devas nun finiĝi kaj nova epoko de fakta utiligado devas komenciĝi. La movado bezonas homojn kun novaj ideoj, klaraj pensoj kaj larĝa vido.

*Mi :* Vi estas absolute prava. Popularigi movadon sen popularaj ideoj kaj sen klarvidaj popularaj personoj estas neeble. Mi scias, ke vi estas aktiva membro de la

pacifista movado. Ĉu vi povus doni kelkajn informojn pri la sukcesa apliko de Esperanto en tiu ĉi movado?

*Ŝi:* Pli kaj pli la pacifista movado uzas Esperanton por la internacia propagando, presigante siajn cirkulerojn en Esperanto. Ekz. la listoj por varbi subskribojn por la petskribo pri internacia senarmigo de la Internacia Ligo




3.
B. Göndör
Titolbildo

por Paco kaj Libereco estas presitaj ankaŭ en Esperanto. La bultenoj de la kontraŭmilitista unuiĝo aperas en Esperanto redaktita. Praktike uzata estis nia lingvo kiel nura traduklingvo en la Interreligia Konferenco en Hago 1928; kie 400 gvidantoj de ĉiaj religioj atestis pri sia laboro por la paco.

*Mi:* Ĉu nia afero fariĝis pli konata en via lando ol antaŭ la milito?

*Ŝi:* Ĉar nia lando ne partoprenis en la milito, la esp. movado konservis sian progresadon sur la antaŭmilita bazo. La sukceso de la Nederlanda movado estas kaŭzita de tri faktoroj: la diligenta laboro de la esp. grupoj kaj delegitoj de U. E. A., la bonega skriba kurso, eldonita de la Centra Propaganda Komisiono en Nijmegen, kiu havis 22500 lernantojn en la lastaj kvin jaroj kaj la Ĉe-metodaj kursoj dum la lastaj du jaroj, kiuj havis pli ol 2000 partoprenantojn. Ĝojiga konstato estas, ke en la pasintaj du jaroj la membro-nombro de la neŭtrala unuiĝo »La Estonto Estas Nia« altiĝis de 570 ĝis 1525, de »Nederlanda Katoliko« de 584 ĝis 1100. La Federacio de Laboristaj Esperantistoj plej multe kreskis kaj ĝi havas nun 1800 anojn. Nova unuiĝo fondiĝis »Nederlanda Protestanto« kun 160 membroj.

*Mi:* Sinjorino, vi menciis la Ĉe-metodajn kursojn kaj tio ĉi formas en mi demandojn, kiuj eble ŝajnos al vi strangaj, jes, strangaj, ĉar mi, kiu sukcese instruis per tiu ĉi metodo en via lando, mi faras tiujn demandojn al vi. Sed komprenu, sinjorino, nun mi ne estas Ĉe-metoda instruisto, sed simpla intervjuanta jurnalisto, kiu interpretas kaj envortigas la demandojn de la publiko por kontentigi ĝian scivolemon.

*Ŝi:* Mi komprenas la motivojn. Demandu, mi volonte respondos.

*Mi:* Koran dankon por la afableco. Ĉu la Ĉe-metodaj kursoj havas daŭran efikon, t. e. ĉu ili servas ankaŭ la pluan perfektigon de la varbito?

*Ŝi:* Ke la Ĉe-metodaj kursoj havas daŭran efikon, estas pruvite per tio, ke ili estas unu el la nomitaj faktoroj de la granda kresko de la organizita movado en Nederlando. La Ĉe-Instituto prenis sur sin ankaŭ la taskon de plua perfektigado de la varbitoj. Ĝi faris tion organizante daŭrigajn kursojn kaj kreante okazojn de interrenkontiĝoj. Ĉar ĝi opinias, ke la plej perfekta daŭriga kurso estas la praktika uzado, ĝi fondis konstantan centron en la Esperanto-Domo en Arnhem, kie ĉiam estas okazo ekzerci la lingvon kun alilandaj samideanoj.

*Mi:* Kian kulturprogramon havas la Internacia Ĉe-Instituto de Esperanto?

*Ŝi:* La programo de la Internacia Ĉe-Instituto estas edukado de instruistoj kaj per tio la disvastigado de la lingvo mem, kompreneble ne kiel celo, sed kiel ilo al la tuta Esperantistaro. Kaj ĝuste tio estas la destino de la Esperanto-Domo en Arnhem, ke ĝi krom la perfektigado en la lingvo estu loko por internaciaj konferencoj, kunvenoj, k. t. p., laborantaj en tiu direkto, kiun nia movado mem sekvas.

*Mi:* Kian gravecon havas la Instituto en la interna solidiĝo de la movado?

*Ŝi:* La Ĉe-metodaj kursoj sukcesis veki profundan kaj daŭran sindonon, kiu videble kontribuas al la plifortigo de niaj organizaĵoj.

*Mi:* Ĉu la agado de la Instituto renkontas ĝeneralan simpation kaj, se ne, per kio vi povus motivi la kaŭzojn de la antipatio?

*Ŝi:* De la Esperanta publiko la Instituto spertas grandan simpation, kaj de la ne-Esperanta publiko eĉ pli grandan. Jes, ni spertas ankaŭ antipation en kelkaj




4.
F. Márton
Titolbildo

gvidantaj rondoj, malgraŭ la okulfrapa fakto, ke la plej gravaj personoj de la Esperanta mondo ĝin subtenas kiel konsilantoj. Ne konsciante pri ia malutilo, kiun la Instituto kaŭzas al la movado, ni povas trovi la kaŭzon nur

## El la „Kontempladoj"
**Hugo Victor**

Ŝi lasis jam la ŝuojn, ŝi la ĉapelon lasis,
sidanta en la junkoj kun duonnudaj gamboj :
mi kredis vidi nimfon, kiam mi tie pasis,
kaj diris : »Ĉu vi volas kuniri en la kampoj ?«

Ŝi min rigard's longe per ĉi rigard' incita,
lasta helpaj' de l' belaj, kiuj venkiĝas de ni ;
kaj diris mi : »Ĉu volas — jen monat' aminvita —
ĉu volas vi sub arboj profundaj kune veni ?«

Ŝi viŝis la piedojn sur la herboza bordo :
ŝi bela, ŝi ludema rigardis min refoje,
kaj tiam klinis sin al pli medita agordo...
Ha ! Kiel en arbaro la birdoj kantis ĝoje !

Kiel la akvo milde modulis la babilon !
Mi vidis al mi veni, en verdaj kanoj hirtaj,
feliĉan, frenezetan, sovaĝan, la knabinon
ridantan, brilokule, tra siaj haroj flirtaj.

El la franca : *G. Waringhien.*

## La fatalo
**Rubén Dario**

Feliĉa estas arbo, kiu preskaŭ ne sentas,
kaj pli — la ŝton' malmola, pri sent' tute senscia
ĉar neniu doloro ol vivo pli turmentas,
nenio — pli ĉagrena ol la vivo konscia.

Sciado pri nenio kaj vagado sen forto,
terur' esti estinta, kaj estonta terur'...,
timego pro l' certeco pri la morgaŭa morto,
sufero pro la vivo, pro ombro, pro malpur',

pro tio kion ni ne konas nek divenas,
pro l' tombo kiu, ĉiam en atendad', malplenas,
pro la nesci', de kie venas
ni kaj kien ni iras...!

El la hispana : *Jaume Grau Casas.*

## Kanto pri pano
**— S. Jesenin —**

Jen la senkompata krueleco,
Jen kialo de la homsufer' !
Rikoltilo tranĉas spikojn pezajn
Kvazaŭ cignokolojn kun kruel'.

Jam delonge ĉiuj ni ja scias
La aspekton de l' aŭgusta kamp'.
Kunligitaj garboj agonias
Kuŝas jam sur ili morto-stamp'.

Poste kvazaŭ al ĉerkejo oni
Ilin veturigas por draŝad'.
La veturigisto-diakono
Memorkante grakas dum paŝad'.

Tie oni ilin zorge metas
Sur la teron kun trankvila kor',
Kaj elbatas el la korpoj etaj
La malgrandajn ostojn kun fervor'.

Kaj neniu ja pri tio pensas,
Ke eĉ havas karnon la pajler' !...
Kanibalo muelej' komencas
Maĉi la ostetojn kun kruel'.

Kaj el la faruno oni faras paston,
Bakas bongustaĵojn sen moder'...
Ekĝermadas tiam senprokraste
En stomak' veneno de koler'.

La sekalturmento iĝas krusto,
La krudec' rikolta — panmolaj',
Post manĝado de la pajlokarn' bongusta
En ni ĝerme kreskos la sovaĝ'.

Kaj kruelo, krimo kaj frenezo
Siblos super la aŭtuna ter'...
Ĉar tranĉadis oni spikojn pezajn
Kvazaŭ cignokolojn kun kruel'.

1918.

El la rusa : *Hilda Dresen.*

---

en la envio, kiun devis ĝis nun sperti ĉiu sukcesanta entrepreno.

*Mi :* Ĉu la laboro de la Instituto subtenas la evoluon de la literaturo almenaŭ per vendado de esp. literaturaj verkoj, ĉar — *onidire* — la Ĉe-metodaj kursoj malpermesas la uzadon de libroj ?

*Ŝi :* Ke oni malpermesas la uzadon de libroj en la Ĉe-metodaj kursoj estas tute ne vere. Tiu malpermeso validas en la komenco de la kurso. En la fino estas aparta *vendeja leciono*, kie pli multaj libroj estas vendataj ol iam en aliaj kursoj. Feliĉe ni havas elokventajn atestojn pri tio de la eldonistoj mem.

*Mi :* Certe vi havas interesajn statistikajn datojn. Ĉu vi povus mencii kelkajn el ili por la publiko ?

*Ŝi :* Volonte. Ĝis nun la Instituto havas 132 rajtigitajn Ĉe-instruistojn tra la tuta mondo. Envenis jam 221 raportoj pri faritaj Ĉe-kursoj, konsiderinda nombro, se oni pripensas, ke ne ĉiuj sendas raporton de sia kurso al la Instituto. Granda korespondaĵo necesas, ekz. en Junio de tiu ĉi jaro la Instituto forsendis 258 leterojn, 177 poŝtkartojn kaj 843 presaĵojn. Ĉiutage venas petoj pri informoj pri la Ĉe-metodo, kio montras la grandan interesiĝon de la Esperanta publiko. En la proksima vintro la sekvantaj internaciaj Ĉe-instruistoj faros kursojn : s-ro Julio Baghy en la Baltaj landoj, s-ro Andreo Ĉe en Svisujo, s-ro D-ro Ottmar Fischer en Norvegujo, ge-sroj Morariu en Saksujo, f-ino Elinjo Pähn en Francujo, s-ro Pragano en Nederlando kaj s-ro Jens Schjerve en Ameriko. Ni havas do kaŭzon esti kontentaj pri la evoluo de la Instituto.

La intervjuo estas finita. Vane mi sieĝas per damandoj s-inon Isbrücker pri ŝia persono, pri ŝiaj laboroj, ŝi evitas respondi. Sian personecon ŝi kaŝas for de la scivolemuloj, sed malgraŭ ŝia modesteco ĉiu scias, ke en la atingo de sukcesoj ĉiam ŝi havis la plej malfacilan laborparton. Sed kial detaligi ? La sukcesoj laŭdas pli elokvente la Direktorinon de la Internacia Ĉe-Instituto de Esperanto ol miaj plej zorge elektitaj vortoj.

# Tri kune*

**N. R. Roland Holst**

Ĉiuj objektoj de la naturo, de la diafanaj arĝentherboj ĝis la fortradikaj bronzaj arboj, staris en la senmova atmosfero parade, atendante, kiam la suno envenis la tagon kaj trarigardis la mondon, kiel ĉambron plenan de superbelaj surprizoj, kiuj por la festo de la pompa somertago staris elmontritaj por ĝi. La mallaŭta muziko eksonis, tuj je ĝia apero, la kantado de la insektoj leviĝis zume ĝis la varmaj kavernoj de la altaj arbaroj, la oriolo, ĝojkantante, trilis super la plaŭdanta malvarmeto de la sublimaj akvoj, kaj subakviĝis plu, ĉiam plu, en la labirinton de la sunaj folioj; la hirundoj desegnis svingajn arabeskojn en la lumanta kupolo de la aero; kaj super la tremanta erikejo blovis la freŝe dolĉa odoro de la lupenoj. Iom post iom kreskis la varmo kaj la ombroj malgrandiĝis. Kiam la suno staris alte en la ĉielo, la tero kuŝis senpove sub la ĉion superradianta varmego. En la regule revenantaj pezaj tremoj de kanono tre malproksima, ŝajnis formorti la lasta kontraŭstaro kontraŭ la flamanta triumfanta lumo.

Ĉe la ekstrema ombrorando, sub alta pinarbo, mi kuŝis, rigardante, atendante amikon. La plej forta varmego nun jam pasis, sur la blua maro de la ĉielo soleca malvarmeta blanka nubo ŝvebis al mi kaj trans min, de tempo al tempo ventblovo igis susuri la verdaĵon de la pinoj.

Miaj pensoj ne sciis, kion ili volas, kaj restis mallaboremaj en la ombro de revema animo.

Je la fino de longa kampo de tremanta sunlumo, ĝuste tie, kie malaltaj arbustoj ĵetis la unuajn ombrojn, mi vidis mallongan ekbrilon kaj poste, kiel malhelan makuleton sur la mallarĝa vojo, proksimiĝantan bicikliston.

Ankoraŭ momento — kaj voĉoj eksonis, mia juna amiko iris apud mi, promenanta sur la arbarvojetoj, kiuj sonis kavaj, kaj estis malmolaj kaj glataj pro la sunvarmo de tiom da sinsekvaj tagoj.

Unue ni serĉis la malvarmeton de la akvo, kiu ĉirkaŭfluetis nin, kaj venkis ĉiun inertecon; super la lageto sonis petolado de rido kaj gajaj vortoj; brilantaj freŝaj akvosulkoj forglitis kiel sunlumarabeskoj, kaj turniĝis ĉirkaŭ niaj korpoj, el kiuj ni faris boatojn, ŝarĝitajn nure per sunaj pensoj kaj ludema ĝuo.

Poste ni longe kuŝis en la malvarmeta herbo, kiu kliniĝadis, gutoj glitis de ni kiel perloj, facilaj estis niaj vortoj, kaj evitis ĉiun pezan ŝarĝon.

Mia juna amiko rakontis pri ekskursoj en montaro kaj pri la velveturado sur larĝaj fluoj, mi rigardis lian trankvilan spiradon kaj malantaŭ miaj duone fermitaj okuloj mi vidis jen la mondon de la glaciejoj, jen la moviĝon de l' ondoj, sed mi vidis ankaŭ lian varman rigardon, la florantan koloron de lia haŭto kaj la forton de lia juna korpo.

Kaj tamen mi sciis, ke la profundaj kaj emociantaj pensoj ankoraŭ estas pli granda ĝojo por li, ol ĉiuj festoj de forto kaj aŭdaco.

Liaj fortaj sunbrunigitaj manoj estis tiel dolĉe kuŝigitaj apud liaj profunde nigraj haroj, ke mi nepre ride revetis pri la amo, kiun li tiom ofte tenis kaptita en ili.

La ombroj plilongiĝis, la griloj ĉirpis renkonte al la vespero. Ankoraŭ ni ne parolis ĝuste pri tio, pro kio li estis veninta al mi.

Nur poste, kiam la vespero jam forsendis la varmegon de la tago, kaj elizea mildeco kaptis nin, li preme kondukis min al la malhelaj kaj necertaj pensoj, kiuj plenigis lian pli profundan animon.

Longe poste ni ankoraŭ sidadis en la korto, pli malforte ripetante, kion antaŭe ni nepre certigis, rekondukante duone formigrintajn pensojn, kiujn ni ĉe la komenco de nia interparolo jam lasis forgliti.

La vespera suno malalte radiis sube tra la trunkoj de la pomarboj, kaj adiaŭis jen tie, jen tie ĉi la trezorojn, kiujn ĝi postlasos por la venanta nokto.

Nun ankoraŭ hezitis la sunlumo, kie blankaj kaj rozkoloraj papavoj dolĉe sin lulis antaŭ malhela densa kreskaĵa barilo, pli malproksime ĝi glitis sub arbetoj, ĝuste ĝis la loko, kie koloraj kokinoj, antaŭ ol ekdormi, gracie, kaj preskaŭ solene trinkis el ruĝa argila akvujo.

Nun levis sin la lumo ĝis pli altaj arbopintoj kaj ŝajnis de tie rigardi al la dolĉa mondo, kiu estis forrevonta; kaj ĝuste kiam mi pensis, ke la sunlumo post tuttaga glora regado postlasos nin en la regno de la krepusko, mi vidis, kiel ĝi flamkisis rapide la pinton de maljuna kverko por adiaŭo. Sed tio ĉi ja estis la lasta saluto, antaŭ ol ĝi dise foriĝis en la ĉielbrilo.

Ni sidis silente. En la korto nun komenciĝis la ludo de l' somerodoroj, ili alflugis, ili forflugis, ili ludis en la oroplena viola krepusko, nevideblaj plezuroj.

El pli malproksima loĝejo flugiliris mallaŭtaj melodioj en la dolĉan vesperon, la kvieta lamplumo, lumigita malantaŭ krepuskantaj fenestroj, donis al la dometo propran volon, ĝi ŝajnis ŝipeto, kiu kuŝas preta por velveturado al aliaj bordoj.

Malrapide ni promenis al la lamplumo, preter borderoj de multkoloraj floroj, kiuj nun estis leviĝintaj al la malvarmeto de tiu ĉi horo; ni haltis, kie odoris la rozoj, kiuj post la varmego de la tago malfermis sian belan teksaĵon facile, kaj spiris per la nuda koro. Unu branĉo pendis antaŭen, ĝis tute antaŭ ni, kun tri preskaŭ malfermitaj burĝonoj sur unu trunketo, burĝonoj, sur kiuj la plej tenera oranĝkoloro fluis ĝis la rando.

Mi klinis min por deŝiri tiun branĉon, sed mia juna amiko ŝerce retenis min, »lasu tiujn fratinetojn«, li diris. »por la morgaŭa somerfesto«. Ĉe la elirejo de la korto staris kamparana knabino, ŝi kunfaldis la tolaĵon, sekiĝintan sur la kreskaĵa barilo.

La freŝe saleta odoro de la blankiĝinta tolaĵo venkis ĉi tie la nomadajn odorojn de la floroj. Dum nia preterpaso la knabino demandis, ĉu mi scias, ke la maljuna Martijn jus mortis? Ŝi staris kun brako plena de blanka tolaĵo, la helaj violaj ombroj de la vespero modlis ŝian belan staturon, ŝi similis al Naŭsikaa, svelta kaj forta, ŝiaj malhelaj okuloj rigardis dolĉe kaj trankvile, ŝia vizaĝo estis ronda kaj havis profundan varman koloron.

Dum mi pensis pri la maljuna vireto kaj momenton pensis ankaŭ pri la morto, mi vidis suprenrigardante, ke la juneca sango jam rekonis unu la alian, sen unu vorto, sen unu gesto. Senmove la korpoj staris unu kontraŭ la alia, sed la deziro en tiuj du kolonoj de juna vivo estis ekflarinta kaj sin levis, susurigis la sangon; kiel juna printempa folio en la jara fruo ĝi estis ekfluginta sencele kaj sovaĝe, kaj reen

* El ,Meditoj de rubuserĉanto' Nederlanda eldono: Hijman, Stenjert Kroese & Von Der Zande, librovendistoj en Arnhem.

flugetis; estis atenta kaj tamen restis kaŝita, fariĝis pli profunda je koloro kaj pli kaŝema je volo, kaj ĉio ĉi tiel nerimarkeble, kiel la flugo de birdo super la domo de soleca revulo...

Preter la malalta loĝejo de la mortinto ni iris plu, tie sonis interne multvoĉa preĝado preskaŭ krude kaj mehanike, kvazaŭ senspire rapidante al la fino.

De pli malproksime ankoraŭ sonis perlaj melodioj el la lamplumigita domo.

Mia juna amiko demandis pri la mortinto. Li estas, mi rakontis, la lasta el la tri — ne el tri rozburĝonoj, mi povis atesti — sed la lasta el tri maljunaj farmistoj, loĝintaj en unu vilaĝeto, jam de post sepdek jaroj, tiu, kiu mortis unue, vivis dum kvin jaroj timante la morton, li malfortiĝis, kaj la timo de la morto kreskis en li, tiel ke liaj buŝanguloj ĉiam tremis kaj liaj okuloj estis timemaj kiel de malkuraĝa hundo. Senlime multajn argumentojn li havis, pro kiuj la morto devus ankoraŭ indulgi lin, kaj al ĉiu li ripetis ilin kun plenda voĉo, verŝajne li esperis, ke la morto aŭskultos lin, kaj fine sin lasos konvinki. Sed kiam fine la morto venis, ĝi forprenis de li ĉiujn timon kaj suferon. Liaj lastaj tagoj estis plenaj de la serena trankvilo, kiu jam fariĝis fremda al li. Sian tutan monotonan vivon li ankoraŭfoje trapromenis enpense, kaj ankaŭ la kampojn, kiujn li estis prilaborinta dum sia vivo. Li ankoraŭ taksis la rikolton, kiu tiam staris en la agroj, kaj memoris ĉiujn siajn infanojn kun pli da amo, ol ili iam sentis al li, kaj ĝuste, kiam li ankoraŭ volis diri ion pri la maljuna ĉevalo, kiu tiom da jaroj helpis lin en la laboro, li forglitis el la vivo.

Kaj la dua el la tri mortis ĝuste antaŭ unu jaro. Ĉe la rando de lia grenkampo oni trovis lin mortinta. Dum oni serĉis la ŝtupetaron, sur kiu li estis hejmen portota, mi atendis apud li. La greno staris alta kaj matura, malforta varmeta vento frapis ondojn en la spikojn, kiuj ĵetis tenerajn ombrojn sur lian serenan vizaĝon. La kantado de la alaŭdoj ŝajnis malsupreniĝi el la altaj tavolitaj nuboj. Li kuŝis kun malfermitaj okuloj kaj kun la sama rigardo, kiun mi konis jam tiom longe, kvazaŭ li demandus la ĉielon, kion alportos morgaŭ la vetero. Estis serena maljuna vireto kun kortuŝe mildaj trajtoj. Preskaŭ kvindek jarojn li vivis apud surda edzino, kiu entombigis ĉiujn zorgojn kaj kontraŭbatojn en la mortsimilan silenton ŝin ĉirkaŭanta. Tiun silenton eble tial ŝi tiel ekamis, ke ŝia vizaĝo gajnis la helecon de tiuj, por kiuj silenti estas la plej dolĉa saĝeco. Ni haltis kaj aŭskultis la muzikon, kiu nun venis de proksime, kaj alportis al la vespera soleneco la sekretojn de la koro kaj la nostalgion de iu vivinta antaŭ jarcentoj.

Alte super la malhelaj arbgrupoj rapidsekve preterglitis la rebriloj de fulmo el fora horizonto, ŝajnis, kvazaŭ estus time kaj senespere serĉata io, kio estis perdita, malproksime, ekster homa atingo, kaj malproksime super nia kvieta harmonio.

»Kaj la tria?«, demandis mia juna amiko, »tiu, kiu nun mortis?«

»Hja, tiu estis blufulo« mi respondis, »al li la vivo estis favora. Li pensis, ke eble la morto sin lasos forblufi, kaj ĝis antaŭ ses semajnoj li vizitis ankoraŭ ĉiujn kermesojn de la ĉirkaŭaĵo. Paradanta vireto sur tro mallongaj kruroj, kiu ĉiam bruis per ŝercoj kaj cendoj, kaj per tio penis gajni amikecon. Li ĉiam portis kun si frandaĵojn por la infanoj, kiuj pli ŝatis la dolĉaĵojn ol lin. Ĉe la pli aĝaj li disportis alian frandaĵon: kiu al ili estis pli kara ol sukero, kalumniaĵojn, kiujn li flustris al ili kun multa ruza certeco pri sia scio, kaj per kio li sciis tiel agrable plenigi la vivmalplenon de la solecaj loĝantoj. Li havis malfacilan morton, sed al neniu li estos granda manko.«

Mi reiris al la malalta loĝejo, kie nun ne plu sonis la preĝoj, kaj enpaŝis. Estis varme kaj malfreŝe, la muŝoj zumis kontraŭ la fenestroj, tra kiuj falis la lasta vespera lumo. Iu nepino starante lavis kaserolojn, ŝi estis sola hejme. En apuda ĉambro kuŝis la mortinto, apud li brulis du kandeloj. La esprimo de lia vizaĝo estis rigida pro miro kaj malpaco, muŝo ŝajnis ion serĉi sur la rando de lia buŝangulo.

Kiam mi ree venis eksteren, mi vidis la belan kamparanan knabinon, pretan por forveturi; al ŝi sin klinis mia juna amiko. La krepusko nun kreskis ĝis la limo de nokto, sed ankoraŭ estis ĝuste sufiĉe lume, ke mi povu vidi, kiel ŝi tenis senzorge en la mano la branĉon kun la tri rozburĝonoj, — la rozburĝonoj, kiujn mi ne povis deŝiri!

Ho, tiuj junaj poetoj!

El la nederlanda: *May Bijleveld.*

## Supren

**Hilda Dresen**

Ĝojas, ĝojegas la tuta naturo,
Ridas, ridegas la sun' kun plezuro,
Flugas nun supren, pli supren animo,
Ĉiam kuraĝe, kuraĝe, sen timo.

Kial ne serĉu ĝi vojojn senbarajn,
Kaj ne forĵetu la pensojn amarajn,
Pensojn sensencajn, humoron mucidan,
Kaj ne aspiru la flugon senbridan?

Eĉ se turniĝos la kap' en la alto,
Ĉiam pli supren rapidu sen halto,
Banu en ora sunlum' la animon,
Ĝuu plenspire la sferan pilgrimon.

Sciu: eterne la flugo ne daŭros,
Baldaŭ sur tero ja ree vi kaŭros,
Kaŭros en kot' kun rompita flugilo,
Plena je svena, nevola humilo.

Sed nun antaŭen sen vana cerbumo,
En la sunbrilon kaj al la stellumo,
Por ke eterne vibradu en koro
Pri la etera flugad' la memoro.

1928

## Printempe

**Hilda Dresen**

Sur la parkvojoj petole kuradas infanoj.
Levas ĉielen nun siajn kandelojn kaŝtanoj.

Verdas la tero kaj bluas la mar' kaj ĉielo,
Koron sopire ŝveligas blankanta ŝipvelo.

Ĉie vasteco, printempa aromo, sunlumo,
Birda ĝojtrilo, senĉesa sonoro kaj zumo...

Kial ĉi tion mi kvazaŭ ne vidas, ne sentas?
Kial ĉi jare la koro obstine silentas?

1928.

# DISKUTO

## Esperanta elparolo

Kiam en 1902. la holanda pioniro Dreves Uitterdijk eldonis sian unuan lernolibron Esperantan, li instruis al mi, ke *e* ĉiam estas elparolitá kiel la holanda *ee*, t. e. kiel la *é* en *égalité ;* kaj *o* ĉiam kiel *oo*. Li faris tion tute ne arbitre, sed li instruis, kion al li antaŭe instruis la franca lernolibro de Esp-o, kompilita de De Beaufront.

Neniu en mia lando sciis tiam, ke laŭ la Fundamento ekzistas ne nur tiuj *é* kaj *ó*, sed ankaŭ la mallongaj *e* kaj *o*. Ĉar la Fundamento klare diras :

e sonas kiel e en la germana lingvo,

o sonas kiel o en la germana lingvo.

Mi donas ekzemplojn, kie la Fundamento tion ne faris :

e sonas kiel en la germanaj vortoj : *den, d'nn.*

o sonas kiel en la germanaj vortoj : *tot, Wort.*

De Beaufront, kiel vera kaŝemulo, silentis pri la mallongaj e kaj o (denn kaj Wort). La sekvo estis, ke la holandaj esperantistoj uzis en la unuaj kongresoj nur la longajn, klarajn vokalojn, kaj tial moke estis nomataj *la longvokaluloj.*

Reveninte hejmen, ili rakontis, ke ekzistas ankaŭ mallongaj *e* kaj *o*, kaj la elparolo tuj iom ŝanĝiĝis. Anstataŭ :

»Ni éstas hómój kaj éspérantistój«, ili komencis diri:

»Ni estas hómoj kaj espérantistoj.«

Sendube, tio sonis pli elegante.

Sed kio okazis poste ?

Venis novaj kaŝemuloj, sed ili laboris tute male. Ili eldonis lernolibrojn kaj instruis, ke *e* kaj *o* ĉiam sonas malklare kaj mallonge. Apenaŭ trovis tiuj libroj lernantojn, tuj komenciĝis grandaj disputoj kaj polemikoj pri la *vera* elparolo de ĉi tiuj vokaloj, kaj bedaŭrinde, la esperantistoj estis dividitaj en du partojn ; sed plej strange estas, ke la disputantoj kaj polemikuloj tute ne parolas pri la Fundamento kaj precipe la anoj de la mallongaj *e* kaj *o* silentas pri ĝi. La laste nomitaj citas kiel *regulon* nur, ke *por unu litero unu sono.* Kaj ili fariĝas fanatikaj, kondamnante ĉiun elparolon, en kiu troviĝas la vokaloj *é* kaj *ó.*

Ankaŭ la verkinto de kritiko pri mia lernolibro (kiu akuzas min per tio, ke la »nepra malĝustaĵo« de miaj elparolprincipoj »kondukos al plia konfuziĝo«) parolas nur pri la regulo : *unu sono — unu litero* (cetere nenie trovebla en la Fundamento), sed pri la veraj elparolreguloj, fiksitaj de Zamenhof, li tute silentas.

Citinte ĉi tiun ekzemplon pri kritikado mi turnas min al la Akademio kaj demandas :

Kies devo estas fine fiksi regulojn difinitajn pri la elparolo de Esperanto por silentigi la disputon ?

Se tio estas la devo de la Akademio, ĝi kiel eble plej baldaŭ pensu pri enketo, por ke oni sciu, kie oni devas uzi longajn kaj mallongajn e kaj o, sed ĝi neniun ekzilu el tiuj kvar sonoj, ĉar laŭ la Fundamento ili ĉiuj ekzistas. Kiel L. K. mi volus konsili, ke oni ĉi rilate sekvu la ekzemplon de niaj plej bonaj oratoroj : Privat, Baghy kaj Ĉe, kiuj en la praktiko parolas bélé kaj éléganté.

Neniu diru, ke é kaj ó (klaraj, ne tro tirataj) estas malfacile elparoleblaj. Ĉiu anglo, ruso, dano, hispano, italo, japano, kiu parolas france, povas perfekte bone diri : égalité kaj nouveauté (novóté), almenaŭ tion oni povas postuli, ĉar ni ja postulas de ĉino, ke li diru : ruĝa ribo.

*H. J. Bulthuis.*

Noto : Bone konante la elparolmanieron de Baghy, mi devas korekti, ke li ne parolas *bélé* kaj *éléganté*, sed *béle* kaj *elegánte.* Tio estas li prononcas tire ĉiun akcentan vokalon, kiun sekvas vokalo, aŭ pli ol unu konsonanto, ĉiujn aliajn vokalojn li prononcas mallonge. Li do diras: amanto, amáto, granda, gráda, péti, penti, kóro, kordo ktp. Kaj laŭ mia opinio, je tiu prononcmaniero oni povas redukti ĉiujn okcidenteŭropajn prononcojn. Nur *mia, viu,* ktp., *tiu, tio, tia, ia* ktp., *unu, super, apud* ktp. kaj *ili* havas mallongan akcentan vokalon. Sole la finnoj akcentas tire ankaŭ ilin.

Laŭ mia opinio *praktike* la plimulto jam decidis. Oni devus sole fiksi ĉi tiun praktikon en oficialaj reguloj.

*K. Kalocsay.*

## Lici, darfi, durfi

En ĉi tiu polemiko nia legantaro dividiĝis en du partiojn. La unu partio partoprenas en la diskuto, skribante artikoletojn por aŭ kontraŭ, la alia partio — ne volas legi plu pri ĉi tiu temo.

Por ne indigni ĉi lastan partion, ni finas nun la diskuton. Kaj ni ne publikos laŭvorte la ensenditajn artikoletojn kaj ankaŭ sro Totsche, la iniciatinto de la diskuto, rezignas pri sia rajto de ferma parolo. Anstataŭ li faros nun la resumon mi, havante je tio iom da rajto, ĉar propre mi estas kulpa pri la tuta kverelo, mi uzis unuafoje la radikon *lic* en mia Dantetraduko, skribante: licas kio plaĉon vekas.

El la kelkvortaj alparoloj alsenditaj estu menciataj: tiuj de sinjorino *Helmi Dresen,* sinjoro *Jansson,* sinjoro *Duncan,* sinjoro *Christaller,* laŭ kiuj ne necesas nova vorto, ĉar *rajti* havas tute la saman signifon. Sinjoro *Butler* defendas la vorton *darfi,* ĉar ĝi jam estis ofte uzata. Sinjoro *Thomson* proponas la vorton *lasiĝi,* kiu, laŭ li, havas tute la saman signifon, ĉar *lasi* signifas *ne malhelpi,* do se oni diras : *mi lasis lin paroli,* oni povas diri ankaŭ : *li lasiĝis paroli,* aŭ *li allasiĝis paroli. Ĉu mi lasiĝas fumi ?* La respondo estas : *Ne sinjoro, vi ne lasiĝas fumi* (io, eble la ĉeesto de sinjorinoj, malhelpas ke vi fumu) ; aŭ *vi ne allasiĝas fumi* (vi ne leĝe rajtas fumi). Sinjoro *Bennemann* defendas *durfi* (aŭ darfi), dirante ĝin ne sole germana, sed ĝermana radiko, kaj refutante ĝian malbonsonecon (parfumo, varfo, turfo ktp.) Li diras inter aliaj :

»Sinjoro Grosjean-Maupin malaprobas du klarajn tendencojn en la nuna lingva evoluo (vidu sube). Pri ilia utilo, aŭ neutilo oni kompreneble povas havi diferencajn opiniojn. Sed kontraŭbatali novan vorton per la argumento, ke Zamenhof ne uzis ĝin, tio ŝajnas al mi neaprobinda. La majstro ne finverkis la lingvon. Jam hodiaŭ ni uzas vortojn kaj formojn, kiujn li ne konis. La modesta geniulo ne fariĝu al ni lingva idolo. — Ankaŭ la citita eldiro de Nylen ŝajnas al mi netrafa. Kontraŭe : vorto, kiu estas specialaĵo de certa lingvo, povas esti tre utila por Esperanto ; ĉar per ĝi ni pliriĉigas nian lingvon en maniero tute natura al ĝi, dum ke la naciaj lingvoj tiukaze devas akcepti fremdvorton, aŭ rezigni pri la esprimo. Cetere ni jam iras tiun vojon ; memoru pri : slojdo, knuto, lagero, lunĉi, aprezi, klepli, pimpa, minjona kaj multaj aliaj. — La fakto ke la vortaro de Esperanto havas karakteron prefere romanan, ne pledas kontraŭ sed *por* enkonduko de alilingvaj radikoj, por ke pli alta grado de internacieco estu atingata«.

»Fine mi permesas al mi, diri pli la afero mian opinion. Mi antaŭe diskutis ĝin kun du akademianoj, kiuj min konsentas«.

»Estas klaraj tendencoj en la nuna Esp-a literaturo, pli subtile distingi nociojn kaj anstataŭigi longajn esprimojn per mallongaj (oficiala enkonduko de mis-, uzado de -enda, gambo, murdi ktp., resp. la apero de vortoj, kiel : povra, descendi ktp.). Tiel ankaŭ la germanaj vortoj *dürfen* kaj *müssen* ne plu povas esti tradukataj per unu vorto (devi), pro danĝero de konfuzo inter tiuj du tute diferencaj, tre oftaj kaj gravaj nocioj (precipe ĉe la uzo en jurscienco). La formoj : estas permesite, havi la rajton, havi la permeson, rajte povi k. a. parte pretertrafas la ĝustan sencon, parte estas nepersonaj esprimoj, kaj ĉiuj estas longaj. (Telegrafa stilo ne estas rigardenda kiel »ekskluzive deviga modelo« por nia lingvo; sed kiu ne konsentas, ke la lakoneco de la angla lingvo minimume ne estas malavantaĝo?) *Lici* ne taŭgas, ĉar ĝi estas nepersone uzata en la fontlingvo. — *Durfi* estas mallonga, klara, persone uzebla. Ĝi kunigas la sencon de *havi la rajton* (sed ne en absolute jurista senco) kun *havi la permeson* (sen ke estas necese, ke tiu permeso por ĉi tiu kazo estas petita aŭ donita)... Precipe por senĝenaj, familiaj frazoj (Panjo, ĉu mi durfas preni) la vorto *durfi* ŝajnas tre taŭga. La rigora stilo, ekzemple en la leĝaro, povus uzi ankaŭ *havi la rajton*, ĉar tie temas efektive pri »povo pravigita de leĝo aŭ moro«.

»Mi ne estas amiko de novaj vortoj ; tion konstatos legantoj de miaj verkoj. Sed mi estas amiko de disciplino kaj tial mi tuj subiĝas al oficiala decido. Sed ĝis tiam mi defendos mian nepran konvinkiĝon kaj konsilos : Neniam *lici*, aŭ simila surogato, sed nepre nur *durfi*.«

Malgraŭ mia decido : aranĝi mallonge ĉi tiun Diskuton, mi citis tre detale la opinion de sinjoro Bennemann, por doni lokon ankaŭ al pledo por *durfi*. Sed nun, ni rigardu sisteme la aferon.

Evidente, ke *devi* ne povas anstataŭi la vorton, kiun ni serĉas. Neniu *devas* fari ĉion, kio *estas permesata*. Kaj ne ĉio estas permesata, kion eble, pro la devigaj cirkonstancoj, oni *devas* fari. Same pri *povi*. Vane *estas permesate* fumi, oni ne *povas* fumi ne havante tabakon.

*Rajti* estas pli parenca al la serĉata vorto, sed ne tute identa. La rajto dependas de la leĝo, de la moroj, do estas io pli alta, dum la *permeso* povas dependi de persona kaprico, eble tute kontraŭa al la leĝo, moro, justo. Ĉiu infano *rajtas* libere moviĝi, sed severa aŭ malbona edukisto povas tion malpermesi al ili.

Tamen, estas vere, ke tia rigora distingo inter la du nocioj nur malofte estas necesa, plej ofte oni povas uzi la vorton *rajti*. Sed kelkfoje, precipe en la poezio, oni sentas la mankon de tute preciza vorto.

Kaj, laŭ mia opinio, por *lici* pledas ĝuste tio, kion la plimulto de la diskutantoj kondamnis en ĝi, t. e. ĝia nepersona uzo. Pro multaj konsideroj estas tre utile, precipe en la poezio, se la lingvo havas du formojn por la sama nocio : unu nepersone, kaj unu persone uzatan. Tiaj formoj jam ekzistas en la lingvo : *mi povas* kaj *estas eble* (eblas) *al mi ; mi bezonas* kaj *necesas al mi ; mi sukcesas* kaj *prosperas al mi ; mi havas* kaj *apartenas al mi ; mi ne havas* kaj *mankas al mi*. Nu, ĉar *rajti* plej ofte estas uzebla por signi : *estas permesate*, ni havus la du formojn : *mi rajtas* kaj *licas al mi*. Krome *lici* nin helpus en tiuj okazoj, kiam *rajti* ne taŭgas.

La nepersona uzo tute ne pezigas la uzon de lici. *Al mi, al li, al oni* ja estas ofte ellaseblaj sen la danĝero de miskompreno. Ekzemple : Ĉi tie ne licas fumi. Panjo, ĉu licas preni ?

Sinjoro *Thomson* diras ke *lici* lin memorigas pri la angla vorto *lice* (pediko), kaj aŭdante *lici* li imagas homon, kiu serĉas sur si »etan malpuran besteton«. Sed la prononco de *lice* ja estas *lejs*, dum la angla vorto jura *licit* (lisit) havas precize la sencon de *licas*.

Per tio mi finas la Diskuton. Kiel mi diris, sinjoro Totsche rezignis pri la publikigo de sia tre verve skribita fermparolo. Cetere, laŭ mia opinio, li ne agis tre oportune, atakante la vorton *darfi*. Plej bona propagando por vorto estas : ataki ĝin. Mi bone memoras pri la ekstrema batalo, kiun la *Lingvo Internacia* gvidis en la antaŭmilitaj tempoj kontraŭ la neologa vorto *heziti*. La rezulto estis, ke ĉiu ekkonis la vorton, kaj, ankaŭ uzis ĝin, sentante ĝian neceson. La vorto *heziti* tiel bele maturiĝis por la oficiala akcepto. Mi vere ne scias, ĉu Totsche ne faris nun malgraŭvolan propagandon por la vorto *darfi*, kiun li intencis ekstermi el la lingvo.

Kiu venkos el la du vortoj — neniu povas antaŭdiri. Eble ambaŭ. Certe la propagando por *durfi* ne helpas al la formo *durfi-darfi*, ĉar eĉ se, kiel sro Bennemann akcentas, ili estas samdevenaj, tamen ili estas du formoj. Kaj mi memoras, ke mi ĉiam evitis uzi la vortojn konkeri-konkiri, ne sciante, kiu el ili oficialiĝos.

Mi pledas por *rajti* kaj *lici*.

*K. Kalocsay.*

---



# OBSERVO

ANDRÉ THÉRIVE (Andre Teriv), romanverkisto, recenzisto kaj gramatikisto, kiu, de post la morto de *Paul Souday* (Pol Sude) okupas la enviindan postenon de literatura kritikisto en la jurnalo »*Le Temps*« (La Tempo), publikigis libron pri la milito, kun la titolo »*Nigre kaj Orflave*«. Ĝin oni konsideras la plej bona verko de l' aŭtoro, aŭ almenaŭ la plej atentinda, pro la pacienco, kun kio Sro Thérive ĝin skribis, pro la zorgo, kun kiu li aperigis en tre diverstendencaj revuoj la ĉefajn ĉapitrojn de sia libro, kaj fine pro la intenco deklarita en sia antaŭparolo : »Mi dezirus esti skribinta, sen fikcio, sed ne sen arto, la historion de la militista vivo inter 1913 kaj 1920 — periodo sufiĉe memorinda, dum kiu la homaj mizeroj havis pli da akcento kaj da koloro ol kutime. Cetere mi povas diri, ke pluraj kamaradoj, kiuj mortis, heredigis al mi tiun skribendan libron«.

Jen alta ambicio, kiun Sro Thérive ŝajnas tamen ne esti trafinta. Sendube, liaj rakontoj estas netliniaj, la priskriboj koncizaj kaj reliefaj, la lingvo vivplena kaj elvokiva, malpli banala ol en la antaŭaj verkoj. Sed la impreso farata de la libro tute ne respondas al la graveco kaj tragiko de la temo. Oni legas ĝin sen enuo, ofte eĉ kun plezuro ; oni plurfoje ridetas pri ĝusta psikologia rimarko, pika ironiaĵo ; sed kiam oni fermas la volumon, oni konservas el tiuj rapidaj malprofundaj skizoj senton pri ĝeno kaj manko. Oni havas la impreson, ke la aŭtoro pentris nur scenojn el mezvalora vivo, nur pensojn de mezkvalitaj animoj, nur agojn de mezbonaj homoj, kaj montras sin impresebla nur de tiu »mediokreco«, sen brilo, sen aspiro al io ajn supera, sen bedaŭro, sen adoro al io ajn alta. Nigra kaj orflava, jen estas, laŭ li, la koloroj de la milito : sed tra lia libro homoj kaj aferoj aspektas unukolore, tede kaj malpure polvogrizaj. La vivo por li estas ne tre interesa spektaklo, kiun li rigardas kun indiferenta mieno, serĉante nur la okazon de sprita anekdoto aŭ de elegante bakita rakonto, zorgante nur, ne trompiĝi per ia ajn ŝajno pri grandanimeco, sed trovi sube la humilan, monotonan realon. Tia

sintenado estas eble tre lerta, sed ne tre favora al la verkado de drasta kaj vivriĉa romano. Kaj kiam temas pri aventuro tiel giganta, tiel tragika kaj tiel humana, kiel la milito, ĝi estas rekta kontraŭsenco.

Jen kelkaj paĝoj, tra kiuj oni vidos kaj la kvalitojn de A. Thérive, kaj liajn mankojn :

»Sume, li estis prava, soldato Marŝal, kiam li diris, por mirigi la simplanimulojn : »Mi, mi ne scias, ĉu estas milito. Oni neniam anoncis ĝin al mi.« Nesciado de leĝo neniun pravigas ; la leĝon tamen oni afiŝas, kaj oni afiŝis la ĝeneralan mobilizon. Tion cetere duaranga soldato Marŝal malmulte atentis, konsiderante, ke jam de du jaroj li ŝimas en la kazerno. Sed la milito? La milito konigis sin nur per onidiroj, kaj poste per sia efektiva ĉeestado. Ĉio ĉi estas sufiĉe nekorekta.

La 3-an de Aŭgusto 1914, je le horo de l' vespergamelo, Marŝal profitis la malordon por viziti en la regimenta malsanulejo sian amikon Garsen, kiu flegis tie sian artik-tordon. Kaj tiu pacaspekta malsanulo diris al li kviete : »La servsoldato de l' ĉefkuracisto eliris en la urbon. Ja, ŝajnas, ke tio estas afiŝita ĉe la urbdomo, por la civiluloj : depeŝo... — Nu, bone ! Tio promesas iĝi kurioza.« Ĉe tiu- vorto alvenis soldato Fevr, malsanulisto, kiu diris per mokmalica tono : »Ili ne scias, kiaj estas la germanoj. Kian malprosperon oni spertos !«

Kaj, pripensinte, li aldonis : »Cetere, se oni estas fivenkita, tio estos eĉ pli bona. Ĉar, se oni venkus, tio estus la triumfo de l' militismo : Poincare, Barthou kaj ties bando. La vivo ne plu estus eltenebla.« Marŝal kaj Garsen ne protestis kontraŭ tiuj belaj paroloj, sed la unua respondis : »Vi estas malica, ke vi zorgas pri la vivo eĉ por poste...« La vivo... Li estis ja dudektrijara, kaj ne sentis sin ŝirmita eĉ per Ruĝkruca brakbendo aŭ per artiktordita piedo. Fevr, pli kaj pli cinika, diris al li : »Oĉjo, mi vin gratulas, jen vi estas inter la gladiatoroj !« Dume, la milito ne estis pli oficiale sciigita al la militistoj.

... Ĉe la tagraporto, ne estis pli da sciigoj ol kutime, krom listo da promocioj kaj disponoj. La kolonelo rememorigas al la viroj la preskribojn de la higiena servo : neniam trinki suspekteblan akvon, kaj nur modere uzi la Loren'ajn prunojn, nomitajn »quetsches« (kŭeĉ). La ĉefadjudanto[1] Pion, komisiita por la loĝilaro, estas transigita al la 12-a roto. La laŭnoma etato de la rezervistoj plenumintaj la metion de cementisto estos starigata ĝis la 5a de Aŭgusto, matene. Poŝta servo : la suboficiroj leteristoj devos forporti la leterojn antaŭ la 6a vespere«... La anstataŭanto legis tiel malbone kaj tiel rapide, kiel kutime, kaj oni pensis precipe al la forfermo de la kantinoj.

Sed anstataŭ disiĝi, la kvadratarangita trupo kuniĝis kiel homamaso. Kapitano Herlan eldiris kelkajn vortojn, hezitante. Li estis ruĝa, li ŝajnis precipe tedita oratoraĉi. Oni aŭdis : »Kaj ankaŭ, amikoj, kiam ni aŭdos la kanonon... la veran kanonon... la sonon de l' kanono, ni diros al ni, ke ĉifoje tio ne estas literaturajo. »Li aldonis: »Cetere la operacioj iras tre bone, ni havas klaregan superecon de nombro, kaj estas verŝajne, ke la regimento, apartenanta al la moveblaj-defendtrupoj de la fortikurbo, estos komisiita por subteni la ataktrupojn kaj forpuŝi la prusojn je la postajo ! Almenaŭ, oni amuziĝos iom. Ni fartos pli bone, ol niaj kamaradoj de la 4a Bataliono, kiuj restados en la fortikajoj... Kaj nun, miaj amikoj, tiuj, kiuj scipovas iom kanti, komencu tuj kun mi la Marseljezon !«

La rito estis nova, la muziko emo de l' 7a Roto estis pridubebla. Kelkaj voĉoj, viraj kaj falsaj, ekaltiĝis. Ĉiu, kaŝita post la aliaj, kuraĝiĝis. La kapitano kantis kun funebra mieno, la adjudanto blekis kun mieno grumbla. Preskaŭ ĉiuj konis la refrenon, kiu laŭte bruis. Sed neniu konis la duan strofon. La ĥoro lamis, raŭka, tremvoĉa, pelita mistakte per naivaj relaŭtiĝoj. Oni komencis ridaĉi ; la tuta bruo disŝutiĝis.

»— La kanton del' Deiro, nun ! ekkriis la kapitano. *La Venko, kantadante...«* Kvar aŭ kvin voĉoj lin sekvis. Oni sidiĝis sur la ŝtupoj, oni faris al si reciproke puŝbatojn. Sed, ĉar oni ne povis laŭ sia plaĉo kanti la veran repertuaron de soldato, oni ekenuis. Neniam oni vidis tagraporton tiel finiĝi. La disciplino ŝanceliĝis, sed tio estis malgajema kaj senverva licenco. Iu aperis inter du barakoj kaj diris al unu el la kantantoj, montrante botelon : »Venu ĉi tien, kviete, kviete. Jen botelo el la kantino de l' italoj. — Neeble? — Tamen. La uloj de la 6a ĝin malfermis.«

Ĉe la kantino de l' kampadejo, kabano el lignaj tabuloj estis uzata de italaj terfosistoj, kiuj, jam de du tagoj, lasis la lokon malplena. La seruro de la kelo rezistis de post du tagoj kaj du noktoj. Ĝi entenis cent botelojn de absinto kaj mil litrojn da ruĝa vino... La roto fandiĝis dum du minutoj. Restis kelkaj kaporaloj, kantantaj, sub la malgajaj okuloj de kapitano Herlan. Tiu ĉi subite haltis, eklevis la ŝultrojn : »Sufiĉe, li diris. Disiĝu !«

Li ekvidis, forirante, soldaton Marŝal, kiun li honorigis per diskreta ŝato kaj seniluzia estimo : »Nu, li diris per trenata voĉo, nu, Marŝal ! Kion vi pensas pri ĉio ĉi tio, mia amiko? — Nenion, kapitano ! — Bonege. Oni devas nenion pensi. Bona soldato, definitive...« Li malproksimiĝis, kliniĝinte, kun sia nepreciza ironia rideto. Kaj li ankaŭ, li ne parolis pri la milito...

... Kvar jarojn poste, kapitano Herlan estis lokita jam de ioma tempo inter la legendaj personoj ; sinjoro Marŝal estis bataliona adjudanto ; la Roto ne estis ŝanĝinta sian numeron, kaj de ĝi oni rekonis du aŭ tri virojn. En kota kaj malpura vilaĝeto de Aisne (en), la dua de Novembro 1918, alvenis, je sia malrapida vico. De post pluraj tagoj, oni antaŭeniris tra tiuj vilaĝaĉoj, forlasitaj de l' malamiko, ornamitaj per belaj nigrablankaj surskriboj, loĝitaj de plorblekantaj kampuloj, kiuj rakontis la vundojn ricevitajn de sia kelo, de sia kokejo, kaj kiuj efektive ricevis malpli da kanonpafoj ol da piedbatoj sur la postajon...

La helpoficiro laŭrajdis la flankon de la kolono, ĉirkaŭ la deka matene. Marŝal konis lin. Li diris : »Io nova? — Jes ; oni asertas, ke ĉio estos finita je tagmezo. Sed ne rakontu tion al la viroj !«

La viroj aŭdis ankaŭ tiun konsilon, kaj ne skandaliĝis pro ĝi. Ili pensis precipe al la kantonmento, kiun oni estis trovonta je tagmezo. Laŭkutime, ĝi estis aĉa : sen vino, sen virinoj, sen pajlo, sen akvo. Sed supozeble, io eksterordinara okazis, ĉar la posttagmezo pasis en kompleta nenifarado. Oni dormaĉis, oni senverve babilis. Oni ripetis : »Mi asertas, mi, ke ĝi estas finita jam de hodiaŭ matene !« Aliaj respondadis : »En Parizo, ili tion scias jam de ok tagoj«. Kelkaj simple diris : »Mi, estas al mi tute indiferentaj la tago kaj la horo, se nur la milito, ĝi estas ververe finita !«

La morgaŭon vespere, oni havis fine jurnalojn per ciklisto. Ili enhavis la kondiĉojn de l' armistico, tra tri kolonoj, kiel la rezultaton de l' Granda Premio en Longchamp (lonŝan).[2] Marŝal trovis sur la placo kunigitan

[1] En la franca armeo *adjudanto* estas suboficiro meza inter serĝento kaj vicleŭtenanto.

[2] Fama ĉevalvetkurado en tiunoma hipodromo.

roton, al kiu malgranda leŭtenanto legis mem gazeton. La trupo ŝajnis aŭskulti. Precize kiam li alvenis, ĝi disiĝis, elmontrante nenian senton, krom ke ĉiu alprenis mienon pli malafablan, kiel liberaj homoj.

»Nu, oĉjo, vi volas la ĵurnalon? diris la malgranda leŭtenanto al Marŝal. Fino de la milito!« Tiu ĉi fanfaronis por la lasta fojo: »— Milito? li diris, milito? Mi ne konas. Mi ne scias, ĉu okazis milito.«

Kaj tiel parolante, li iom mensogis, ĉar en Marto 1915 li ricevis oficiale glason da vino por prifesti la eniron de Rusoj en Przemisl'on (Galicujo).

*G. Waringhien*

## JAN TOOROP

Ĉi tiu holanda artisto naskiĝis en 1858, sur Javo, de norvega patro kaj javana patrino. Naŭjara li foriris al Batavia kaj poste la junulo ne plu revidis siajn gepatrojn. Verŝajna tio kaŭzis al li solecon kiu delikatigis lian sentovivon. Dekkvarjara li venis al Holando kaj la ceterajn knabjarojn li pasigis en Leiden kaj Delft sed ne multe lernis, nur desegnis ĉion kaj ĉiun. Li pentris sur pordojn kaj fenestrokovrilojn kaj faris grandajn lignokarbajn fantaziojn de Dante, la unua genio kiu havis influon sur lin.

Kun granda peno la juna Toorop venis al la desegnoakademio en Amsterdam kaj baldaŭ al la akademio en Bruxelles. Tie li vivis kaj laboris inter la popolomaso. El la periodo 1883—1884 datas lia ĉefa komenclaboro: *La respekto al la morto.* La intenco de la pentristo estis prezenti la impreson kiun la morto faras sur la krudajn laboristojn. Tiu verko montras jam la postan mistikecon.

En la minregiono li travivis terurajn ribelmovadojn,



La Preĝo — J. Toorop

pri kiuj li pentris du fortimpresajn verkojn. En 1885 li fondis kun kelkaj flamandaj artistoj la faman grupon de la »dudek«. Samtempe li fianĉigis kun irlandanino kaj iris al London kie li skizis la mizeron de la kabanoj kaj la riĉecon de la vilaoj. Tiuj verkoj montras lian postan homamon kaj ribelemon.

Post sia edziĝo li iris al la maro de kio li estis pasia amanto. El liaj tre belaj verkoj, la »transporto de fiŝista barko« estas la plej konata. Sed iom post iom T. montris sian fantazion en simbolaj verkoj, la plej tipaj verkoj de T. Tiuj verkoj, dekoracioj de ebeno, montras fantazion, kiu plezuras pri linioludo kaj neglektante la imiton de realeco, sin turnas for de la ĉiutago kaj serĉas la internon de la aferoj.

Ili estas ilustradoj de animstatoj. Toorop strebis ĉi tie unuavice por kolorriĉo kaj linioludo, kvankam oni sentas klare la influon de lia javana sango en lia bezono pri simbolaj signoj kaj la hindan leĝon pri la homa korpo, kiu nur estas rimedo por la animo, kies sentoj estas simbolitaj per eltiro de la brakoj, ofte similaj al tiuj de vajangpupoj, kun kruroj kiuj pasas en senfinajn trenaĵojn.

T. multe amis la desegnon: En »La Tri Fianĉinoj« li atingis la plej altan gradon de sia spirita evoluo, kvankam la »Insiduloj«, kiu montras la brulantan internon de lia estaĵo kaj la »Gardeno de la Doloro« estas pli klaraj por ni.

T. estas la plej multflanka artisto de Nederlando en la lasta tempo: li donas mistikon, portretojn, naturstudojn, alegorion kun magiaj kolorefektoj kaj linioteknikо. Li ne estas artisto unueca, estas samtempe impresionisto, simbolisto kaj kubisto. Li estas virtuozo en javanaj artoj (kuprobato, vitrobrulo, emajlolaboro). Li ilustras librojn, akvafortas kaj gravuras, faras muzikon kaj filozofas kaj teologas. Li estas la homo de la miniaturo kaj de la grandega dekora linio. La verkoj de T. ŝajnas esti faritaj de tri diversaj homoj: la realisto, la koloristo



La apostolo — J. Toorop

kaj la fantaziulo, kiuj laboras senbride ĝis la limo de la papero retenas ilin. Nenia malfacilo malhelpas lin, la problemoj nur ekzistas por ke li solvu ilin.

En 1892 T. faris sian unuan multvaloran serion de portretoj kaj desegnis kelkajn konatajn knabinoportretojn, kiu tamen pli bone montris la psikon de la infano, en kies vizaĝo vivas ankoraŭ la paradizo kaj en kies senkulpeco li realigis la idealon.

T. konsideras la homon kiel la centron de ĉio. La korpo estas la resumo kaj la interpreto de la spirito. Li estas psikologo-portretisto. Liaj personoj estis ĉiam preskaŭ tragikaj per la senfina batalo de la homo, en siaj verkoj li esprimis sian propran kompaton al la homo, preskaŭ ĉiam perdanta tiun batalon. Liaj figuroj estas ofte romantikaj kun multaj nuancoj, sed ofte klasikaj per simpleco. En 1900 T. travivis malfacilan tempon de spirita evoluo. Precipe per la influo de francaj artistoj, li fariĝis katolika en 1905. Jam de 1883. ĝis 1905. oni povas sekvi lian spiritan transformiĝon en liaj verkoj: »Sonoj de Orgeno«. »Dia Ekstazo« k. t. p. La malklaran mistikon nun li purigis en la konkreta simboliko de la katolikismo En ĉi tiu dua parto de sia vivo Toorop nur pli maturiĝis kiel oni povas tion vidi en lia »Ministo«,



Ave Maria — J. Toorop

kiun li vidis per aliaj okuloj, ol en sia juneco, kaj en la bela kamparanokapo »La konfido en Dio«.

Krom la transiro al la katolikismo novajn nuancojn donis al liaj verkoj ankaŭ la influo de la novaj arkitekturaj direktoj.

Sen la konvertiĝo de T. ni devus malhavi grandan parton de liaj plej bonaj verkoj: »Brugge kun la krucportanta Kristo« la desegnoj de la monaĥinoj, kaj de la sanganta Belgujo, la »Pilgrimo« en kiu oni trovas la pli fortikan konstruon, pli fortan sintezon, per la influo de la moderna arkitekturo. La fantazio kaj la esprimdeziro kuŝas en la linio, en la fama linio de Toorp, ĉiu linio havas propran vivon, estas fortika kaj peza, signo de forteco. La majstro ne laboras per lumefektoj, nur per la linio en kiun li metas tutan sian koron. Toorop estas la genia simplisto de la linio.

Sen la konvertiĝo de Toorop ni certe ne havus liajn plej bonajn famajn portretojn, faritajn de 1892 ĝis lia morto La portretoj, plej ofte nigro sur blanko, estas karakterizitaj per la linio akcentanta la konturon de la kapo kontraŭ la blanka fundo. Tiu linio servas por esprimi la maldolĉecon de la ostaro kontraŭ la fluanta tono de la karno. En ĉi tiuj portretoj Toorop, la psika realisto donas la spiritan veron, la okuloj plenaj de konfeso, la buŝoj vivantaj, la manoj atestas pri ĉio. Li mem



Laboristo J Toorop

diris: »kelkfoje la kapo povas mensogi, sed la manoj neniam«. Tipa estas la maniero, per kiu la haroj eliras el la kranio. La prezentado estas klasika, simpla, senartifika. Liaj modeloj estis de ĉiuj karakteroj. Tiu tempo estas ankaŭ riĉa per simbolikaj desegnoj, klara pura simboliko. Li ne plu pentris multe, sed faris lignokarbajn desegnojn, ofte kun kelkaj koloroj. Liaj verkoj fariĝis ĉiam pli simplaj kaj pli streĉitaj, en ili Toorop celklopodis pri perfekteco, sankteco kaj elimino de ĉia materia, atingita per la animo post longa batalo.

Li faris multajn studojn sur la sama temo, ekzemple en 1910, kiel antaŭstudon por murpentraĵo, li desegnis siajn famajn apostolofigurojn, kaj por diversaj preĝejoj apostoloskizojn por fenestroj.

La apoteozo de la verkoj de T. estas lia lasta: lia memportreto, en kiu li levas siajn preĝantajn, petantajn manojn al Kristo, kies kapo milda aperas en ĉielarko.

Li mortis en Hago, la 3-an de Marto 1928. Laŭ mia opinio li estas unu el la plej grandaj artistoj.

*Thea Feldbrugge.*

## LA NEDERLANDA KONSTRUARTO

La nederlanda konstruarto ĉiam havis propran karakteron. Kiel postrestaĵojn el lastaj mezepokaj jaroj ni trovas ankoraŭ la karakterizajn ŝtuparajn domfrontonojn, kiajn ni ofte admiris sur pentraĵoj de malnovaj nederlandaj kaj flandraj majstroj.

Ne malpli tipa estas la ligna fenestrokadro, blanke aŭ flave farbita, kiu suprize kontrastas kontraŭ la brikoj, kiuj pro la veterinfluo malheliĝis, kaj kiujn oni poste ofte kovris per nigra aŭ ruĝa farbo.

La Renesanco certe influis la konstruarton, sed oni konservis la malnovan formon de la ŝtupara frontono, kvankam elementoj de aliaj stiloj estas en ĝi rimarkeblaj.

Kiel antaŭe tiel ankaŭ nun Nederlando havas sian propran stilon kaj sen troigo oni povas diri, ke de el Nederlando disvastiĝas nova renesanco en la konstruarto.

La antaŭa jarcento apenaŭ liveris interesan konstruaĵon: sud en la komenco de ĉi tiu jarcento oni starigas ĉe unu el la plej grandaj stratoj de Amsterdam, la Borson laŭ la plano de la arkitekto *Berlage*. Ĉi tiu konstruaĵo kaŭzis veran revolucion. Simpla, kun rektaj ĉeflinioj, ĝi ne havis senbezonajn ornamaĵojn kaj franĝojn. La turo leviĝas kvazaŭ trabo, kaj tute supre pendas en libera spaco la granda sonorilo, kiu ĉiudirekten rememorigas, ke tempo estas mono.

Surprizon kaj tumulton estigis ĉi tiu konstruaĵo, sed ankaŭ imiton. Berlage formis ĉirkaŭ si skolon de junaj artistoj, kiuj laŭ propra talento praktikis liajn ideojn. Simplaj formoj, streĉaj linioj estas la celo. La belecon oni klopodas atingi per la tuto de la aspekto, oni do evitas la detalan ornamon de ĉie aliaj koloroj, de ĉiam ŝanĝiĝanta direkto de linioj.

Tiel regas ofte jen la horizontala linio, jen la vertikala, laŭ la postulo de la ĉirkaŭa urba aspekto.

De post malnovaj epokoj la briko estas la nacia materialo, akirita kaj formita el la ŝlimo de la grandaj riveroj, kaj poste bakita ĝis ruĝa koloro. Sublima estas ĉi tiu materialo laŭ teknika vidpunkto, sed same sublime la arkitektoj scias ĝin uzi laŭ artista vidpunkto. La materialo fariĝis la ĉefa rimedo por esprimi belecon, tiel ke per si mem oni ekuzis la materialojn por tio tiel taŭgajn: vitron kaj armitan betonon.

El la pli junaj de la skolo de Berlage ni citu de Klerck, de Bazel, van der Mey kaj Dudok.

En la lastaj jaroj la preskaŭ tro simpla formo, kiu serĉis belecon ekskluzive en la ludado de linioj, cedis lokon al intima kunlaboro de arkitekto kaj skulptisto. La lasta kompletigas la verkon de la konstruinto per stilitaj grupoj aŭ unuopaj figuroj, best- kaj objektornamaĵoj. De tio estas sukcesa ekzemplo la Domo de Navigado en Amsterdam, konstruita de J. M. van der Mey en kunlaboro kun la skulptistoj. H. A. van den Eynde kaj H. Krop.

Plue ni nomas ankoraŭ la arkitekton B. van Heijningen, kiu kreis la ĉi tie montratan preĝejon. La arkitekto, kiu devis labori kun nur modesta monujo penis esprimi la estimon por la religio en la konstruo de la preĝejo, staranta en popolriĉa kvartalo. La problemo de la akustiko estas bonege solvita.

Ankaŭ la arkitekto Kropholler sin dediĉis interalie al la konstruo de modernaj preĝejoj sed krom tio li kreis aliajn belajn konstruaĵojn el kiuj la bildo montras la urbdomon por la vilaĝo *Noordwijkerhout*, bone enmontriĝantan en la kampara ĉirkaŭaĵo.

La Nederlandano havas hejmaman naturon, tiel ke ne ekzistas ĉi tie la grandaj komunaj etaĝkonstruaĵoj, kiaj multope estas en la eksterlando, kaj kie multaj loĝejoj troviĝas kune. Tamen oni celas en la lastaj jaroj atingi plisimpligon de la loĝeja tipo. Pro tio ni povas dispartigi la loĝejkonstruon de unufamiliaj domoj, etaĝloĝejoj kun propra pordo ĉe la strato kaj plue la ankoraŭ maloftajn multfamiliajn konstruaĵojn, kun unu komuna enirejo. Sed tiuj lastaj ekzistas ĝis nun nur en la luksa tipo. Ĉar la unua grupo apartenas al la plejmulto, la nederlandaj urboj havas ĝenerale malaltan aspekton.

Ĉi tiuj unufamiliaj domoj siavice povas esti dividataj jene: 1) kompleksa konstruo, kaj 2) la solstaraj domoj, aŭ en harmonia unueco kun la kvartala ĉirkaŭaĵo, aŭ tute memstaraj, kiel en la kamparo.

Ne nur al la domoj mem oni donas atenton, sed ankaŭ al la loko kaj karaktero en ilia interrilato. Tial la novaj kvartaloj en la nederlandaj urboj havas harmonian aspekton, pri kies efektiviĝo zorgas »beleckomisionoj«, komisiitaj de la magistrato.

Apud la konstruo de loĝejoj kaj preĝejoj ni rigardu tiun por la publikaj konstruaĵoj, kaj ni vidos ke tie la modernaj ideoj sin montras plej aŭdace:

*Por la rajto de la reprodukto de l, Toorop-bildoj ni dankas la firmon* ***Vorst & Tas,*** *Amsterdam.*

Malantaŭ la vitraj muroj de la ĉi kune montrata fabriko, konstruata de *Brinkman* kaj *van der Vlugt* en Rotterdam, laboras aparatoj por sortimenti kaj paki tabakon, kafon kaj teon. Kie estas grandaj maŝinoj, tiuloke la planko mankas, tiel ke estiĝis ĉambregoj kun duobla alteco. Aero kaj lumo povas libere trapenetri. Tiel oni sukcesis atingi la duan celon : Reklamon. Precipe vespere kontraŭ la malhela fono de la nokta ĉielo la granda luma bloko per milo da lampoj katenas la okulojn.

Dua ekzemplo de publika konstruaĵo estas la plenaera lernejo en Amsterdam, de inĝeniero *J. Duiker*. La tasko, enlasi kiel eble plej multe da aero kaj lumo, estas klare plenumita. La supra etaĝo estas pli malfermita ol la malsupra, pro la sunkaŝantaj domoj ĉirkaŭe.

Aŭdaca oni povas nomi la egan magazenon »La Abelujo« en Rotterdam : grandaj mursurfacoj el glazuritaj flavaj brikoj, tratranĉitaj de longaj horizontalaj fenestrokompleksoj.

Ankaŭ la nova urbdomo en Hilversum, konstruita de *Dudok* estas bonega ekzemplo por montri kio estas atingebla per la kombino de koloro kun rektaj linioj.

Generale karakterizaj por la nova urbkonstruado estas : harmonia aspekto, larĝa aranĝo kaj beleco en divido de spaco, per bone elektitaj altecdiferencoj, tie kaj tie akcentita de altaj turoj.

Tiaj estas niaj urboj, sed la fremdulo kiu volas konatiĝi kun ili, venu ĉi tien, kaj vidu ilin sub niaj ĉiam ŝanĝiĝantaj nuboj. Li ĝuu la ĉarmon de la verda aspekto de ĝardenurbo *Den Haag*, admiru la imponajn kanalojn de *Amsterdam* kaj sentu la viglan negocan vivon inter la altaj komercaj domoj de *Rotterdam*.

Laŭ informoj de arkitekto B. van Heyhingen :

*Gefratoj Bijleveld.*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikas interesajn kontraŭopiniojn, koncerne kiun ajn aperintan recenzon. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

DR. -ING. EUGEN WÜSTER : INTERNATIONELE SPRACHNORMUNG DER TECHNIK, besonder in der Elektrotechnik (Internacia lingvonormigo en la tekniko, precipe en la elektrotekniko.) Eldonis : kun la subteno de la *Akademie des Bauwesens* : VDI- Verlag G. M. B. H. Berlin NW 7. 432 paĝoj. Prezo, tole bindita : 20 RM.

En tiu impone ampleksa kaj impone ĝisfunda verko la aŭtoro kun grandioza lingvoscienca orientiĝo sieĝas la problemon de la unueca, normigita esprimaro de la tekniko, precipe de la elektrotekniko. Montrinte la modestajn komencojn ĉirilatajn, li serĉas la eblojn, laŭ kiuj oni povus pli multe disvolvi la internacian teknikan lingvonormigon. Doninte sinoptikon pri la 1500 lingvoj de la tero, kun mirinda elĉerpeco li ekzamenas en la plej gravaj naciaj lingvoj (angla, germana, franca, rusa, itala, hispana) la elementrilatojn inter la vortoj, la regulojn de vortkunmeto laŭ la diversaj gramatikaj karakteroj de la vortelementoj, la metodojn de la vortderivo, la manierojn, laŭ kiuj la origina signifo (ideoformo) de la esprimoj ricevas novan sencon per vortkombinando, aŭ per alprunto de nova, specialigita signifo. Li detale montras, ke la ideoformoj, en la okcidentaj ĉeflingvoj, estiĝis laŭ samprincipaj leĝoj.

Montrinte la grandan neceson de la lingvonormigo, kaj ĝian grandan gravecon en la teknika lingvo, li esploras la eblojn de ĉi tiu lingvonormigo. La unuan gradon de ĉi tio li trovas en la interna, nacia normigo : paraleligo kaj ordado de la nacilingvaj terminoj. La dua grado estus la internacia normigo, helpe de modernaj fremdvortoj, aŭ latinaj terminoj. Li eksplikas la malhelpojn de ĉi tiuj normigoj : la kutiman lingvouzon, kiu kontraŭstaras al la reciproka egaligo de la signifoj kaj ideoformoj, kaj la purisman tendencon, kiu, pro la konsideroj de lingva beleco kaj pli granda memoreblo, kontraŭstaras al la alpreno de fremdaj vortoj. Tiel li venas neeviteble al la tria kaj plej perfekta grado de la normigo, al la alpreno de internacia helpa lingvo.

Detale li esploras la eblojn de la latina kaj angla lingvoj kaj klare montras la malavantaĝojn de ilia alpreno. La elektota lingvo povas esti nur lingvo neŭtra kaj ankaŭ lingvo juna, pli plastika kaj ne tiom finstampita kiel la naciaj lingvoj. Tio estas : artefarita lingvo.

Li montras evidente, ke la plej granda malfacilo estas la ellerno de la flua parolado. Kaj lerni facilan, artefaritan lingvon ĝis flua parolo, kaj krome lerni tri lingvojn ĝis flua lego, estas pli ekonomie, ol lerni unu fremdan lingvon ĝis flua parolo.

Tre detale li esploras la artefaritajn lingvojn (Ido, Okcidental, Novial, Esperanto) kaj montras, ke neniu el ili estas supera al Esperanto, eĉ, eble kun la escepto de Novial, ĉiuj estas evidente malsuperaj al ĝi. Funde esploras la vortkunmeton kaj vortderivon en Esperanto, elĉerpe montras ĝian ĝisnunan uzon kaj disvastiĝon. Li pledas por la japana propono, laŭ kiu la normigitaj esperantaj terminoj teknikaj povus esti uzataj sammaniere, kiel la latinaj nomoj de bestoj kaj plantoj. Plej oportuna li trovas ties komencon en la elektrotekniko, kies nocioj estas internaciaj kaj netaj, kaj kiu, kiel sola fako, jam posedas korporacion laborkapablan por internacia lingvonormigo : en Germanio, Francio, Usono kaj Japanio ĝuste la kondukantoj de la elektrotekniko ekdiskutis post la milito la problemon de la »planlingvo« en la tekniko.

Ĉi tiu, ŝajne detala, konigo de la verko estas tro malriĉa, rilate al la multflankaj ideoj, informoj, pritraktoj kaj eksplikoj, kiujn la libro enhavas. Ĝia propaganda valoro estas vere netaksebla. Ĝin distingas plej serioza scienca metodeco kaj altrange objektiva tono.

Parolante pri la Esperanta vortderivo, la aŭtoro konstatas en ĝi certajn mankojn, li konstatas, ke ĉe la pluderivo de vortoj kun nepleonasmaj finaĵoj (varmo, forto ktp.) oni renkontas malfacilojn. Por helpi pri ĉi tio, li proponas tri novajn sufiksojn, kiuj ĉe la pluderivo anstataŭus la elfalantan finaĵon. *On* (o), *al* (a) kaj *ir* (i) estus ĉi tiuj sufiksoj.

Ĉi tiu parto de la libro estas tre instrua per tio, ke ĝi klare montras al ni, pri kio ni devas atenti kaj helpi, sed la solvo ŝajnas al mi malpli feliĉa. La plej granda avantaĝo de la Esperanta vortkunmeto estas ĝia granda spontaneco : la akcepto de *pure gramatikaj* sufiksoj multe komplikus kaj sekve malfaciligus la *trunkon* de la lingvo.

Laŭ mia opinio ĉi tiuj sufiksoj estas nepre evitendaj. Oni devas serĉi aliajn rimedojn por solvi la problemon, tiel klare prezentitan de la aŭtoro.

Al mi ŝajnas nepre preferinda la alia solvo, kiun la aŭtoro mencias (kaj kiun, kiel ankaŭ li akcentas, uzas ankaŭ la naciaj lingvoj), t. e. la uzo de novaj radikoj. Do : *sanitara*, anstataŭ sano-a, *termika* anstataŭ varmo-a, *energetika* anstataŭ movo-a, ktp. Dek-kelkaj vortoj, uzataj sole en la teknika lingvo, multe malpli komplikas la lingvon, ol unu nova sufikso.

Cetere, tre ofte, eĉ la nova radiko ne estas tute necesa. *Sanisto* (isto de sano) ekzemple, laŭ mia opinio tute bone povas anstataŭi la vorton *sanitaristo* kaj *sanitara* estas bone tradukebla per *sanista*, aŭ *sanisma*. Same : *protektisto*, *impresismo*, *impresisto* povas esti tute senmiskomprenaj esprimoj por *protekcionisto*, *impresionismo*,

*impresionisto*, se la lingvouzo donas al ili la respektivan signifon.

Ĉe la verbo-adjektivaj kunmetoj same mi ne sentas la neceson de *on*, ĉar, laŭ mia opinio, ĉiu verboadjektivo estas verbo-substantivo-adjektivo, do *aŭda* propre estas *aŭdo-a*. *Aŭda korneto* do estas *korneto rilatanta al aŭdo*. Estas vere, ke (pro la du sencoj de la finaĵo a) ĝi povas esti ankaŭ *korneto karakterizita per aŭdo*, do preskaŭ *aŭdanta* korneto, sed, por eviti ĉi tiun dusencecon, pli oportuna ŝajnas al mi, uzi en la teknika lingvo por ĉi tiu *dua* senco la sufikson *iv*. Same: anstataŭ *prezidanta seĝo* (ĉar ne la seĝo prezidas) oni povas diri: *prezida seĝo* (seĝo de prezido).

En mia teorio pri vortfarado mi konstatis, ke ĉe verba ĉefelemento la flankelemento estas aŭ adverbo (pafmurdi: pafe murdi), aŭ predikata atributo (ruĝpentri: pentri ruĝa). Ĉi tiun atributon mi rigardas ĉiam adjektiva. Do: ŝtonigi — igi ŝtona; ŝtatigi — igi ŝtata; raciigi — igi racia; sociigi — igi socia. (Per tio, en la komuna lingvo, ni povas klarigi ĉiujn eblaĵojn troveblajn en la lingvo, ĉar *ŝtona* ja signifas ankaŭ: *kiu estas ŝtono*, do *ŝtonigi* signifas ankaŭ igi *ŝtono*.) Sekve *marteladigi* signifas *igi martelada*, do *igi karakterizita per* (aktiva aŭ pasiva) *martelado*. Per tiu ĉi regulo iĝas tute superfluaj la sufiksoj *al* kaj *ir* proponitaj de la aŭtoro. Sed oni devas serĉi rimedon por esprimi sendube *igi o*, kiam oni povus kompreni *igi a*: distingi inter *igi elektro* kaj *igi elektra* (elektrigi); *igi varmo* kaj *igi varma* (varmigi). Laŭ mia opinio ĉi tie estas du eblaĵoj. 1. (kiel mencias ankaŭ la aŭtoro) konservi la o finaĵon, dirante: *elektroigi*, *varmoigi*, aŭ, alivorte, krei la novan sufikson *oigi*, por signi *igi o*; 2. uzi prepozicion starantan *nur* antaŭ substantivo kiel prefikson (ĉar ĝi ja *vortlogike* substantivigas la radikon starantan post si); tia prepozicio povas esti ekzemple *je*. Oni do dirus: *jevarmigi*, *jeelektrigi*. (Tamen la sufikso *on* tre bone taŭgus ĉe la vortoj *acido* kaj *konstanto*. Per ĝi, el ĉi tiuj du vortoj oni farus la vortojn *acidono*, kaj *konstantono*. Eble ili estas la du solaj vortoj, ĉe kiuj ili estas necesaj. Do ĉi tiu sufikso ne estus sufikso komune uzata, sed pseŭdosufikso, kvazaŭ nova *um*, kiun en okazo de lasta neceso povus uzi la vortkreanto farante per ĝi kvazaŭ *novajn radikojn*.)

La dusencecon de *kupristo* mi solvus per la du vortoj: *kuprolaboristo* kaj *kuprizisto*. La sufikson *iz* mi uzus en la senco proponita de Verax: apliki ion *metie* al io.

Sed estas ekster la kadro de mia recenzo, pli multe okupiĝi pri ĉi tiu temo, kiu celere estas nur tute malgranda, flanka parto de la libro. Belajn horojn de serioza studado mi dankas al ĉi tiu verko, kiu per sia granda argumentforto certe estos efika en la rondoj, al kiuj unuavice ĝi sin direktas. La teknikistoj estas praktikaj homoj. Kaj kio estas pli praktika ol la uzo de internacia helplingvo en internaciaj rilatoj. Ni esperu, ke, tra la ekkono donita per ĉi tiu grandskala verko, la praktikeco havos ĉe la praktikuloj pli da potenco, ol nebulaj konsideroj kaj falsaj antaŭjuĝoj. *K. Kalocsay.*

OFICIALA JARLIBRO de la Esperanto-movado, 1931. 19-a jaro. UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, l' Tour de l' Ile, Geneve. 420 paĝoj.

La jarlibro de UEA, kiel ĉiam, ankaŭ nun estas tre zorge kompilita kaj modele aranĝita. Ĝi orientas nin per plena fidindeco kaj granda detaleco pri ĉiuj flankoj de la Esperantuja vivo. Tre utila estas la »Malgranda enciklopedio de utilaj sciindaĵoj«, neniu esperantisto povas seni la informojn pri Esperantismo, la adresaron de societoj, institutoj, grupoj, firmoj, gazetoj. Tre bonvena estas la mallonga karakterizo de la grandaj kaj gravaj urboj. Tre uzebla kaj uzinda la listo de la novaj vortoj oficialigitaj. Kaj en impona nombro defilas antaŭ ni la armeo de la delegitoj, ĉi tiu grandioza organizaĵo por la praktika uzebleco de la lingvo. UEA estas kaj restas fiero kaj fundamento de la neŭtrala movado: pri ĉi tio, kiel ĉiujare, tiel ankaŭ nun, donas al ni ĉi tiu bela Jarlibro nekontesteblan pruvon. *Kr.*

KENELM ROBINSON: Vol. II. 72 paĝoj. Propra eldono de la aŭtoro. Deponejo: »Esperantista Voĉo«, Jaslo, Pollando. Prezo: 2.— Mk. +10%.

La volumo enhavas unu novelon angle kaj tri Esperante, krome kelkajn anglajn poemojn. La eldonon de tia lingve miksita libro mi ne trovas feliĉa. Ĉe la angle nesciantaj esp-istaj legantoj naskas misefikon, ke ili ne komprenas unu trionon de la libro, la neesp-istaj anglaj legantoj kompreneble ne ĝuos la Esp-lingvan parton. Mi tre konsilas al la aŭtoro ne iri plu sur tiu ĉi vojo.

La anglalingva »Funny« jam aperis Esp-e en »Se Grenereto«. »La Konsilo« kondukas nin en la societan vivon de la londonaj pacifistoj. Trafa figurpentrado, certvida viviga forto, flua babiladstilo karakterizas tiun ĉi novelon. La »Amika Ago« estas Tamizborda historieto, kies temo tuŝas tiun seksan sferon, kiu videble pleje interesas la aŭtoron. Ĝia abrupta fino ne estas sufiĉe motivita kaj lasas la leganton iom dubanta pri la okazintaĵoj. Ĝi ne apartenas al la sukcesaj noveloj de Kenelm Robinson. »La Fivivo« morde sarkasmas pri la hipokritulo) de homamaj societoj, kluboj, pri la profitemuloj de ĉiu idealismo homa. Ĝi evidentiĝas, ke la satiro apartenas al la plej fortaj flankoj de la verkisto.

Resume: ĉiuj bonaj kvalitoj, kiujn ni trovis en »Se Grenereto...«, do: neniam enuaj, ĉiam konsternaj, aŭ amuzaj dialogoj, ĝisinterne penetrema analizo, en nia originala literaturo preskaŭ nekonata figurkreanta forto, estas troveblaj ankaŭ en tiu ĉi *dua volumo*. Tamen mi atendas de la aŭtoro ion pli: *romanon*. »La fremda knabo« montris, ke li kapablas al pli ampleksaj verkoj. La pli larĝa kadro certe donus novan eblon al plua evoluado. Kontraŭe, se li restos ĉe la novelo, mi timas, ke lian evoluon minacos stagnado.

Ĝoje mi povas gratuli la aŭtoron pro la progreso kiun li faris en la stilo Esp-a. Tamen mi devas noti kelkajn riproĉindaĵojn. Kial estas uzata »Karolo« anstataŭ »Karlo«? La kunmetita verboformo: *estis -inta* ankaŭ en tiu ĉi libro ŝokas kelkloke. Post »kvazaŭ« anstataŭ indikativo mi uzus kondicionalon. Anstataŭ »fugi«, »tendra« ŝajnas al mi pli ĝustaj la formoj: »fuĝi«, »tenera«. Ĉu estus nura utopio la deziro, ke la aktivaj verkistoj de nia lingvo konsentu inter si pri la formoj de la necesaj neologaj vortoj? »Ne jam« sur la 59-a paĝo uzurpas la lokon de »ankoraŭ ne«. Ĉu la frazo: »... ke jam li tenas en la mano la belan mamon ŝian« ne estus pli bonsora tiel: »ke li tenas jam en la mano ŝian belan mamon«? Sed tiuj ĉi malgrandaj difektoj tute ne reduktas la ĝuon de l' leganto.

Inter la anglaj poemoj, kiom mi povis ilin kompreni, troviĝas kelkaj ĉarmaj pecoj. »To a girl met at a dance« estas frapante bela. Ĉu la aŭtoro ne volus donaci nin per Esp-a reverko?

*Ludoviko Totsche.*

KENELM ROBINSON: Homarisma laboro. Unuaktaĵo. 32 paĝoj. Ĉefdeponejo: Literatura Mondo, Budapest. Prezo: 0.50 Mk. +10%.

Kvaronhora dialogo inter du fratoj de londona burĝa familio. Akra reflektorlumo ĵetita sur la vantan, politike ambicieman patron. Falsa, nesincera tono inter patro kaj filo. Naive ĉarmaj, sed forte interesaj konfesoj inter la fratoj. Honesta malkaŝo pri seksaj temoj, multe ŝatataj de la aŭtoro. (Ili ne estas perforte trudataj al la leganto, kiel en kelkaj, ne tiel sukcesintaj noveloj de l' sama verkisto.) Forta aperiga kapablo. (Se mi renkontus la figurojn de »Homarisma laboro« sur la strato, mi rekonus ilin.) Stilo bona. Ĉu la eksperimentado pri simultana mondkoncepto signifas, ke en la aŭtoro, ĝis nun ekskluzive analizema, jam ĝermas la konturoj de ia pli supera sintezo?

*Ludoviko Totsche.*

ERICH MARIA REMARQUE: *La vojo returne.* Romano. El la germana lingvo tradukis Joseph F. Berger. Eldonis: *Heroldo de Esperanto,* Köln, Germ. 370 paĝoj. Prezo: broŝ. 6.—, bind. 8.50 gmk. plus 10% por sendkostoj.

Ĝi estas la romano de la hejmen revenintoj. En ĝi la aŭtoro rakontas al ni, kiamaniere revenis la frontsoldatoj en sian hejmon, en la ĉiutagan vivon, — en mondon, kiu fariĝis al ili tute fremda.

La temo de tiu ĉi libro estas konata ne nur al la frontsoldatoj, sed al ĉiuj samtempuloj, ĉar preskaŭ ĉiuj havis ja samfamilianon sur la batalkampo kaj povis silente priobservi liajn animajn luktojn por alkutimiĝi al la civila vivo. Tial certe ĉiun esperantiston ĝojigos la avizo, ke la Esperanto-traduko de la nova romano aperis samtempe kun la alilingvaj.

Paŭlo Bäümer, la heroo de la unua romano, ripozas jam en franca tero. Sed lia kamarado Ernesto revenas — kaj kun li aro da samregionanoj, kun kiuj li militservis en la sama kompanio. Ni renkontiĝas ankaŭ kun bona konato: Tjaden. Nomoj, kiuj en la unua romano estis nuraj nomoj, ekvivas en tiu ĉi romano.

En pedagogia seminario de mezgranda germana urbo koncentriĝas tiuj junaj viroj, kiujn tiel aliformis la milito.

Kaj nun, kiam palpadante, kun necertaj piedoj kaj embaraso ili denove surpaŝas la hejman fundon, ripetiĝas la sama miraklo, kiun ni, liaj samsortanoj jam spertis foje ĉe Remarque. Kiel precize scias tiu ĉi timinda homo, kiom malfacile ni kutimiĝis denove al la pavimo de nia hejmurbo, post la ŝlima grundo de la tranĉeo. Kiel bone li scias, kiom malfacile ni povis altrudi al ni mem la regulojn de la civila deco kaj honesto. Kiel li scias, kiaj estis niaj sentoj en la horo de nia hejmenreveno.

Ankaŭ tiu ĉi libro povas kateni la animon de la leganto, — ĉar ni retrovas en ĝi eĉ niajn plej sekretajn travivaĵojn, ĉar kun miro ni konstatas, kiom ĝenerala estis ĉio, pri kio ni opiniis, ke nur ni trasuferis ĝin. Jes: devis veni iu, al kiu doniĝis la kapablo, ke per simplaj vortoj li eldiru tion, kion ni ĉiuj sentis kaj suferis.

La tradukinto faris belan laboron. Natura kaj ofte vere bongusta kaj trafa estas lia traduklingvo, ne malofte li bone solvis la malfacilan taskon, kiun prezentis al li la interpreto de la milita kaj grandurba duonslanga lingvaĵo. Eble kelkfoje troas sufiksoj, eble kelkfoje oni preferus alian, pli »salan« vorton anstataŭ aĉ-kunmetaĵo, kelkfoje pli plaĉus al mi kondicionalo post kvazaŭ, sed ĉi tiujn kaj aliajn makuletojn eble rimarkas en mi nur la lingva pedanto. La libro estas perfekte ĝuebla en sia Esperanta vesto, ĝi estas tradukita en la plej bona, natura kaj *viva* Esperanto.

La eksteraĵo de la libro estas tre plaĉa.

*A. Cs.*

»LITERATURA ALMANAKO« (eldonita per »Lingvo Internacia« 1909).

Kiom de nuntempaj esperantistoj jam legis ĉi tiun tre interesan kaj vere historian »Literatura Almanako«-n? Jen ni havas fotografaĵojn de la unuaj Akademianoj de Esperanto, sed ne nur pli malpli nevivajn fotojn, ĉar estas ankaŭ vivema kaj viviga aro de karikaturoj faritaj de »Ludovic Rodo«.

Jen antaŭ niaj okuloj sidas impona Boirac, sentema »Kabe«, lirikema Grabowski, vojaĝema Evstifeieff, pacista Moch, fosisto-Cart, laborema Mybs, cerbumanta Nylen, fidela Wackrill, anglo-Ellis, »iŝiema« de Saussure kaj kihota Villauneva kun ŝildo kaj plumlanco sur azeno (aŭ ĉu estas ĉevalaĉo?) Kaj kiom ĉiu el ili daŭris »fosi la sulkon« laŭ sia aparta karaktero! Kiel ekzemple la pacista, ribelema, nepacienca cerbo de Gaston Moch poste re-agis, kaj kiel ankaŭ René de Saussure dumtempe forvagis pro sia emo al tro teorie sciencemaj projektoj jam evidentaj en sia internacia monsistemo? Kaj kiel Theophile Cart fosis per sia plugilo, aŭ plugis per sia fosilo — uzante kian ajn ilon almane venintan por fari sian laboron? Neforgeseblaj estas ĉiuj el la pasinteco; ni memoru nur iliajn laborojn por nia afero, kaj nin turnu al la junuloj, al kies manoj ni transdonos la verdan standardon, kun la vortoj — Jen *ni* estis, jen ni estas. Ni fidele evoluis, ne, por ke vi ĝuu la fruktojn, sed por ke vi sciu la novan vojon por la homaro. Montrinte la vojon ni ankaŭ provizis la ilon, kaj nun ĝi falas al viaj plilaboremaj manoj ekkonstrui la makadamon.

Kie nun estas desegna plumo de Ludovic Rodo mi ne scias, sed mankas iu en lia loko. Ĉu inter nia anaro ne estas samideano sciante la internan idealon de la lingvo, kiu povos kompletigi la galerion de karikaturoj de eminentuloj? Ĉu ne »Literatura Mondo« entreprenos tian interesan se samtempe amuzan taskon,* — eble kun helpo de Centra Oficejo aŭ Presa Esp. Societo, kiu verŝajne posedas aŭ originalajn desegnojn aŭ kliŝojn, kiuj faciligus represon de la malnovuloj de la preparotoj?

*Pan Loti.*

KATALUNA ANTOLOGIO. Kompilita de Jaume Grau Casas. 401 paĝoj. Dua eldono. Eldonejo: Editorial Iberica. Barcelona 1931. Prezo: Sv. fr. 8.—.

La naciaj antologioj, se ili estas ĝuste redaktitaj kaj bone tradukitaj, certe apartenas al la plej interesaj kaj valoraj verkoj de nia literaturo. Kaj precipe tiuj de la malgrandaj lingvoteritorioj povas utile servi al nia publiko kaj literaturo: kiom da enterigitaj valoroj, kiom da nekonataj genioj sin kaŝas en la literaturoj de la malgrandaj nacioj! Kaj la sola kaŭzo de ilia nekonateco: la malmulta disvastiĝo de la lingvo. Serio da tiaj antologioj ne nur malkaŝos surprizajn belecojn antaŭ la literatur-amanto, sed ankaŭ servos kiel impona propagandilo por nia lingvo. Ke nia publiko komprenis la gravecon de tia entrepreno, tion pruvas, ke la Kataluna Antologio jam atingis la duan eldonon.

Kun plena merito! La leganton impresas ĉiam novaj kaj novaj sensacioj: lingvo, kiun la eŭropa publiko erare opiniis proksime parenca al la hispana, lingvo, kiu estas fratina al la itala, ne tiom, dolĉa, sed sonora kaj severe klasika. Kaj literaturo surprize fortika, varie evoluinta! Licu al mi mencii kelkajn elstarajn epizodojn de tiu ĉi abunda florado: melankoliaj, aŭ ĉarme petolaj popolkantoj, fragmentoj el fantaste kurioza epopeo, *Atlantido* de *Jacint Verdaguer;* delikattonaj prozaĵoj de *Joan Maragall* (Laŭdo al la parolo, Al la gekantistoj de Terrassa, La leciono de la migdalarboj); akra satiro, larĝa, progresema mondpercepto, komprenema koro trovebla en *La Instruato* de *Salvador Albert;* per nigra koloro pentritaj, sed vizie *elvivaj* noveloj de l' verkistino *Victor Catala;* epizodo el la mirinde bela teatraĵo, *Mistero De Doloro* de *Adrian Gual;* sagacaj, spritaj intelektplenaj *Glosoj* de *Eugeni d' Ors;* la *Nova Vojaĝo Sentimentala* de *Agusti Calvet,* riĉa je flua, rakonta forto kaj brava kataluna sento; freŝhumora kaj naive ĉarma legendo de *E. M. Ferrando: Pri Kiel La Sanktuloj Volis Manĝi Fragojn;* k. t. p. Vere abunda legaĵo ankaŭ por tiu, kiu per la libroj volas forpeli nur la enuon de la longaj vintraj vesperoj.

La aŭtoroj sinsekvas en kronologia vico. Natura aranĝo, tamen la kunmikso de l' poezia kaj proza parto ĝene efikas, mi preferus apartigi ilin. La humoro estas sufiĉe malriĉe reprezentata. Ĉu al la kataluna literaturo aŭ al la kompilinto ni atribuu tion? La volumo prezentas proksimume 50 verkistojn, kio kaŭzas, ke pro manko de loko nur nelongaj noveloj povas prezenti eĉ eminentajn verkistojn. Tio estis neevitebla, tamen ŝajnas al mi pli ĝuste, *aperigi almenaŭ unu* pli longan novelon en tia antologio. La leganto certe scivolos pri la novelo »Solitud«

* Ja tia, eĉ se ne tute tia deziras esti la »Rimportretoj« de Kalocsay.

de Victor Gatala, kiun la kompilinto nomas »la plej bona novelo katalunac kaj kiu tamen ne troviĝas en la libro.

La traduko ĝenerale estas rekomendinda. Kompreneble ĉe tia giganta laboro ĝia nivelo ne povis esti egala. La prozajoj ĝenerale havas bonan, facile legeblan stilon, la poemoj ne sukcesis tiom.

En la antaŭparolo la kompilinto deklaras, ke: »Ni forte evitis neologismojn...« Sed jen listo (neplena!) de neoficialaj vortoj troveblaj en la volumo: *ŝtormo, eksplici, grefti, veselo, navigi, komparso, viruso, situi, otuso, animalo, obsedi, harti, fugo, obskurantismo, torporo, kohereco, gurgo, kondensi, delica, knoto, taŭro, faŭnuso, dioramo, sino, surfaco, ekspozi.* Laŭ mia opinio estas pli ĝusta metodo *uzi* la bezonatajn neoficialajn vortojn kaj *klarigi* ilin.

Riproĉinda estas la uzo de la artikolo antaŭ substantivo sekvata de pronomo posesiva. Esprimoj, kiel: »je tiu lia glora kapo«, »tutan tiun ĉi landon nian«, »ne faris nur tion« estus nepre elsarkendaj. Tre ĝenas la multfoja erara uzo de »ĝi« anstataŭ »tio«, »en ĝia tempo«, »ĝiahore« anstataŭ »siatempe«, »siahore«, »kompari je...« anstataŭ »kompari al...«, »ŝanĝi je vagonaro« anstataŭ »ŝanĝi vagonaron«. Entute la tradukintoj troas la uzon de »je«. Anstataŭ »koaguli« jam estas uzata »koagli«, same pri »faŭnuso« kaj faŭno«, »fugo« kaj »fuĝo«. La verbon »enamiĝi« sekvas jen »je« (tolerebla), jen »de« (malbona). Kial ne uzi »al«, rekomendatan de Kalocsay? »Rezignaciiĝi« vane okupas la lokon de »rezigni«. En la formoj: ĉi tiu, ĉi tio k. t. p. oni jam ne uzas la kunligan streketon. La vorton »malinfektajo« (sur la paĝo 220) mi ne komprenas. Ĉu la vorto »elfiniĝadis« (sur la paĝo 230) vere plaĉas al la tradukinto?

En la libro svarmas »ci«. Kial elfosi ĝin el la meritita tombo? Imagu kongreson, kie oni ĉiam devus atente distingi: ĉu mi *viu* aŭ *ciu* iun? Kaj se en la rondon de ciantoj venus iu, kiun la rondanoj ankoraŭ vias, kia ĝena situacio por la alveninto! Laŭ mia sento *vi* jam iĝis tiom familiara, intima alparolo, ke ĝi staras tute proksime al la *ci* de la ciantaj naciaj lingvoj.

Tiuj ĉi riproĉetoj neniom malgrandigas la eksterordinaran valoron de ĉi tiu kolosa verko, la nepre laŭdindan kaj heroan laboron de la tradukintoj kaj kompilinto. Estas devo de nia publiko, ke ĝi estu honorata per abunda aĉetado.

*Ludoviko Totsche.*

DINKO SIMUNOVIC: *»Ano de l' ringludo.* (El la kroata F. Janjiĉ. Eld. F. Hirt & Sohn, Leipzig. Internacia Mondliteraturo. Nro 19. 19×13 cm. 86 pĝ. Prezo 0.80 Mk. +10%).

La ringludo, ĉi pitoreska popolfesto estas nur kadro de la plenaera rakonto, en kiu du amantoj, la bela, forta, kaj ankoraŭ ne maljuna patro, kaj la filo, jus elkreskinta el la knabaj vestoj, konkuras por la koro de la bela Marta. La patro venkas, li edziniĝas la junulinon, la filo iĝas milda frenezulo, kiu zorge evitas la patron kaj la duonpatrinon. Lia nura kontentiĝo estas la espero pri la morto de la patro, post kiu li povus edzinigi la belan virinon. Jen la skeleto de la rakonto kaj nun, kiam mi skribis jam la suprajn frazojn, iomete mi bedaŭras, kial oni estas scivolaj pri la enhavo de la libroj, — en la kadro de mallonga recenzo? Ĉar mi povis montri nur skeleton, kvankam en la libro, ĉirkaŭ la ostoj, estas varma, velura, viva karno, pulsanta, primitiva, tamen rava vivo. En la verko sin kaŝas la portreto de la aŭtoro, la montano, kiu naskiĝis ankoraŭ en praprimitiva medio, kaj kiun ĉiu sopiro, ĉiu kredo relogas al tiu naiva, jen milda, jen sovaĝa vivo. Por li la rakonto estas certe pli, ol simpla produkto de rakontemo. Li estas nekutime subjektiva verkisto, sen tio, ke tiun ĉi subjektivecon malkaŝus personaj aludoj. Mi ne scias, sed supozas, ke tiun ĉi rakonton li verkis ne tute june, eble dum sia plena viraĝo, — suspektinde li amas siajn heroojn — kaj oni povas facile konkludi, ke la venko de la viro kontraŭ la junulo estas subjektiva deziro de la junanima, forta viro, kiu jam preterpasis la unuan junecon.

— Ankaŭ la naiva, tamen subtile, arte kreita »happy end« pruvas la veron de mia konkludo; en ĝi estas iom da sopiro, iom da rezigno, iom da kredo: entute: la koninda aŭtoro, kies verkon tre bone tradukis F. Janjiĉ.

*F. Szilágyi.*

A. S. PUSKIN: EUGENO ONEGIN. (Romano en versoj. El la rusa lingvo tradukis N. V. Nekrasov. Eldono da SAT. Paris 235 p. Prezo: 3.— Mk. +10%).

Ho romano, ho strofo de la feliĉa pasinto, neforgesebla travivaĵo de la unua juneco. Kun revema koro mi sidis sub la larĝfolia kastanaleo kaj mian eston tute absorbis la gracia muziko de la rimoj, la subtila humoro kaj ĉarma melankolio de la rusa genio, kies poezia individuo estas kvazaŭ alojaĵo, eksterordinara sukcesa miksaĵo el rusa moleco kaj sudrasa ardo, samkiel miksitaj — negra kaj norda — sangoj fluis en liaj vejnoj. — Eble estis majo, la monato de Heine, kiam mi sidis sub la kastanarbo kaj legis, legegis, vivis la vivon de la facilanima, kaj poste sortopremita Anjegin, (laŭ mia scio, tiel sonas la nomo, kaj ne »Onegin«) al mi doloris la virgina, burĝona koro de la songknabino, Tatjana, kaj miaj sentoj leviĝis ĝis la plej alta kontentiĝo de plezuro ĝis la plej kora sonĝo de facila melankolio. Mi gustumis avide el la vivo, kiu plibeliĝis per la mirinda muziko, per la mirinda talento de Puŝkin kaj ankaŭ post jaroj mi ofte trafoliumis la romanon, ĉar la strofoj, la vortoj revenigis al mi la epokon, kiam mi, studente, feliĉe, sonĝe vivis kaj suferis, ĉar mi pensis, ke oni *devas* suferi; sed en la vero mi sciis nenion pri la sufero, kiun la sorto donacadas nuntempe en tiel superflua kvanto al mi, al vi kaj al ĉiu, kiu naskiĝis. — Kaj la vortoj, la muziko de la strofaro, la ekbriloj de la poeta genio revekis nun la dormantajn memorojn pri la leganta knabo, samkiel melodiĉifono asociigas homojn, travivaĵojn kaj korsentojn kaj la amo al la junaĝo sin anoncis plenforte, kiam mi povis citi, en ESPERANTO, la spiritojn de la fora pasinto.

Nekrasov, la tradukinto, certe havis grandegan klopodon pri la traduko de ĉi tiu versa romano. Lia rimtrova preteco estas granda, lia teknika aparato estas preskaŭ perfekta. Kaj admirindaj estas lia kuraĝo kaj persisto, per kiuj li entreprenis kaj plenumis senlace la grandan kaj pezan taskon: eksonigi la facilajn, feajn strofojn en Esperanto.

Sed ĉu tiuj strofoj sonas tiel facile, fee, ankaŭ en la traduko? Nu, io mankas. Tre bonaj rimoj, tre bonaj ritmoj, enhava fideleco (kiom mi povas tion prijuĝi) ĉiom enestas en la traduko. Sed en ni tiel enradikiĝis la scio kaj memoro pri la dolĉa, perfekta, enlula muziko de la originalo, ke neeviteble ni serĉas ĝin ankaŭ en la traduko, kaj, ni konfesu, ofte vane ni serĉas. Eble ni estas tro pretendemaj? Sed, laŭ mia opinio, nun, kiam oni ne tumultas post la poezio, nur tia versmuziko, tia nerezistebla ĉarmo povus enkapti la homojn, por sidi apud la verko. Krome, mankas io, malgranda fajrereto sole, mankas la poezia mildo, mankas la kungenia trajto. Grandioza tekniko estas trovebla en la verko, sed ĝi iel memorigas min pri matematiko, pri inĝenieraj instrumentoj. Ĉiu poeto kaj poemtradukisto uzas ja ankaŭ tiajn instrumentojn, sed kovras ilin per la floroj de la poezia sento. La instrumentoj de Nekrasov elstaras nude.

Bedaŭrinde mi ne havas lokon, por montri pli detale per ekzemploj tiujn lokojn kaj tiun verkmanieron, kiujn mi sentas sekaj. Sed la leganto same eksentos ilin, kiel mi.

Pri la enhava fideleco mi ne povas juĝi, ne konante la verkon en la originalo. Nur unu strangaĵon mi rimarkis. En la teatro oni ludas baleton kaj

Ankoraŭ *drakoj* figrimacaj
Sur sceno saltas kun brusibl'...

Nu, laŭ la hungara traduko *gnomoj* saltadas, kio ŝajnas al mi pli verŝajna. Sed eble mi eraras?

Tre valora estas en la verko la vasta enkonduko pri la vivo kaj verkoj de Puŝkin, kaj la tre detalaj klarigaj

notoj, kies lego, jam sola, portas nin en la mondon prikantitan de la aŭtoro. Jam ankaŭ pro ĉi tiuj klarigoj estas inde aĉeti la libron, kiu, frukto de giganta laboro, ĝojigos la leganton per multaj belaj strofoj inter la malpli sukcesaj, iom ŝvitodoraj partoj.

Malgraŭ ĉiuj miaj riproĉoj, mi rigardas la tradukinton eminenta lertulo de la Esperanta verso, kaj mi esperas, ke li ne restos ĉiam nur teknika virtuozo, sed, precipe se lin ne katenos tiel gigante malfacila tasko, li povos plenigi la virtuozajn akordojn ankaŭ per profundsentaj animvibroj. Bona antaŭsigno por tio estas la menciitaj belaj strofoj de lia traduko.

*F. Szilágyi.*

ELDONAJOJ DE EKRELO, LEIPZIG. (1.) M. Ljubin: La Himno. —36 p. Prezo: GM 0.35 2.) Bezimenskij: Socialismo 40 p. Prezo: MG. 0.40.— 3.) Fervojstacio Znamenka, de Ĉernov. — Trad. el ukraina lingvo. I. Ĉernjaev. 15 p. Prezo: GM 0.25.) Ŝajnas, ke la homanimo ne povas sin liberigi de la romantikeco. La volumeto: »La himno« estas ido de la nova romantikeco, sed interese vestita ido. La libro estas leginda. La aŭtoro de la dua libreto *(Socialismo)* ne estas renversema revoluciulo. Tute male; li faras sistemon, ordon. Li estas tre pedanta. La voĉo estas speciala, sed iomete seka, preskaŭ matematika, nur malofte ĝi altiĝas ĝis versmuziko. Nekrasov bele tradukis la verkon. La tria verketo: *Fervojstacio Znamenka* estas valora rakonto el la plej sangaj tagoj de la revolucio. Sovaĝa historio, sed por ni, kiuj nun devas vivi kredebla. Talente kaj verve verkita la libro bela. viva traduko.

*F. Szilágyi.*

NIA TEATRO. *(Biblioteko de Sennaciulo.* Eldonis SAT. Paris 62 p. Prezo: Mk. 0.60). Du teatrajoj por klaskonsciaj laboristoj. La literatura valoro ne estas tro alta; denove ni devas paroli pri la »infanŝuoj«. La poemoj, parolĥoroj, troveblaj en la fino de la libro estas pli valoraj. Rimarketo: estas multaj socialist-tendencaj valoraj verkoj, kial oni ne tradukas tiujn, anstataŭ mezaj, aŭ submezaj farajoj.

*F. Szilágyi.*

KRYSTA LUDW. MARIONETAJ LUDOJ, ilia prezentado kaj unu »Terpoma Tragedio«. Eld. Mondlingvo-Eldonejo, Katowice, 23 pĝ.

Verketo sen grandaj pretendoj; la aŭtoro ne estas sentalenta, sed li devas ankoraŭ lerni, ne Esperanton, ĝin li scipovas tute bone, sed Esperantan versarton. Mi opinias, ke li povus evolui tre taŭga verkisto por nia verda junularo. Tian verkiston nepre ni bezonas.

*F. Szilágyi.*

ELDONAJOJ DE »THE ESPERANTO ASSOCIATION OF NORTH AMERICA, FORT LEE N. J. USA. (1. The North American Esperanto Almanac 1931. 170. p. Prezo: 50 cents. 2.) La deveno de Esperanto. El letero de Zamenhof. 24 p. Prezo: 10 cents. 3.) American Esperanto Key. By I. I. Sussmuth. Prezo: 10 Cents.)

Tri belaj libretoj. La unua enhavas krom la tradukita letero al Borovko interesan anglan artikolon pri la progreso de Esperanto kaj informojn pri la nordamerika movado, adresaron ktp. La dua estas dulingva eldono de la Zamenhofa leterparto al Borovko. La tria: regularo kaj vortareto de Esperanto. Utilaj libroj.

TELEFONU 2—45. (Teksto kaj muziko de Feliks Hiller (Eld. Komercista Esperanto Unio, Agentejo Lodz, Polujo. Radwanska 6., 4 p. Prezo 1 respondk. La progreso de Esperanto naskos certe Esperantajn teatron, kabaredon kaj filmon. Sed tiu ĉi eta kanzono ne ĝisvivos la naskiĝon de nia kabaredo, vojaĝonta tra la mondo.

*F. Szilágyi.*

ADRESLIBRO DE POLLANDAJ ESPERANTISTOJ. Redaktis kaj eldonis *Jan Zawada*. Warszawa, M. O. Czerniaków, ul. Zaciszma 2. Prezo: 3.— svisaj frankoj. 224 paĝoj. — La adreslibro enhavas adresojn de ĉiuj esperanto-societoj, grupoj kaj rondoj en Pollando, adresojn de 4060 polaj esperantistoj, ĉe multaj adresoj kun detalaj indikoj. La korespondemulo povas trovi en la libro, zorge redaktita, 172 profesiojn, 24 ideajn tendencojn kaj 121 temojn pri korespondado. La adresoj estas aranĝitaj laŭ urboj en aboca vico. Indekso faras la trovon de bezonata adreso pli facila. Krom la esperantlingva adresaro la verko enhavas pollingvan parton, etan enciklopedion pri la Esperanto-movado. Entute la libro estas tre taŭga ilo por la praktika Esperantisto.

MAGYAR ESZPERANTÓ ÉVKÖNYV. (Hungara Esperanto Jarlibro.) Redaktis *Lud. Kökény*, eldonis *Literatura Mondo*. Dua jaro. 32 p. Prezo 1.— pengö. Interesa parto de la jarlibro estas enketo pri Esperanto, kiun respondis 34 hungaraj verkistoj, scienculoj, pedagogoj kaj politikistoj. Utila kaj necesa verko por ĉiuj hungaraj esperantistoj.

PERLOJ el diversaj lingvoj tradukitaj de L. *Cogen*, skribitaj en stenografio *Duployé-Flageul*. 16 p. 1.50 fr. 9. B. Voltaire, Issy les Moulineaux, Seine, Francujo.

UNGARN-HUNGARY-LA HONGRIE. (Compiled by Márta Magyar, Béla Kemény. Eld. Béla Kemény, Budapest, József körut 5. 160 p. Prezo: 75 USA cents.) Bonega kolekto de verkotitoloj, kiuj aperis pri Hungarujo en 20 lingvoj. Listo de la tradukita hungara literaturo. Certe menciinde estas, ke la libro havas apartan ĉapitron de Esperanto. Kiun interesas la hungara popolo, lando, literaturo, tiu povos uzi tre bone tiun ĉi libreton.

JUBILEUMS-MATRIKEL — JUBILEA MATRIKULO 1931. Eld. Sveda Esperanto Federacio. 134 pĝ. Nur por membroj. Belege presita libro kun multaj datoj, fotoj, adresaro ktp.

ESPERANTO ADRESARO 1931/1932. el Sudokcid-
ESPERANTO ADRESARO 1931/1932. de Sudokcidenta Ligo Germana. 38 pĝ. Prezo unu poŝta respondkupono. Konscience kolektita adresaro.

UKRAINA ŜLOSILO. (Eld. sub aŭspicio de ICK. Ricevebla ĉe prof. Kuzjma en Kolomea str. Nova 4. Prezo: 0.35 zl.) Kiel ĉiun novan ŝlosilon, ankaŭ tiun ĉi ĝoje ni salutas.

ÖVNINGSBOK TILL ELEMENTÄRKURS I ESPERANTO. (Ekzersada libro por elementa kurso en Esperanto). Ellaborita de Sam. Jansson. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm, Svedujo. Prezo sved. kr. 0.50.

La libro kompletigas la sukcesplenan kurson perkorespondan de Sveda Esperanto-Federacio, al kiu sin anoncis dum la aŭtuno pluaj du mil partoprenantoj. Krome la libro estas uzota je la radiolecionoj esperantaj, kiuj okazos la unuan dimanĉon en ĉi monato.

LA GRAMOFONA KURSO EN ESPERANTO, eldonita de Eld. Soc. Esperanto, Stockholm, Svedujo, estis bone akceptata de la svedaj esperantostudantoj. En la kursoj oni ofte uzas ĝin por instrui la ĝustan elparolon. Pli ol cent kursoj jam estas venditaj. La kurso konsistas el tri diskoj, kiuj kostas kune 12 kr. (por afranko en Eŭropo aldonu 3 sv. kr., ekster Eŭropa 5 sv. kr.), enhavas sur la unua disko modelan elparolon kun parte instruado por svedoj, sur la dua ekzemplojn el la Fundamento kaj sur la tria dialogojn. La dua kaj tria diskoj enhavas nur Esperanton.

GRAMOFONDISKOJ pri la himno, kiun ludas granda orhestro kaj pri Mozart-ario »La sorĉa fluto« kantata de tre bona kantisto aperis antaŭnelonge en la eldono de Komercista Esperanto Unio, Dresden, Radebeul. La diskoj faritaj el novspeca fleksebla materialo, trovis bonegan akcepton ĉe la esperantistaro, kion pruvas, ke la unua eldono post kelkaj monatoj plene elĉerpiĝis. Nun la eldonejo aperigis duan serion, kiu diferencas de la unua per tio, ke la himno estas ludata per la kutime uzataj takto kaj ritmo, dume la unua en la ritmo de militista marŝo, kiel la komponisto mem planis. Al la dua serio la eldonejo donas senpage ankaŭ skatoleton da specialaj stiftoj, taŭgaj por la speciala materialo.

La diskon ni uzis jam en Krakovo dum nia Literatura Mateno kaj ĝi montriĝis tre bona. Se vi deziras aĉeti, ne forjetu la reklamfolion, alkonatan al la hodiaŭa numero.

## REDAKCIA POŜTO

S-RO OLSZOWSKI, POZNAN. Volonte ni akceptas tiaspecajn artikolojn, se vi disponigas ankaŭ kliŝojn prunte. Tiuokaze sendu la kliŝojn en malgrandaj paketoj po 200 gramoj.

S-RO LILJER, LUBNI. Pm. alvenis, sed ili ne taŭgas por ni. Ni bezonas nestampitajn el serioj 360—420 laŭ Michel katalogo. Laŭdezire la senditajn ni resendos.

*S-ro V. Grineviĉ, Enakievo.* Vian sendajon ni povas akcepti nur kiel egalvaloron de P. 4.70. Por tio vi ricevas 4 numerojn rekomendite, en sama banderolo. Pri ebleco de pluaj pagoj, ĝiaj manieroj ni skribos al vi post kelkaj tagoj aparte.

*Fino Moora, Haga.* Bnv. pagi al Moreau. La nro 1. estis erare sendita, ni tre petas vin resendi ĝin al ni. Ne forgesu sendi dol. 0.15 por la bindaĵo.

*S-ro Fejér, Debreczen.* Vi forgesis sendi la P. 1.— por la sendkostoj de la bindaĵo.

*S-ro Hartog, Baarn.* El via sendaĵo restas por vi P. 1.84.

*S-ro Ŝapiro, Bialystok.* Ni jam skribis antaŭe, ke ni ne plu povas akcepti abonon por tuta jaro 1931. ĉar unuaj numeroj mankas. Pro tio ni notis vian abonon jene: por nroj 1, 5, 6 po zl. 1.50=4.50 ; por abono je dua dunojaro zl. 8.50, reston de zl. 2.— ni skribis por via abono 1932.

*S-ro Leboucher, Limoges.* Bnv. resendi la insignon. Ni sendos anstataŭ ĝi 5 silkajn flagetojn.

*S-ro Taalmann.* La kosto de la senditaj gazetoj estas USA dolaroj 1.20.

## Nia nova abonprezo

estas fiksata en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Kompreneble ni kaj niaj reprezentantoj akceptas egalvaloron en la mono de la koncerna lando, laŭ la kurzotabelo de la tago de ekspedo flanke de la abonanto. El tiuj landoj, kie ni ne havas reprezentanton, ni povas akcepti nur usonajn dolarojn.

Bonvolu do noti : Tutjara abono dol. 1.80, duonjara dol. 1.—, kvaronjara dol. 0.60. Opa numero dol. 0.20.

### Britaj abonantoj

bonvolu atenti, ke BEA. pro valutaj kaŭzoj ne povas nun peri abonojn. Bonvolu do pagi rekte al ni aŭ al nia nuna reprezentanto :

S-ro ALEC VENTURE, MITCHAN (Surrey) 42 Hawkes Road Anglujo.

### Italaj abonantoj

bonvolu sendi vian abonon al ni rekte aŭ al

ESPERANTO CENTRO-ITALA, MILANO, Galleria Vittorio Emanuele 92

C./C. Pos. N. 3/18715, Milano.

### Germanaj abonantoj

bonvolu sendi vian abonon al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Berlin, nro 138,084.

### Svisaj abonantoj

bonvolu atendi nian cirkuleran sciigon. Dume bnv. sendi la abonon rekte al ni.

## Premio por frupago

Por komplezi al niaj malnovaj abonantoj, ni donas al ĉiuj, kiuj pagas sian tutjaran abonon por 1932. ĝis 1. decembro 1931. por 0.15 usonaj dolaroj de sendkostoj BINDAĴON POR LA JARKOLEKTO 1931.

Por aliaj, nepagintaj ĝis tiu dato, ni fiksis prezon por la bindaĵo en dolaroj 0.50 afrankite. La bindaĵo estas bela duonleda, fortika, kun ora surpreso laŭ la suba bildo. La bindaĵon ni ekspedos kune kun la enhavtabelo samtempe kun la januara numero.

*Al ĉiuj novaj abonantoj,* kiuj sendas sian tutjaran kotizon por la dua jaro ĝis 1.12. 1931. kaj aldonas 0.10 dolarojn, ni sendas senpage tri diversajn numerojn de Literatura Mondo el 1931.



### Nia titolpaĝo por 1932

Ĉar la gusto de niaj legantoj estas malsama, ni ne volas mem elekti titolpaĝon por la sekvonta jaro. Sube ni donas kvar bildojn, el kiuj niaj legantoj bonvolu elekti. Ni uzos tiun bildon, kiu ricevos la plej multajn voĉojn. Al la nuna numero estas aldonata voĉdonilo, kiun vi povas sendi — se vi nenion krome surskribas — kiel presaĵon al nia adreso. Ni akceptas voĉdonilojn nur ĝis *1.12. 1931.*

### Neologismoj

en tiu ĉi numero, ne troveblaj en la Plena Vortaro de S. A. T. :

evento = *(grava) okazaĵo*
morna = *preme malhela*
prominenta = *unuaranga*
tenebra = *preme malluma*
tenera = *karesema*
trista = *malĝoja*

JOZEFO MOHÁCSI, 18-jara studento dez. kor. kun inteligentaj gejunuloj, precipe pri modernaj temoj. Budapest I. Napos-ut. 5. Hungarujo.

## LA AKTIVECO DE SAT*)

Post la fiasko de la provado trudi al SAT ian partian ortodokson, la tutmonda organizo de la prolet-esperantistoj preparas sin al nova ek-antaŭeniro. Jam estas certigita por februaro 1932 la aperigo de l' *SAT-Jarlibro* (kun plena adresaro de la membraro), kiun ricevos ĉiuj -aktivaj kaj pasivaj -membroj de la Asocio. En ĉi tiu monato SAT eldonas ĉ. 100-paĝan denstekstan broŝuron, kiu entenas la *Protokolaron pri la XI-a SAT-Kongreso* en Amsterdamo. Tiu dokumento estas nepre necesa al ĉiu, kiu deziras esti ĝuste informita pri la tiom grava laborista esperantista movado.

Pri la literatura revuo *LA NOVA EPOKO* estas planite ĝin reeldoni en duobla amplekso grandformate ekde januaro 1932. La dua eldono de la *PLENA VORTARO DE ESPERANTO* estas en preparo kaj ĝi estos tre zorge revizita kaj pliriĉigita. Neniu proleta esperantisto volus resti pasiva en tiu esperiga evoluo de la SAT-movado. Ĉiu devas alporti sian parton da kunlaboremo kaj financa helpo, kaj precipe ne forgesi plenumi kiel eble plej baldaŭ sian (re) aliĝon al la kultura kaj interhelpa organizo de prolet-esperantistoj.

Pri abon- k aliĝ-kondiĉoj, librokatalogo ktp. oni petu detalojn ĉe :

**Sidejo de SAT, 23, rue Boyer, Paris XX.**

*) *Sennacieca Asocio Tutmonda*, 23, rue Boyer, Paris (XX, eldonis pli ol 40-voluman bibliotekon, aperigas semajnan gazeton (formato 25×32 cm) kaj monatan gazeteton por perfektiĝantaj esp-istoj : LA LERNANTO.

## LA PENTROARTO

en la malnova Hungarujo

estas la titolo de la kristnaska surprizo de Literatura Mondo

**LIBRO KUN 96 TUTPAĜAJ**

**ILUSTRAĴOJ!**

Sur peza kreto-papero!

**KUN 80 PAĜOJ DA KLARIGA TEKSTO!**

**FORMATO 25×18.5**

**EN LUKSA DUONLEDA BINDO!**

Ĝi estos la plej bela libro en Esperantujo!

Prezo 3.— usonaj dolaroj + 10% por sendkostoj.

Ne forgesu rekomendi ĝian aĉeton al la viaurba publika muzea aŭ belarta biblioteko al pentroartaj Institutoj! Vi faros per ĝi la plej bonan propagandon en tiuj rondoj!

Mendu ĉe LITERATURA MONDO BUDAPEST, IX., Mester-u. 53. V. 7.. HUNGARUJO

aŭ de niaj reprezentantoj kaj de la seriozaj esperanto-librovendistoj.

## ĈU VERE?

### EN OKCIDENTO NENIO NOVA?

**SE** — vi volas esti plej bone informata pri la progreso de la Esperanto-movado en Ameriko,

**SE** — vi volas fariĝi sperta pri la plej modernaj reklam- kaj propagand-metodoj aplikataj en Ameriko, por prosperigi vian lokan movadon,

**SE** — vi volas pensflugi trans la obstinajn barojn por koni la verajn morojn kaj vivon de la homecaj Amerikanoj per Amerika Esperanto-Literaturo,

**SE** — vi volas ekzerci vian scion de la angla lingvo per paralelaj Esperanto-anglaj legaĵoj.

ABONU la plej viglan nacian Esperanto-gazeton

**AMERIKA ESPERANTISTO**

Jarabono 3.— dolaroj

ĉe

**ESPERANTO-ASOCIO DE NORD-AMERIKO**

Fort Lee, N. J., U. S. A

Petu specimenan ekzempleron

## *UJ ESZPERANTÓ NYELVTAN*

***magyarok részére***

## *LA SIMPLA ESPERANTO*

*tanfolyamok és magántanulók részére*

*irta*

***dr Szilágyi Ferenc***

*35 illusztrációval*

***Ára P 1·20***

*A legolcsóbb és legjobb eszperantó nyelvtan*

*Tanítóknak egy mutatványpéldányt 80 fillérért küld a*

***LITERATURA MONDO***

*kiadóhivatala Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefon: 380—84*

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.